El la deklaracio de la membroŝtatoj de la Varsovia Alianco

# Por novaj rezultoj sur la vojo al internacia malstreĉiĝo, por la firmigo de la sekureco kaj por la disvolviĝo de la kunlaboro en Eŭropo

La membroŝtatoj de la Varsovia Alianco eliras el tio, ke la rezultoj de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo estas komuna sukceso de ĉiuj ĝiaj partoprenintoj, venko de la prudento kaj de la politika realismo. La principoj, akceptitaj en Helsinki, kaj la tie atingitaj interkonsentoj prezentas larĝan kaj klarkonturan platformon por plua fortigo de la paco. Ili entenas en si grandan efikopovon, kiu longdaŭre pozitive influos la interŝtatajn rilatojn sur la kontinento. La konsekvenca realigo de tiuj ĉi principoj kaj interkonsentoj formas la novan vizaĝon de Eŭropo: Eŭropo de sekureco kaj kunlaboro . . .

La forpasinta tempo de post la tuteŭropa konferenco konfirmas la fruktodonan karakteron de ĝiaj rezultoj kaj la realan eblecon efektivigi ilin en la praktiko. Dum duflankaj kunvenoj de elstaraj politikistoj kaj ŝtatistoj same kiel dum intertraktadoj je aliaj niveloj estis traktitaj en duflanka kaj multflanka kadroj multnombraj aktualaj demandoj pri realigo de la interkonsentoj de Helsinki. Politikaj konsultadoj kaj kontaktoj, kiuj pliprofundigas la interkompreniĝon inter la ŝtatoj, estas disvolvataj. Estis subskribitaj gravaj politikaj dokumentoj kaj interkonsentoj pri evoluado de scienc-teknikaj, ekonomiaj kaj kulturaj interrilatoj same kiel pri homaj kontaktoj, kiuj igas la interŝtatajn rilatojn pli diversspecaj kaj pli fruktodonaj. Konforme al la interkonsentoj pri fidovekaj paŝoj oni antaŭanoncas pli grandajn armeajn manovrojn. Al kelkaj manovroj oni invitos observantojn . . .

Entute la politika atmosfero en Eŭropo ĉiam pli kaj pli deskuas de si la restaĵojn de malvarma milito. Sed la firmigo de la paco en Eŭropo kaj en la tuta mondo, la procezo de malstreĉiĝo renkontas ankaŭ ne malgravajn malfacilaĵojn. Ankoraŭ ekzistas reakciaj, militarismaj kaj revenĝismaj fortoj, kiuj strebas krei konfliktsituaciojn kaj kiuj incitas la vetarmadon. Ili klopodas semi dubon pri la suvereneco de ŝtatoj kaj la netuŝebleco de ekzistantaj landlimoj same kiel pri eblecoj kaj celtaŭgeco de plua malstreĉiĝo kaj revivigas malnovajn metodojn de la imperiisma politiko. Tiuj fortoj provokas enmiksadon en la internajn aferojn de aliaj ŝtatoj. Ili volus dikti al la popoloj, kiu interna ordo regu en tiu aŭ alia lando, kiuj partioj partoprenu en la regado kaj kiuj ne. Sub ilia influo oni provas misformi la spiriton kaj tekston de la Fina Akto kaj misinterpreti la principojn kaj atingitajn interkonsentojn de Helsinki. Sub ilia influo estiĝas ŝanceliĝado kaj malkonsekvenco rilate la plenumon de la decidoj de la Fina Akto kaj ankaŭ rilate la realigon de paŝoj al plia sanigo de la internacia situacio.

La vivo montras, ke en nia tempo paco kaj sekureco en Eŭropo estas nedisigeblaj kaj ne eblas ekpreni alian decidon. Al la politiko de malstreĉiĝo ekzistas neniu prudenta alternativo. Ĝi estas samgrade deviga por ĉiuj ŝtatoj, sendepende de ilia socisistemo. Laŭ tio la membroŝtatoj de la Varsovia Alianco direktas sin senhezite en ĉiuj siaj eksterpolitikaj agadoj . . .

La membroŝtatoj de la Varsovia Alianco akcentas sian decidemon strikte sekvi kaj realigi ĉiujn decidojn de la Fina Akto, kiu prezentas unuecan tuton. Ili alvokas ĉiujn aliajn partoprenantajn ŝtatojn de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo agi sammaniere . . .

La plej grava kaj plej urĝa tasko de la nuntempo estas kaj restas la ĉesigo de la vetarmado kaj la senarmiĝo, unuavice en la sfero de nukleaj armiloj, kaj ankaŭ la forigo de mondmilita danĝero. Alie la pozitivaj tendencoj en la evoluo de la internaciaj rilatoj ne povas fariĝi nereturneblaj, kaj vera sekureco en la mondo ne povas esti garantiata.

La membroŝtatoj de la Varsovia Alianco partoprenas la maltrankvilon de la popoloj pri tio, ke la vetarmado estas daŭrigata en pli kaj pli grandaj dimensioj. Por militpreparado oni elspezas nemezureblajn monsumojn, kaj la detrufortoj de la amasneniigaj armiloj ne ĉesas kreski. Sur la eŭropa kontinento koncentriĝas potenca arsenalo de modernaj armiloj, inkluzive de nukleaj armiloj

kaj militfortoj. Ĉi tie ekzistas plu alilandaj militbazoj . . .
Niaj landoj estas konvinkitaj kontraŭuloj de la vetarmado kaj esprimas siajn deziron kaj pretecon aktive kaj fruktodone kunlabori kun ĉiuj ŝtatoj, solvante tiun taskon, kiu staras antaŭ la homaro. Ni opinias, ke ekzistas realaj antaŭkondiĉoj, atingi redukton de la amasigitaj armiloj kaj certigi la transiron al senarmiĝo . . .
La partoprenantoj de la kunsido de la Politika Konsila Komitato pledas decide por progresanta reduktado de militfortoj kaj armado kaj en Mezeŭropo kaj ankaŭ en tuteŭropa skalo. Temas pri naciaj militfortoj kaj pri trupoj, kiuj troviĝas sur fremdaj teritorioj.
La membroŝtatoj de la Varsovia Alianco pledas por ĉesigo de nuklea vetarmado, por reduktado kaj likvido de nukleaj armiloj kaj ankaŭ por plena kaj ĝenerala malpermeso de eksperimentoj kun ili. Ili pledas por fortigo de la reĝimo de neplidisvastigo de nukleaj armiloj, ĉe kio ĉiuj ŝtatoj sen kiu ajn diskriminacio estas allasataj al utiligo de kernenergio por pacaj celoj sub efika internacia kontrolo kaj konforme al la normoj de la Internacia Atomenergia Agentejo.
En la strebado fari novan efikan paŝon al forigo de la danĝero de kernarmila milito ili proponas al ĉiuj ŝtatoj, kiuj subskribis la Finan Akton, tiucele interkonsenti traktaton, kiu fiksos ilian rezignon uzi kiel unuaj nukleajn armilojn unu kontraŭ la alia. Ili esprimas la esperon, ke tiu propono estu aprobata.
Ili opinias necesa internacian interkonsenton pri malpermeso kaj neniigo de kemiaj armiloj kaj ankaŭ pri malpermeso krei novajn specojn kaj novajn sistemojn de amasneniigaj armiloj.
Ili opinias tre signifaj la subskribon de interkonsento pri redukto de armefortoj kaj de tradiciaj armiloj kaj ankaŭ novajn mondvastajn klopodojn por likvidi la militbazojn sur fremdaj teritorioj, fortiri fremdlandajn trupojn el la teritorioj de aliaj ŝtatoj, krei pacajn zonojn en diversaj regionoj kaj redukti la militbudĝetojn de la ŝtatoj.
La membroŝtatoj de la Varsovia Alianco akcentas sian pretecon objektive pritrakti en la kadro de UN kaj antaŭ aliaj internaciaj forumoj ĉiujn tiujn demandojn. Ili pledas por kunvoko de ekstra kunveno de la Asembleo de UN, kiu okupos sin pri demandoj de senarmiĝo kiel etapo sur la vojo al monda konferenco pri senarmiĝo.
Granda paŝo antaŭen al solidiĝo de la internacia malstreĉiĝo kaj firmigo de la monda paco povas esti subskribo de mondtraktato pri neapliko de perforto en internaciaj rilatoj. La membroŝtatoj de la Varsovia Alianco rigardas la projekton de tia traktato, kiu estas prezentita por traktado al la Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj, kiel bonan bazon por atingi ĝeneralan interkonsenton. Ili estas pretaj partopreni la debaton pri la konkreta enhavo de traktatprojekto kaj subskribi tiun traktaton komune kun aliaj interesitaj ŝtatoj.
En la intereso de profunda normaligado de la internaciaj rilatoj estas necese venki la dispartigon de la mondo en kontraŭstarantajn armeblokojn. La partoprenantoj de la kunsido de la Politika Konsila Komitato akcentas sian pretecon likvidi la Organizaĵon de la Varsovia Alianco kaj kiel unua paŝo ankaŭ siajn militorganizaĵojn, se samtempe ankaŭ la Organizaĵo de la Nordatlantika Pakto estos likvidata. Ili alvokas ĉiujn ŝtatojn ne fari agojn, kiuj povus gvidi al plivastigo de estantaj aŭ kreo de novaj fermaj grupiĝoj kaj milit-politikaj aliancoj. Praktika paŝo en tiun ĉi direkton estus samtempe la senvalidigo de la Artikolo 9 de la Varsovia Alianco kaj de Artikolo 10 de la Nordatlantika Pakto, kiuj permesas la pligrandigon de la nombro de partoprenantoj per aliĝo de novaj ŝtatoj. La membroŝtatoj de la Varsovia Alianco estas pretaj komenci tiajn intertraktadojn pri tiu ĉi demando. Ili atente ekzamenus ankaŭ ĉiujn ajn aliajn proponojn pri iompostioma redukto de militista konfrontado en Eŭropo kaj pri malpligo de la danĝero de hazarda ekesto de konfliktaj situacioj.
Sed tiel longe kiel NATO-bloko pluekzistas kaj pligrandigas sian militistan potencon, la membroŝtatoj de la Varsovia Alianco faros samtempe ĉiujn necesajn paŝojn en la kadro de la Varsovia Alianco por fidinde garantii la sekurecon de siaj popoloj . . .
La Popola Respubliko Bulgario, la Hungara Popola Respubliko, la Germana Demokratia Respubliko, la Popola Respubliko Pollando, la Socialisma Respubliko Rumanio, la Unio de Sovetaj Socialismaj Respublikoj kaj la Ĉeĥoslovaka Socialisma Respubliko deklaras:
Estas necese maksimume intensigi la penojn en la batalo por profundigo de la internacia malstreĉiĝo, por finfina likvido de la restajoj de malvarma milito, por firmigo de la paco kaj por evoluo de la internacia kunlaboro.
Por atingi novajn sukcesojn ĉe la solvado de tiuj ĉi historiaj taskoj, estas necesaj energiaj agadoj de ĉiuj ŝtatoj, de ĉiuj politikaj kaj sociaj fortoj, kiuj konscias pri sia respondeco antaŭ la hodiaŭa kaj la venontaj generacioj.
Por ĉiuj, kiuj vere intencas partopreni la ellaboradon kaj realigadon de tiaj agadoj, la landoj de socialismo kaj iliaj popoloj estos fidindaj kaj fidelaj aliancanoj.

Tr. Dieter Berndt

# Por la Paco XII/1976

Kiam la reprezentantoj de 33 eŭropaj ŝtatoj kune kun Usono kaj Kanado en la ĉefurbo de Finnlando subskribis la kontrakton pri sekureco kaj kunlaboro, ekĝojis ĉiuj en la tuta mondo, al kiuj estas karaj paco kaj paca kunvivo inter la popoloj.
Post unu jaro de tiu grava evento oni povas konstati videblan pliboniĝon de la interŝtataj rilatoj en Eŭropo. Plenrajte la jaro 1976 valoras en la politika areno kiel jaro de batalo por efektivigi la en Helsinki atingitajn rezultojn, bridi la pro la malstreĉiĝo malkontentajn agresemulojn, kompletigi la pacan kunekzistadon per militara malstreĉiĝo. Tiu batalo daŭras, estas eĉ pli aktuala ol iam ajn antaŭe.
Pro tio la „Komisiono pri Internaciaj Ligoj de Sovetaj Esperantistoj, Moskvo" dediĉis la XII-an kajeron de „Por la paco 1976" al tiu problemaro, pruvante la pozitivan rolon de la soveta politiko, montrante la nepre farendajn paŝojn al plena solvo de tiu mondrevolucia procezo. Tiu broŝuro entenas la raporton de CK KPSU al la Kongreso de KPSU, legitan de la Ĝenerala Sekretario Leonid Brejnev, kun la oficiala de la soveta registaro decidita programo de plua batalo por paco kaj internacia kunlaboro, por libero kaj sendependo de popoloj. Plue ĝi informas pri la strebo al paco flanke de Sovetunio la parolado de Leonid Brejnev dum la konsultiĝo en Helsinki, la 31-an de julio 1975, la raporto pri la XXV-a Kongreso de KPSU kaj la „Deklaracio de la soveta registaro".
Rimarkindaj estas el la varia enhavo la omaĝe de du jubileuloj prezentitaj verkoj, nome de
Miĥail Saltykov Ŝĉedrin (1826–1889), rusa satira verkisto, la fabelo „La saĝega gobio",
Aleksandro Fadeev (1901–1956), fragmento el lia plej konata romano „La juna gvardio".
Pro la aktuala temaro la broŝuro kontentigas multflankan informbezonon kaj meritas laŭdon kaj rekomendon.
Sed, kompreneble, pli plaĉa vesto de la enhavo (preso) farus la kajeron multe pli alloga kaj respondus al la ĝenerala internacia nivelo.

Erich Würker

## Nova paciniciativo de la membroŝtatoj de la Varsovia Alianco

# Projekto de traktato

*Dum la kunsido de la Politika Konsila Komitato en Bukareŝto la estroj de la membroŝtatoj de la Varsovia Alianco venis al la unuanima opinio, ke estus en la intereso de firmigo de la paco en Eŭropo kaj en la tuta mondo, se ĉiuj ŝtatoj, kiuj en la pasinta jaro subskribis la konatan Finan Akton de Helsinki, akceptos la devoligon ne ekuzi kiel unuaj nukleajn armilojn unu kontraŭ la alia.*
*Kun la konsento de ĉiuj partoprenantoj de la kunsido estis ellaborita projekto de tia traktato. Tiu ĉi projekto estas jam transdonita al tiuj ŝtatoj, kiuj partoprenis la Konferencon pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo kaj subskribis la Finan Akton.*
*La projekto, kiu prezentas novan signifan paŝon por forigi la danĝeron de nuklearmila milito, havas jenan tekston:*

## TRAKTATO

**La partoprenantaj ŝtatoj de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo, nomataj plue en la teksto altaj kontraktantaj partioj,**
**inspiritaj de la celoj kaj decidoj de la Fina Akto de tiu ĉi konferenco,**
**en la deziro fari novan komunan paŝon por firmigi la konfidon inter si, redukti la militistan konfrontadon kaj subteni senarmiĝon,**
**en la volo agi konforme al la celoj kaj principoj de la Ĉarto de UN,**
**decidaj ne permesi uzon aŭ minacon de uzo de nukleaj armiloj unu kontraŭ la alia,**
**strebante kontribui al redukto de la danĝero de nuklearmila milito en Eŭropo kaj en la tuta mondo,**
**devoligas sin:**

### Artikolo I

Ne uzi unu kontraŭ la alia kiel unua nukleajn armilojn sur tero, sur maro, en aero kaj en kosmo.

### Artikolo II

La devoligo, kiun enhavas Artikolo I, validas ne nur por la teritorio de la ŝtatoj, sed ankaŭ por iliaj militfortoj, en kiu ajn regiono de la terglobo ili troviĝas.

### Artikolo III

La traktato ne estas tempolimigita.

### Artikolo IV

Al la traktato povas aliĝi per subskribo ĉiu ŝtato, kiu subskribis la Finan Akton de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo la 1-an de aŭgusto 1975 en Helsinki.

### Artikolo V

1) La traktato bezonas la ratifikon fare de la subskribintaj ŝtatoj. La ratifikodokumentoj estos transdonataj por konservado al la registaro de . . ., kiu estos nomumata deponprenanto.

2) La traktato ekvalidos por ĉiu kontraktanta partio ekde la dato de transdono de la ratifikodokumento.

### Artikolo VI

1) Tiu ĉi traktato, kies teksto estas same aŭtentika en la rusa, angla, hispana, itala, franca kaj germana lingvoj, estos transdonata por konservado al la registaro de . . .

2) La traktato estos registrata laŭ Artikolo 102 de la Ĉarto de la Uniuĝintaj Nacioj.

Tr. Renate kaj Dieter Berndt

Aleksandr Logvin

## Kanto al la lumo

Lumo de suno! Mi levas la liron
por al vi elkanti adoran admiron!

Dank' al vi ja lumas ĉio sur Tero:
la eta lumilo, la sola fajrero,

la hejma lampeto, reklam' kolorpimpa,
minista lanterno kaj fajro Olimpa.

Vi al ni rebrilas en floro, en vino,
kaj ankaŭ en kor' de amata virino.

En ĉiu okulo, en ĉiu juvelo,
en la ĉielarko de l'arto, de l'belo.

En larm' adiaŭas, rideta saluto,
en luna arĝento kaj en akvoguto.

Sunlumo! Karesu la terajn estaĵojn,
ke ili, sen lumo, ne stumblu mispaŝojn,

Sen, fine, libere de funga minaco,
jam ili ektrovu la vojon de l'Paco.

Kaj venu, ĉi kanto el mia animo
al hom', kiel lumo el sunmalproksimo.

Ireno Rejt

## Betulo

Neĝo – en ĉielo.
Tristo violonas.
Branĉojn de Betulo
Etaj larmoj kronas.

Kial ploras ĉarma?
Kiu scias veron . . .
Eble ĝi pasintan
Sonĝas primaveron.

El la ukraina:
Aleksandr Logvin



Foto: Zentralbild

# Paco kaj malstreĉiĝo fariĝu ĉiamaj

## Konsideroj de Prof. D-ro Günther Drefahl, prezidanto de la Packonsilantaro de GDR

Rerigardante al la ĵus pasinta jaro, ni povas esti kontentaj pri la rezultoj de niaj komunaj klopodoj, eĉ se restos solvendaj ankoraŭ multaj taskoj en nia strebado al mondo, en kiu ekzistas sociala sekureco kaj senzorga vivo por ĉiuj homoj.
En la pasinta jaro la interkonsentoj de la Fina Akto de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo devis unuafoje sin pravigi kaj sukcese eltenis tiun ĉi provon en la praktiko. Komenciĝis ampleksa procezo de duflankaj ŝtataj intertraktadoj kaj subskribado de traktatoj, kiu stimulas malstreĉiĝon kaj kunlaboron kaj ekdonas konkretan formon al la interkonsentoj de Helsinki, protektante la suverenecon de ĉiu partoprenanta ŝtato. Post la historia subskribo de la Helsinki-a Fina Akto nur GDR kontraktis preskaŭ tridek duflankajn interkonsentojn kun aliaj eŭropaj ŝtatoj. Tio estas aktiveco, kiu neniam antaŭe okazis en periodo de komparebla daŭro.
Se ĉiuj ŝtatoj de nia kontinento same sekvos tian evoluon kaj akcelos ĝin, ĝi reduktos plu kaj plu la estantan malkonfidon kaj firmigos la reciprokan konfidon. Tiu evoluo ankaŭ helpos kompletigi la politikan malstreĉiĝon per malstreĉiĝo en militista sfero. Konkretaj paŝoj al finigo de la vetarmado kaj al senarmiĝo fariĝos pli facilaj, se solene interkonsentita rezigno pri perforto ĉie estos praktike efektivigata honeste kaj konfide. Sur tiu ĉi ekkono baziĝas la propono rilate subskribon de mondvasta traktato pri rezigno je perforto en la internaciaj rilatoj, kiun Sovetunio prezentis al la XXXI-a asembleo de UN kaj kiun subtenas ankaŭ GDR.
Konformas al la plej profundaj deziroj de la homaro, ke en la komencinta jaro ni gvidu la komunajn strebojn de la publiko kelkajn paŝojn pli proksimen al kontrakte interkonsentita rezigno pri perforto kaj al senarmiĝo.
Estas urĝe iri vojon, kiu malebligos la absurdan negocon pri „overkill", t.e. negoco, profitanta el la produktado de superkvanto da murdiloj! En sia komenco tiu ĉi vojo estas jam ebenigita per diversaj internaciaj interkonsentoj pri limigo de militdanĝeroj. Nun oni devas fari ĉion por celkonscie finiri ĝin. Grava paŝo en tiun ĉi direkton estas la monda kampanjo por ĉesigo de vetarmado kaj senarmiĝo kiel rezulto de Nova Stockholma Alvoko de la Monda Packonsilantaro. Al ĝi konfesis sin unuanime la popolo de GDR kune kun siaj plej altaj reprezentantoj, ankaŭ la popoloj de Sovetunio kaj de la aliaj socialismaj ŝtatoj same kiel milionoj da pacamikoj en multaj nesocialismaj landoj. Ni estas certaj, ke tiu kaj similaj agadoj disvolviĝos plu en la jaro 1977.
Paco – tio estas la jarmilojn aĝa sopiro de la homaro. Sed ĝi devis trapaŝi viktimplenan vojon, ĝis la pordego, kondukanta al la efektiviĝo de tiu ĉi sopiro, malfermiĝis antaŭ ĝi. La Granda Socialisma Oktobra Revolucio, kies datreveno en 1977 ripetiĝos la 60-an fojon, kaj la Lenin-a alvoko „Al ĉiuj" transturnis paĝon en la historio. La programo de la XXV-a kongreso de KPSU pri plua batalo por paco kaj internacia kunlaboro, por libereco kaj sendependeco de la popoloj, kiu trovis ankaŭ plenan subtenon de la IX-a kongreso de la Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio (SUPG), donas al ni celon, esperon kaj forton por nia plua strebado al paco.
La jaro 1977 kunvenigos la pacfortojn al signifplenaj kunvenoj kaj agadoj. De la 14-a ĝis 16-a de januaro ili renkontiĝis dum monda forumo en Moskvo por priparoli demandojn, kiuj koncernis la pluan sekurigon de la procezo por malstreĉiĝo. Alia kulmino en la laboro de la pacfortoj estos la Mondkunveno de la Packonstruantoj, kiu okazos de la 6-a ĝis la 10-a de majo en Varsovio. Ĝin povos partopreni ĉiuj organizaĵo kaj personuloj, kiuj estas pretaj ne nur paroli pri paco, sed ankaŭ agi por paco.
1977 estos jaro, kiun ni povas bonkaŭze komenci kun fido kaj optimismo, ĝi estos ankaŭ jaro, kiu postulos de ni ĉiuj grandan personan iniciativon kontraŭ tiuj, kiuj volas returni la tendencon al paca kunekzistado inter ŝtatoj kun diversa socia ordo kaj kiuj ne volas rezigni pri aplikado de militista potenco, pri enmiksado en internajn aferojn de aliaj ŝtatoj, pri negoco per armigado kaj pri ekspansia militemo por perforte forigi sociajn kontrastojn. Nia sopiro je paco plenumiĝos nur en pena lukto, en ĉiutaga komuna batalo de ĉiuj fortoj, interesataj je paco.

(El „Informationen", 1/77, eldonitaj de la Packonsilantaro de GDR.)

Tradukis Renate kaj Dieter Berndt

# Honore al ili

Memorlibro pri la falintaj esperantistoj 1941–1945, Zagreb 1976, 111 p., fotoj, eld. Kroatia Esperanto-Ligo

Estas konate, ke multaj esperantistoj sin engaĝis en la batalo kontraŭ imperiismo kaj milito, por la liberigo de sia patrio el sub la jugo de la faŝismo. Antifaŝistoj-esperantistoj el eŭropaj landoj batalis kaj . . . pereis.
Sur la paĝoj de „Bulgara Esperantisto" oni ofte legas pri vivoj de bulgaraj esperantistoj-patriotoj. La liberiga batalo de la jugoslaviaj popoloj kontraŭ la faŝismo estas plena de heroaĵoj. La libreto „Honore al ili" estas verkita okaze de la 30-jara jubileo de la liberiĝo de Jugoslavio de faŝismo. Ĝi enhavas historian trarigardon de d-ro Peter Zlatnar kun analizo de konkretaj historiaj okazaĵoj. Sekvas biografietoj pri 340 pereintoj el 90 diversaj lokoj de Jugoslavio, inter ili 37 Popolaj Herooj. Kelkaj postvivintoj verkis rememorojn i.a. Joje Kozlevčar pri „Aktivecoj de esperantistoj en la koncentrejo Dachaŭ". Eltiroj el verkoj de la pereintoj kaj foto-tabuloj finas la tre valoran verketon. Ĝi pluan fojon montras, ke multaj esperantistoj komprenis internaciismon, solidarecon kaj batalon kontraŭ faŝismo kaj por libereco kiel tre konkretan taskon, por kiu oni pretu oferi sian vivon. La libreto estas unua ĉi-speca verketo en Esperanto. Ni urĝe atendas similan verkon aŭ studon de niaj bulgaraj esperantistoj-historiistoj kaj el aliaj landoj.

D. B.

# La plej sekura mondo estas mondo sen armiloj

**Eminentaj sciencistoj serĉas konkretajn vojojn al granda celo intervjuo kun GDR-Revuo**

**Prof. G. B. Kistiakowski, kernfizikisto, universitato de Cambrigde, Massachusetts, Usono**

## La vetarmado fariĝis absurdaĵo

*GDR-Revuo:* La Pugwash-movado insiste substrekas, ke estas necese sekurigi la politikan malstreĉon per la militista. Kiujn argumentojn vi havas por la urĝeco de tiu celo?

*Prof. Kistiakowski:* Ambaŭ problemoj ne estas disigeblaj unu disde la alia: la reduktado, se eble la ĉesigo de la vetarmado, laŭpaŝa malarmado kaj la forigo de la kaŭzoj por la streĉo.
En la mondo estas konstatebla enorma disvastiĝo de modernaj, ege danĝeraj armiloj. Pro tio, ke tiu tendenco daŭras multaj landoj ankaŭ volas ekposedi kernarmilojn. Ju pli multe da kernarmiloj ekzistas, ju pli multaj landoj posedas ilin, des pli granda estas la danĝero de atoma milito. De post la fino de la dua mondmilito en diversaj partoj de la tero multaj militoj estis faritaj. Mi timas, ke kreskas la eblecoj de regionaj militoj, se multaj ŝtatoj posedas kernarmilojn. Se tiam – eble ne tuj, sed poste – kernarmiloj estos aplikataj, estas probable, ke la grandaj potencoj estos implikitaj. Estas klare, ke tiuokaze ni havus novan mondmiliton kun gigantaj perdoj kaj detruiĝoj, kompare al kiuj la dua mondmilito devus esti karakterizata kiel relative sensignifa afero. Jen mia granda timo.

*GDR-Revuo:* Kontraŭ kio la homaro povus esti antaŭsavita sole per malpermeso al la evoluigo de novaj specoj kaj sistemoj de armiloj?

*Prof. Kistiakowski:* Certe oni evoluigas pli danĝerajn armilojn, ĉar daŭre novaj teknikaj scioj estas akirataj. Bedaŭrinde en multaj landoj ekzistas granda nombro da homoj, kiuj ekskluzive okupiĝas pri tio, evoluigi novajn armilojn kaj igi ilin eĉ pli danĝeraj kaj pli precizaj.
Vi demandas, ĉu eblas ĉesigi la produktadon de novaj armiloj. Estas malfacile diri ion al tio, kvankam mi kredas, ke tio eblas. Estus eble konsenti la ĉesigon de kamptestoj, ĉar sen funda elprovo de la objekto neniu armeo akceptos novajn armilojn. Pro tio mi opinias, ke oni devas demandi: Ĉu ekzistas armiloj, kies testojn oni povus malebligi per interkonsentoj, kiuj inkluzivas kontrolrimedojn? Oni devas realiste procedi. Oni devas esti kapabla identigi la testendajn armilojn, kaj oni devas povi konstati, ĉu testoj okazis aŭ ne. Unu ekzemplo estas la atomaj eksplodkapoj. Mi opinias, ke la ĉesigo de ĉiuj testoj pri atomaj eksplodkapoj estus tre grava paŝo antaŭen. Niatempe la tekniko tiel progresis, ke oni povas pruvi eĉ tre malgrandajn testojn. Ankaŭ la testojn de raketoj oni povas pruvi, observi de sur satelitoj aŭ konstati elektronike. Pro tio eblas interkonsenti pri tio.

*GDR-Revuo:* Kiuj celoj, pri kiuj vi kunlaboras en la Pugwash-movado, estas speciale gravaj por vi?

*Prof. Kistiakowski:* Dum multaj jaroj mi partoprenis la evoluigon de la militista tekniko. Mi estis unu el la viroj, kiuj produktis la unuan atombombon. Krome mi multe okupiĝis pri la evoluigo de longdistancaj raketoj – IBCM – en Usono. De 1959 ĝis 1960 mi estis asistanto de prezidento Eisenhower. Mian laboron en la militista kampo mi komencis en 1940, ĉar mi sentis, ke Usono intervenos en la milito, kaj neniam mi staris sur la flanko de la faŝismo. Sed en la paso de la tempo mi komencis ekkoni, ke la vetarmado fariĝis absurdaĵo. Mi opinias, ke la ĉesigo de la vetarmado estas tre urĝa pro la danĝero de atoma milito, kiu – tion mi kredas – ne estas malebligebla sen tio. Mi partoprenas la Pugwash-movadon, ĉar ĝi estas unu el la internaciaj organizaĵoj, kiuj okupiĝas pri tiu problemo. Pugwash, kiel neŝtata organizaĵo, povas ĉesigi nek armiltestojn nek la evoluigon de armiloj, sed ĝi havas certan influon en kelkaj landoj. Aliflanke – tio estas tre grava – Pugwash donas okazon al idea interŝanĝo kaj al provoj kompreni la aliulon. Ni atingis la eblon de interparolado laŭ afabla maniero, kelkfoje ja tre ekscitita, sed sen persona malamikeco, eĉ se ni ne samopinias. Pro tio la Pugwash-movado estis tiel sukcesa.

(DDR-Revue 12/76, tr. D-ro K. Schulze)

Foto: Zentralbild



**Prof. Oleg A. Reutov, kemiisto, membro en la Akademio de Sciencoj de USSR, anstataŭanta prezidanto de la soveta packomitato**

# Stop al la armado nun – por eviti katastrofajn sekvojn



Prof. D-ro Oleg Reutov, USSR. Foto: Zentralbild

*GDR-Revuo:* Kvankam la tuta pacama homaro pli kaj pli energie postulas la ĉesigon de la armado kaj efektivajn paŝojn al la malarmado, oftiĝas informoj, ke la evoluigo de novaj specoj kaj sistemoj de armiloj estas intencitaj aŭ jam efektivigataj. Sed kiel danĝeraj estas jam la nunaj armiloj?

*Prof. Reutov:* Ni prenu la kernarmilojn. La du unuaj atombomboj, faligitaj en Japanio, havis potencon de 20 kilotunoj aŭ 20 000 tunoj de la ĝistiama eksplodajo TNT. Kaj kiom da viktimoj postulis jam tiuj malgrandaj bomboj! La hodiaŭaj hidrogenaj bomboj estas 100-foje aŭ eĉ 1 000-foje pli potencaj. En la kemiaj armiloj la tokseco de la aplikitaj substancoj senĉese kreskis dum la lastaj 30 jaroj. Jam 1969, kiam kiel eksperto de Sovetunio en grupo de registaraj komisiitoj ĉe Unuiĝintaj Nacioj mi partoprenis la ellaboradon de tiurilata baza materialo, oni devis konstati: 20 modernaj bombaviadiloj suficas, por neniigi 80 procentojn de la loĝantaro do tiaj urboj kiaj Londono, Moskvo, Novo Jorko aŭ Berlino per la substanco VX. Oni devas supozi, ke la potenco de tiaj armiloj eĉ pligrandiĝis de tiam. Des pli grave estas interkonsenti pri ilia malpermeso kaj pri la malpermeso al la evoluigo de eĉ pli danĝeraj specoj de armilojn. Vi scias: Sovetunio pledas por tiuj celoj en siaj intertraktadoj kun Usono.

*GDR-Revuo:* Ĉu sekve de nova ciklo de armado ne eksplode ŝvelus ankaŭ la armadkostoj jam hodiaŭ enormaj? Ekzemple oni ja aŭdas pri usonaj planoj plialtigi la etaton por defendelspezoj de aktuale pli ol 100 miliardoj al 150 miliardoj da dolaroj ĝis 1980. Kaj ĉu, krom tio, ne ekestus danĝero por la rezultoj de la malarmado atingitaj ĝis nun?

*Prof. Reutov:* En tio vi tute pravas. Momente oni elspezas en la mondo 300 miliardojn da dolaroj jare por la armado. Tio estas tute ne eltenebla por civilizita socio. La tutan monon oni povus disponigi al la klerigado, la medicina prizorgado, la helpo por evoluantaj landoj kaj aliaj utilaj celoj. La usona buĝeto kompreneble kreskas monstre. Tiaĵo ankoraŭ tute ne okazis. La elspezoj por tiaj militaj rimedoj kiel la planitaj atomaj submarboatoj altenpelas ĝin. Se ni haltigas la vetarmadon ne nun, nova ciklo komenciĝas, novaj specoj de armiloj estos evoluigataj, kiuj kostos eĉ pli multe. Kaj ĉion ĉi la homoj ja devas pagi. Tion oni devas ne allasi, kontraŭ tio ni devas batali. Krome la ekonomiaj riĉofontoj de la mondo ja estas limigitaj. Nelimigita vetarmado povus havi katastrofajn sekvojn. Ni bone scias, ke la politika situacio fariĝis multe pli favora dum la lastaj jaroj – en Eŭropo speciale per la interkonsento pri la Fina Akto de Helsinki. La ĉefa tasko estas nun subteni la politikan malstreĉon per la militista.

*GDR-Revuo:* Sovetunio kaj la tuta socialisma ŝtataro pledas por ĝenerala kaj kompleta malarmado, do por la neniigo de la materiaj ebloj de milito. Sed la sperto montras, ke al tiu granda celo oni povas alproksimiĝi nur laŭpaŝe. Kiel vi vidas tiun problemon?

*Prof. Reutov:* La programo, kiun akceptis la XXV-a partikongreso de KPSU rilate al malarmado kaj sekurigo de la paco kaj kiun subtenas GDR kaj aliaj socialismaj ŝtatoj, deiras de la naturo de la socialismo; ĝi bezonas pacon. La landoj de socialismo ne haltos en la afero de la malarmado. Kompreneble ni ne povas decidi unuflankan malarmadon; ĉar ankoraŭ ekzistas NATO kaj aliaj agresemaj blokoj. Per paciencaj diskutadoj kun niaj partneroj el la okcidento ni provas, paŝo post paŝo solvi la maturiĝintajn demandojn de malarmado.
Unu el la plej urĝaj problemoj estas la plena kaj senkondiĉa malpermeso de la kernarmiloj, kiun devas sekvi la neniigo de la stokoj de tiaj eksterordinare danĝeraj armiloj. La publika opinio prezentas grandan helpon en la plenumo de la tasko malebligi eblan katastrofon por la homaro. Tiukonekse ni devas sukcesi en tio, malpermesi la evoluigon de novaj specoj kaj sistemoj de armiloj. Kaj fine – kio tre interesas nin kiel eŭropanojn – en la tagordo troviĝas la tasko atingi malpliigon de la armitaj fortoj kaj armeoj en meza Eŭropo, malpliigon, kiu sen malgrandiĝo de la ambaŭflanka sekureco liberigas rimedojn por humanecaj celoj kaj malfermas la perspektivon transformi Eŭropon paŝo post paŝo en zonon de sekurigita paco.

*GDR-Revuo:* Kian signifon havus por la ĝenerala kaj kompleta malarmado tiaj efikaj disponoj, kiajn proponas la socialisma pacprogramo?

*Prof. Reutov:* Ni havas proverbon: Ĉiu komenco estas malfacila. Kaj la unuaj paŝoj en la pasintaj jaroj, la transiro de la malvarma milito al la malstreĉo, estis la plej malfacilaj. Kiel optimisto mi opinias, ke tiu procezo estos daŭrigata. Nia komuna tasko konsistas en tio, fari ĝin neinversigebla. Pro tio en la Pugwash-movado ni provos, per tuta nia energio ellabori sciencanteknikan bazon por tiurilataj interkonsentoj.

Nobelpremiito prof. Bernard T. Feld, Usono, prezidanto de la plenumkomitato de la konsilio de la Pugwash-movado

Mi estis unu el la unuaj okupiĝantaj pri la kampo de atomenergio, kaj mi kunlaboris kun la inventintoj de la nukleaj reaktoroj. Mi ĉiam opiniis, ke la sciencisto devas senti sin respondeca pri la evoluo, kiun li iniciatas. Ni devas esti certaj, ke neniam plu la aferoj estos uzataj por detruaj celoj. Ni esperas, ke la usona registaro kune kun la registaro de Sovetunio ne nur reduktu la kvoton de atomarmiloj, sed entreprenu ankaŭ pli seriozajn paŝojn por la nuklea malarmado. Aldone ni deziras esti certaj, ke la evoluigo de novaj amasdetruaj armiloj estos jam de antaŭe limigita.

(El: DDR-Revue 12/76)

trad. D-ro Karl Schulze, Berlin

# 1977: 60 jaroj Oktobro: perspektivoj por la paco




## Al la Ruĝa Oktobro

Ernst Wiechert

„Aŭrora" – matenruĝo klara,
Vi lum' al paco mondhomara!
Marx kaj Engels, la genioj,
Per profundaj teorioj,
„Manifesto Komunista",
Montris vojon el mizero laborista.
saĝa Lenin plifortigis
La ideojn kaj kunligis
Ilin kun praktiko nova
Al sistemo politika mova,
Gvidis kaj instruis anojn
Laboristojn, kamparanojn
Kaj soldatojn al batalo
Por forigo de servuta fifatalo.

„Aŭrora" – matenruĝo klara,
Vi lum' al paco mondhomara!
Milnaŭcentdeksep aŭtuna
En oktobro hele suna
Tondro sonis de kanono
Pafo sur „Aŭrora" – ŝtalferdek plafono.
Venkis la revolucio,
Venkis Lenin'a genio,
Venkis bravaj heroviroj,
Venkis glore bolŝevistaj pioniroj.
Laŭte flugis tra la mondo
La triumfa jubilondo.
„Pacon!" vokis tra l'aero,
„Pacon al popoloj de la tuta tero!"
„Aŭrora" – matenruĝo klara,
Vi lum' al paco mondhomara!

## Komenco

*El la libro de la Prezidanto de la Milit-Revolucia Komitato en Petrogrado Nikolaj' Iljiĉ' Podvojskij „La Jaro 1917"*

En la Vintra palaco ĉio estis finita. Mi ekrigardis al la horloĝo: La dua kaj kvarono post noktmezo.
Ordoninte plifortigi la gardistaron en la ĝenerala stabo, stabo de distrikto, ĉe ministerio de eksteraj aferoj, ĉefpoŝtejo kaj telefonstacio, mi direktis min al Smolnyj kun raporto al Lenin.
Laŭvoje al Smolnyj, pripensante, kiel mi raportos al Vladimir Iljiĉ' pri enorme da neimageble gravaj eventoj de la tago, mi antaŭĝuis, kun kia ravo estos min aŭskultanta Lenin.
Sed kiam mi preskaŭ enkuris en la ĉambron, kie troviĝis Vladimir Iljiĉ, mi trovis lin profunde enpensiĝinta. Li sidis ĉe tablo, sur kiu kuŝis paperfolietoj, kaj skribis. Lenin estis tiom profundiĝinta en la laboron, ke li ne rimarkis mian alvenon. Li preparis Dekreton pri tero. Aŭskultinte mian rakonton, kiun mi finis per vortoj: „Nun, Vladimir Iljiĉ, ĉio jam estas finita", – Lenin daŭrigis la laboron. Gardeme ĉirkaŭpreninte Vladimir' – on Iljiĉ kaj firme preminte lian manon, mi silente foriris el la ĉambro. Kaj nur poste mi ekpensis pri tio, kiom unuflanka estis la frazo – „Ĉio jam finita". La laboro de Lenin super la Dekreto atestis tion, ke por la proletaro kaj kamparanaro, por la bolŝevika partio nun komenciĝas ankoraŭ ne vidita en la mondo krea laboro.

## Pacon al la popoloj!

### El la Dekreto pri Paco 1917

La laborista kaj kamparana registaro, kreita de la revolucio la 24–25an de oktobro kaj apoganta sin je Sovetoj de laboristaj, soldataj kaj kamparanaj deputitoj, proponas al ĉiuj militantaj popoloj kaj iliaj registaroj komenci tuj traktadon pri justa demokratia paco.
Justa aŭ demokratia paco, kiun soifas absoluta plimulto da malsatantaj elsuferintaj kaj elturmentitaj de milito laboristoj kaj laboraj klasoj de ĉiuj militantaj landoj, – la paco, kiun en plej difinita kaj insista maniero postulis la rusaj laboristoj kaj kamparanoj post la renverso de la cara monarkio, – tia paco la registaro konsideras tujan pacon sen aneksoj (t.e. sen okupado de fremdaj teroj, sen perforta aligo de fremdaj popoloj) kaj sen kontribucioj . . .

El Dekreto pri paco, akceptita dum la vespera kunsido de la Dua Tutrusia kongreso de Sovetoj la 26-an de oktobro (La 8-an de novembro) 1917.

# Paco, malstreĉiĝo, malarmado

## Memoroj pri la IX-a Konsultiĝo

de Rudi Graetz

En la tempo de la 13-a ĝis la 18-a de decembro 1976 laŭ invito de la Komisiono por internaciaj rilatoj de sovetaj esperantistoj okazis la IX-a Konsultiĝo de la esperanto-organizoj de eŭropaj socialismaj ŝtatoj en Moskvo. Ĉin ankaŭ partoprenis delegitaro de CLE.
Tiuj konsultiĝoj servas antaŭ ĉio al la plifortigo de la kunlaboro de la esperantistoj en la socialismaj landoj en la senco de la batalo pro malstreĉiĝo, paco kaj malarmado.
La IX-a Konsultiĝo havis specifan signifon, ĉar ĝi estis dediĉita al la inda preparo de la 60-a jubileo de la venko de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio, kaj ĝi estis ankaŭ grava pro tio, ĉar ĝi pritraktis temojn kiel „La internacia situacio kaj la rolo de la progresema esperanto-movado en la pacbatalo, internacia kunlaboro kaj la realigo de la interkonsentoj de la Fina Akto de la konferenco en Helsinki 1975" kaj „Aktualaj problemoj de la esperantologio".
Kiam kiel knabo mi komencis korespondi, unu el miaj unuaj korespondamikoj estis krom nederlandanino kaj svedo la soveta esperantisto Krasniĉenko el Krasni Sulin. Kvankam senpartia li havis grandan influon je mia politika evoluo, ĉar fine de la dudekaj jaroj ĝis 1933 li skribis al mi pri la vivo en Soveta Unio. Jam tiam ne plu ekzistis senlaboreco en tiu lando, kiam la krizo produktis en la tiama Weimara Germanio milionan armeon de senlaboruloj, al kiuj ankaŭ mi longtempe apartenis. Kaj el liaj leteroj ankaŭ parolis la pacamo de la popoloj de Soveta Unio.
Miajn korespondamikojn en Nederlando kaj Svedio mi sukcesis viziti jam antaŭ 1933, sed vizito de Soveta Unio nur povis realiĝi por mi en la jaro 1967. Mi vizitis Moskvon kiel turisto. Intertempe mi jam kelkfoje estis tie kaj ĉiam denove min imponas la pulsanta vivo en tiu urbo. Jam la stratbildoj montras, ke en tiu lando ekzistas nek senlaboruloj nek mizeruloj nek krizo nek inflacio. Ĉie oni konstruas novajn hotelojn, novajn urbkvartalojn, novajn fabrikojn, novajn lernejojn, infanĝardenojn k.t.p. Ĉiujare la vivkondiĉoj pliboniĝas por la homoj ne nur en Moskvo sed en la tuta lando. Tiu evoluo bezonas pacon.
En Moskvo nin akceptis niaj sovetaj amikoj, kiuj dum la sekvaj tagoj ĉiumaniere bone prizorgis nin, kio meritas ankaŭ ĉi tie nian koran dankon.
La malfermo de la Konsultiĝo okazis en la Domo de la Amikeco. Ĝi apartenas al la Unuiĝo de la sovetaj asocioj por amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksterlando (SSOD). La prezidantino de la prezidio de tiu grava Unuiĝo estas Sinaida Michailovna Kruglova. La vicprezidanto de SSOD, M. M. Pesljak amike gastigis nin per komuna vespermanĝo en agrabla loko kaj la kandidato de historia scienco Rafael Rubenoviĉ Saakov, estro de informado kaj kultura fako de SSOD salutis dum la malfermo de la IX-a Konsultiĝo en la nomo de la prezidio de SSOD la eksterlandajn gastojn el Bulgario, ČSSR, GDR, Hungario, Polio kaj la delegitojn el Soveta Unio.
Dum la tuta tempo flanke de SSOD modele prizorgis la gastojn kaj organizis la konferencon A. V. Berjoza, samtempe respondeca sekretario de la Komisiono por eksterlandaj ligoj de esperantistoj.
Tre interesaj kaj valoraj por mi estis la pensoj kaj ideoj de la funkciuloj de SSOD.
Ĉi-tie mi nun ŝatus diri ion pri la taskoj de la sovetuniaj amikec-asocioj. Grandan signifon nuntempe havas la spertinterŝanĝo kaj la firmigo de reciprokaj rilatoj en ekonomio, scienco, kulturo kaj en ĉiuj sferoj de la socia vivo.
La socialisma ekonomia integriĝo kondiĉigas kvalite novan formon de la rilatoj en la kadro de la amikecaj asocioj. Grava politika aspekto de SSOD-laboro estas la aktiva subteno de la pacama kurso de la partio kaj la registaro de Soveta Unio. La batalo por la profundigo de la internacia malstreĉiĝo, por la finiĝo de la vetarmado kaj la malarmado, la malhelpo de perforto en la internacia praktiko kaj la forigo de militlokoj – ĉio tio estas batalo por la realigo de paca kunvivo de la popoloj, por ilia feliĉo kaj ekfloro.
Al la taskoj de SSOD kompreneble ankaŭ hodiaŭ apartenas la disvastigo de la vero pri Soveta Unio kontraŭ ĉiu kalumnio. En la kadro de SSOD ekzistas 64 sovetaj asocioj, societoj kaj institutoj de amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksterlandoj, kiuj havas ligojn kun 78 landoj: Inter ili asocioj kiel la societoj USSR – Aŭstralio, USSR – Japanio aŭ Soveta Asocio de amikeco kaj kulturaj ligoj kun la arabaj landoj aŭ kun la landoj de Latin-Ameriko kaj kompreneble ankaŭ asocio USSR – GDR. Krome en SSOD ekzistas fakoj kaj sekcioj; inter ili; literaturo kaj arto por infanoj, teatra arto, sovetaj juristoj, arkitekturo, bildiga arto, kinomatografio, medicino, muziko, scienco, pedagogio, foto, ligo inter sovetaj kaj eksterlandaj urboj, Komisiono por koordinigo de internaciaj rilatoj de Sovetaj Esperantistoj, Soveta Centro de Eŭropa Kultura Asocio, Konsilio de Junulara Komisiono.
Ne nur en Moskvo sed en ĉiuj sovetuniaj respublikoj ekzistas similaj aosciој

por amikeco kaj kulturaj rilatoj kun eksterlando.
Kaj krome ankoraŭ en ses urboj funkcias komitatoj de SSOD, t.e. en Leningrad, Irkutsk, Ĥabarovsk, Volgograd, Soĉi kaj Toljati. Ĉar ankaŭ la sovetaj esperantistoj laboras en la kadro de SSOD, certe ekzistas eblecoj por la evoluo de ilia eksterlanda laboro. La vicprezidanto de SSOD M. M. Pesljak inter alie diris al ni, ke venontjare aperos esperanto-lernolibro por ruslingvanoj en eldonkvanto de 50 000 ekzempleroj, ke baldaŭ aperos sovetunia numero de Paco kaj krome pluaj numeroj de la serio „Por la paco". Ankaŭ pluaj filmoj sinkronizitaj estos haveblaj.
Kompreneble en Moskvo ni ankaŭ parolis pri la multnombraj aktivecoj en rilato al la 60-a datreveno de la Oktobra Revolucio, kiuj donos la eblecon pli amplekse klarigi la pacpolitikon de la Soveta Unio kaj de la socialisma ŝtataro. Ĉefpunktoj de la aktivecoj de la Mondpaca Movado 1977 estas „La mondforumo de la pacfortoj" de la 14a ĝis 16a de januaro en Moskvo, kiu jam sukcese trapasis. Partoprenis ankaŭ la prezidanto de MEM, Nikola Aleksiev. Plue „La mondkunveno de la konstruantoj de la paco" en majo 1977 en Varsovio kaj la mondkonferenco „Religiemaj reprezentantoj por konstanta paco, malarmado kaj justecaj rilatoj inter la popoloj" en junio 1977 en Moskvo.
La mondforumo de la pacfortoj en Moskvo estis politika okazaĵo de granda signifo. Ĉeestis ĝin la plej diversaj politikaj fortoj kaj sociaj organizaĵoj inter ili tiaj gravaj internaciaj organizoj kiel UNO kaj UNESCO, reprezentantoj ne nur de komunistaj partioj sed ankaŭ de socialistaj kaj socialdemokrataj partioj, diversaj religiaj unuiĝoj de la budisma ĝis kristana packonferenco.
En Moskvo kunvenis homoj de la plej diversaj politikaj konvinkoj, kiuj estis gvidataj de unu komuna intenco – batali por la paco kaj firmigi ĝin. Per tio de tiuj estos fortirata la bazo de sub la piedoj, kiuj asertas, ke la malstreĉiĝo, la batalo por la paco kaj la paca unekzistado estus „komunista propagando". La forumo konstatis denove, ke la batalo por la paco estas la afero de ĉiuj popoloj, de ĉiuj naciaj politikuloj, de ĉiu tiuj, kiuj volas konservi la faritaĵojn de la homoj, faritaj per la diligenteco kaj inteligenteco kiel ankaŭ la naturon de nia planedo. La grandegaj rimedoj, kiuj nun ankoraŭ estas uzataj por armado povus esti uzotaj por granda efikeco por pacaj celoj, por la bonfarto de la homoj kaj la plialtigo de la kulturo. Nedisigeble ligitaj kun la malstreĉiĝo estas ankaŭ la problemoj de la scienc-teknika revolucio, de nova internacia ekonomia ordo kaj la homaj rajtoj.
Per helpo de SSOD ni ankaŭ havis la maloftan eblecon viziti la laborĉambron kaj la loĝejon de Lenin en Kremlo. Modestaj ĉambroj kaj modesta vivo, sed multaj libroj en la laborĉambro kaj en la privata ĉambro. Kaj nun de tie mi havas la konfirmon, ke en la privata biblioteko de Lenin ankaŭ troviĝas esperanto-lernolibro. Poste ni vizitis la Lenin-maŭzoleon.
La delegitoj al la IX-a Konsultiĝo intense laboris dum la labortagoj. Tial por ni estis speciala plezuro la renkontiĝo kun la moskvaj esperantistoj kun arta programo, kiun ankaŭ partoprenis moskvaj esperantistinoj per bonegaj voĉoj. Post la plaĉa programo ni kun ĝojo salutis malnovajn amikojn kaj babilis ankaŭ kun multaj junaj esperantistoj, kiuj bone regas la lingvon. Tro rapide forflugis la tempo en la belaj salonoj de la Domo de Amikeco, kie regis varma kaj amikeca atmosfero.
Kaj post multaj pluaj travivaĵoj kaj agrablaj horoj dum la tagoj de la Konsultiĝo venis la adiaŭo en la stacidomo. Malgraŭ malfrua vespero ĉeestis karaj kaj sindonaj geamikoj kiel geamikoj Danovskij, prof. Magomet Isaev, Vladimir Samodaj, Galina Staneŝnikova. Dankon al ili ĉiuj por la agrablaj tagoj en Moskvo kaj dankon ankoraŭfoje al SSOD.
Konkludante miajn impresojn en Moskvo sur la kampo de nia paclaboro, mi ankoraŭ povas diri: La popoloj de la Soveta Unio bezonas la pacon. Senlace Soveta Unio nun batalas kiel jam antaŭe por la realigo de la mondvaste rekonata pacprogramo. Tiu batalo de Soveta Unio kaj de la tuta socialisma ŝtataro kune kun ĉiuj progresemaj kaj pacfortaj donis grandajn pozitivajn rezultojn.
Kontente mi konstatas gravajn pozitivajn ŝanĝiĝojn en la internaciaj rilatoj. Tamen ni ne forgesu, ke en la mondo ankoraŭ ekzistas reakciaj fortoj, kiuj provas venenigi la internacian klimaton. Ili semas misfidon kaj kontraŭagas la malstreĉiĝon. La armado daŭras kaj la homaro estas en danĝero, se ni pensas, kiujn katastrofajn sekvojn tia pluarmado povus havi.
Ni unuigu niajn klopodojn, spertojn, konojn kaj nian volon por kontribui al la batalo por finigi la vetarmadon. Ni luktu por malarmado, por la subskribo de mondkontrakto por la neokazo de perforto en la internaciaj rilatoj kaj por garantii pacon kaj sekurecon por ĉiuj popoloj.

# Tridek jaroj – Faktoj pri Ĉeĥoslovakio

La broŝuro, kiun eldonis Ĉeĥa Esperanto-Asocio, prezentas sur malmultaj paĝoj la multnombrajn sukcesojn, kiujn atingis la ĉeĥoslovaka popolo dum la lastaj tridek jaroj. En la ĉapitroj „Ekonomiko" kaj „Scienco kaj tekniko" la leganto ekscias sufiĉajn, precizajn faktojn pri la evoluo de industrio, agrikulturo k.t.p. en la lando kaj pri la pli kaj pli kreskanta vivnivelo de la loĝantaro. Kiamaniere oni zorgas pri la homoj, priskribas la ĉapitro „Sociala sekureco". Sciindaĵojn enhavas ankaŭ la ĉapitro „Publika instruado kaj kulturo", kiu prezentas la lernejsistemon kaj informas pri ĉiuj formoj de kultura agado. Por multaj legantoj estas certe interese legi pri Ĉeĥoslovakio kiel „Lando de turismo". Kvankam koncize, oni tamen atentigas pri kelkaj naturbelaĵoj de la lando kaj dediĉas sufiĉan lokon al la mondfamaj ĉeĥoslovakaj banlokoj. Por ni, esperantistoj, estas tre interesa la ĉapitro „Mallonge pri la Esperanto-movado en Ĉeĥoslovakio". En ĝi sur ses paĝoj estas prezentataj la sukcesoj kaj atingoj de la Esperanto-movado dum la lastaj tridek jaroj. Ni vidas, ke estas multo, pri kio niaj ĉeĥoslovakaj amikoj pravas fieri. 20 fotopaĝoj kompletigas la broŝuron je la fino.
Atente legante la tekston, oni trovas vicon da nekorektaĵoj en la tradukita parto. Estus preferinde klarigi kelkajn uzitajn mallongigojn (ekzemple: ĈMLK) kaj esprimojn kiel „Februaro", ĉar tiuj eksterlandanoj, kiuj ne havas vastajn konojn pri Ĉeĥoslovakio, ne tuj scios, pri kio temas.
La broŝuro estu rekomendata al ĉiuj, kiuj volas ekscii ion novan aŭ profundigi siajn konojn pri Ĉeĥoslovakio, kaj ĉefe al grupoj, kiuj povus uzi ĝin kiel bonan bazon por aranĝi interesan grupvesperon pri tiu ĉi lando.

Dieter Berndt

## Libro en 14 lingvoj, inter ili Esperanto

Aperis G. Hoyer/U. Hoyer: Ärztlicher Dolmetscher (Kuracista tradukisto), Eldonejo Johann Ambrosius Barth, Leipzig, 1976, 262 p., en la lingvoj: araba, bulgara, germana, angla, *Esperanto*, franca, itala, pola, rumana, rusa, sveda, hispana, ĉeĥa, hungara. Prezo: 25 markoj. La libro servas kiel tradukhelpo por interparolo inter kuracisto kaj paciento en kazo de subita malsaniĝo aŭ akcidento en fremdlanda ĉirkaŭo.

# Pinochet! Kie estas niaj familianoj?

*Per la liberigo de Luis Corvalan la internacia movado por solidareco atingis signifan venkon. Ĝi donas al ĉiuj progresemaj homoj en la mondo forton kaj fidon daŭrigi pli aktive la batalon por savi la malaperigitajn ĉiliajn patriotojn. Ĉiam ankoraŭ miloj da homoj estas elmetataj al la arbitreco de siaj turmentantoj. La sekva maltrankviliga raporto atestas, ke miloj da patriotoj ankoraŭ nun troviĝas en la ungegoj de DINA. Tiuj atestoj de teroro estas alvoko al ni ĉiuj ne ĉesi la lukton por la vivo kaj la libereco de ĉiuj malaperigitaj ĉilianoj.*

## Raquel Almarza Pensa pri la malaperigo de sia filino

La 19-an de novembro 1974 ĉirkaŭ la 16-a horo ĝendarmoj arestis mian filinon Ida antaŭ ŝia loĝejo en Santiago, urbodistrikto La Reina, strato Joaquin Godoy n-ro 315. Hejmenveturante ŝi troviĝis dum tiu tempo en akompano de aliaj personoj en aŭto de kolego. La policistoj, el kiuj kelkaj estis civilvestitaj, haltigis ŝin kaj perforte fortrenis ŝin. La gazetaro raportis pri tiu ĉi okazintaĵo, sed la nomo de mia filino ne troviĝis en la listo de arestitoj, kiun publikigis la gazetoj en Santiago. La personoj, kiuj arestis mian filinon, iris poste al la loĝejo de ŝia kolego, arkitekto s-ro Canobra, kaj arestis ankaŭ lin, post kiam ili konstatis, ke al li apartenis la aŭto.
En la sama tago posttagmeze ni ricevis anoniman pertelefonan alvokon, per kiu oni sciigis al ni, ke Ida estis arestita kaj vundita dum interpafado, kiu okazis en la urbodistrikto La Reina kontraŭ ŝia loĝejo. En la nokto de la sama tago kvin civilvestitaj personoj venis en mian loĝejon, kiuj legitimis sin kiel anoj de la sekurecservo de la ĝendarmaro, kaj pridemandis mian edzon, miajn du filinojn, mian fratinon, mian nevinon kaj min por ricevi informojn pri mia filino Ida.
En la sama nokto oni enpenetris dum la horo de elirmalpermeso en la loĝejon de mia patrino, kie mia filino loĝis ĝis oktobro 1974. Ili traserĉis ĉiun ĉambron kaj restis tie du ĝis tri tagojn. Pri tio rakontis najbaroj de mia patrino. Al ni, kiel gepatroj kaj familianoj de Ida, oni rifuzis ĝis nun ĉiun informon pri ŝia restadloko kaj sanstato. Mia filino Ido estis 32 jaraĝa, kiam oni arestis ŝin.

## Virginia Zuniga Zabala pri la malaperigo de sia edzo

Kvin civilvestitaj personoj kun mitraleto enpenetris en nian domon la 17-an de septembro 1974 je la $1^{30}$ horo matene. Kiam ni petis ilin pri iliaj legitimiloj, ili klarigis, ke ili estas membroj de la militista sekurecservo. Al mia fratino, kiu malfermis al ili la pordon, ili alkroĉis mankatenojn kaj ĵetis ŝin teren. Poste ili ligis al mia edzo la manojn sur la dorson. La agentoj kondukis mian edzon en la kuirejon kaj ordonis al li „eldoni la pafilojn". Mi aŭdis la dolorkriojn de Manuelo kaj rapidis en la kuirejon. Kiam la persekutistoj min vidis, ili ĉesis lin bati. Dume du el la enpenetrintoj ĝisfunde traserĉis la domon. Ĉar ili ne povis trovi ion suspektindan, ili kunprenis senhezite miajn librojn kaj eĉ kelkajn parfumojn, kiuj kuŝis sur la tablo. Ili klarigis, ke ili devas kunpreni kun si mian edzon pro formala pridemandado, ĉiujn informojn pri la okazintaĵoj de la nokto oni sendos la venontan tagon al la komandantejo de la garnizono en Santiago, kaj mia edzo certe revenos post unu aŭ du tagoj. La aŭto, per kiu ili alveturis, estis ruĝa liveraŭto de la tipo chevrolet C 10 kun malhela tegmento kaj kun la numero EM-965. Ke mi ĝuste rememoris tiun ĉi numeron, mi povis pli poste ankoraŭfoje kontroli, kiam mi hazarde ekvidis sur la strato unu el la civiluloj, kiuj forkondukis mian edzon. Li estis la ŝoforo de la priskribita liveraŭto.
Mia edzo estis 22 jaraĝa, kiam oni arestis lin. Li laboris kiel vendisto en la eldonejo Roble de Chile Ltda. De post tiu ĉi 17-a de septembro mankas de li ĉiu ajn spuro. Ĉiuj provoj, ekscii ion pri lia sorto, fiaskis.

(El „Horizont" 1/77)

tr. Renate kaj Dieter Berndt

## Nomoj de kaŝe forportitaj ĉiliaj intelektuloj:

*La instruistoj:* Fernando Guyana
Luis Emilio Maturana Gonzales
Arturo Barria Araneda
Maria Arriaganda Jerez

*La inĝenieroj:* Alfredo Rojas Castanoda
Juan Porolman Ido
Sergio Rayos Navarrete

*La arkitektoj:* Ida Vera Almarza
Yactong Juantok Guzmán
Luis Guondolman Wisniak
Francisco Aedo Carrasco

*La kuracistoj:* Carlos Godoy
Ivan Insunza

*La publicisto:* Bernardo De Castro López

*Skribu hispane al:*

Commission of Human Rights
United Nations Office at Geneva
**CH-1211 Geneva 10**
Switzerland

General Augusto Pinochet
Junta Militar de Gobierno
Edificio Diego Portales
**Santiago/Chile**

*Dónde estan los desaparecidos?* (Kie estas la malaperigitoj?)

*Exigimos información sobre!* (Ni postulas informojn pri ilia sorto!)

*Devolved los desaparecidos vuelvan a sus familias.* (Redonu al la familioj la forportitojn)

*Libertad para los demás patriotas detenidos en Chile!* (Liberecon por ĉiuj enkarcerigitaj ĉiliaj patriotoj!)

**Bertolt Brecht**

# Infana kruciro 1939

En tridek naŭ, en Pollando
Okazis sanga batal'.
Kaj multaj urboj, vilaĝoj
Detruiĝis ĝis disfal'.

En l'arme' la fratino la fraton
Perdis, la edzon l'edzin'.
En fajraj ruinoj l'infanon,
La gepatroj serĉis ĝin.

El Pollando nenio plu venis,
Nek leter', nek gazeta raport'.
Sed en orientaj landoj
Estas dir' pri stranga sort'.

La neĝo falis, kiam
ekcirkuladis la dir',
Ke ie komenciĝis
En Pollando infana krucir'.

Malsate infanoj marŝetis
plurope laŭ stratoj sen fin',
Kunirigis aliajn el lokoj
De morto kaj ruin'.

Ili volis eskapi batalojn,
La militan inkubon sen hont',
Kaj veni iun tagon
En landon kun paca estont'.

Jen estis eta gvidanto.
Kuraĝon al ili li donis.
Li havis grandan zorgon:
La vojon li ne konis.

Knabino kunportis infanon,
Kvar jarojn havis ĝi.
La knabin' havis ĉion patrinan,
Nur pacan landon ne havis ŝi.

Malgranda judo kunmarŝis
Kun kolumo el velur'.
Li venis el noblaj rondoj,
Sed sin tenis kun bravur'.

Kaj kuniris maldika grizulo.
Restis ĉiam aparte li.
Jen lia kulpo: li venis
El nazia legaci'.

Muzikist' inter ili trovis
Tamburon en detruita butik'.
Li ne povis per ĝi tamburi:
Tio estus perfid' al publik'.

Kaj jen estis ankaŭ hundo.
Ili kaptis ĝin por buĉad'.
Sed ili kunprenis ĝin plue,
Ĉar ekestis en ili kompat'.

Jen estis ankaŭ lecionoj
Kaj instruisto kun kria grimac'.
Kaj lernant' sur pafita tanko
Lernis skribi ĝis „La pac' . . ."

Kaj ankaŭ koncerto okazis:
La bruado de vintra rojo
Permesis al iu tamburi,
sen esti aŭdata – ho ĝojo!

Ekestis ankaŭ amo.
Dek du ŝi kaj dek kvin li.
En pafdetruita korto
Liajn harojn kombis ŝi.



Ne povis daŭri la amo.
Tro granda fariĝis malvarm':
Kiel do ekfloru arbetoj
Sub dika neĝera svarm'?

La knabon kun velura kolumo
Ili devis transdoni al tomb',
Du germanoj kaj du poloj
Tien portis lin sen pomp'.

Protestant', katolik' kaj nazio
Al la ter' enmanigis lin.
Pri l'estonto de la vivantoj
Komunist' eta parolis je l'fin'.

Ili havis ja fidon, esperon,
Sed ne viandon kaj panon.
Ne riproĉu ilin pro ŝtelo,
Kiu ne helpe etendis la manon.

Ne riproĉu al la povrulo
Ne gastiganta ilin mem.
Por duona cento necesas
Faruno, ne oferem'.

Vi facile pretas por helpo,
Se vi trovas du aŭ eĉ tri.
Sed se estas tiom multaj,
La pordon fermas vi.

En dispafita bieno
Farunon ili trovis.
Dekunujarulin' tuj ekagis:
La bakadon sep horojn ŝi provis.

Oni bone la paston kirlis,
Fajroligno estis bone hakita.
La pano tamen ne ŝvelis:
Ne ĝuste ĝi estis bakita.

Ili scias, ke estas sudo
Tie, kie la suno staras
Tagmeze je la dekdua.
Tien ili la vojon faras.

Ili trovis eĉ iun soldaton
Vunditan sub densa pin'.
Ili flegis lin dum sep tagoj,
Pri la vojo demandis lin.

Li diris al ili: Al Bilgoray!
Li certe en febro dronis.
Li forpasis je la oka tag'.
Ankaŭ al li ili tombon donis.

Kaj jen estis vojmontriloj,
Kvankam per neĝo kovritaj.
Ne plu ili staris en ĝusta direkto,
sed estis erare turnitaj.

Ne fariĝis tio pro ŝerco,
Sed pro militista neces'.
Ne troveblis tiu Bilgoray
Malgraŭ ĉiu fortoelspez'.

Ili staris ĉirkaŭ la gvidanto.
En l'aeron li gapis, ien,
Kaj montris per malgranda mano
Kaj diris: Ni iru tien.

Foje nokte fajro videblis.
Ili tiun intence evitis.
Foje preterruliĝis tri tankoj,
En ili homoj sidis.

Foje urbo estis proksima.
Ili marŝis en granda kurb',
Kaj marŝis nur dum la nokto,
Ĝis kuŝis post ili la urb'.

En sudorienta Pollando
Dum venteg' surneĝanta la vojon
La kvindek kvin infanojn
Oni vidis la lastan fojon.

Se mi la okulojn fermas,
Mi vidas migradon ilian,
Por post detruita bieno
atingi detruitan alian.

Super ili, en nuboj, mi vidas
Aliajn amasojn, grandajn,
Senhejmajn, kontraŭ malvarmaj
ventoj
Kaj sendirekte irantajn.

Ili serĉas la landon kun paco,
Sen tondro, pafad' kaj ruin',
Ne similan al la ĝis-nuna.
Kaj l'amaso kreskas sen fin'.

Tra l'krepusko al mi ŝajnas,
Ke la sama ne restas ĝi:
Hispanajn, francajn, flavajn
Vizaĝetojn vidas mi!

En Pollando en ĉi januaro
Hundo estis kaptita,
Sur kies kolo estis
Kartontabulo fiksita.

Oni legis: Pro helpo ni petas!
Pri la voj' al ni mankas la sci'.
Kvindek kvin entute ni estas.
La hund' vin kondukos al ni.

La hundon tuj forpelu,
Se ne povas veni vi.
Kaj ĝin ne pafmortigu:
Nian restadon scias nur ĝi.

Infana estis ĉi skribo.
Kampuloj legis ĝin iam.
Estis antaŭ una jar' kaj duono.
La hund' malsatmortis jam tiam.

Trad. D-ro Karl Schulze, Berlin

# La nuda vero

D-ro Georges Salan: La Nuda Vero – Originala raporto pri propraj travivajoj en naziaj koncentrejoj 1944–1945: Nimes (Francio) 1975: 188 paĝoj.

La aŭtoro, kuracisto kaj esperantisto, prezentis sian raporton franclingve en la jaro 1946, do mallonge post sia reveno el Germanio, kien li estis deportita pro sia agado en la franca rezistmovado. Nur okaze de la 30-a datreveno de la Hitler-faŝista malvenko li decidis aperigi esperantlingvan adaptaĵon de la originala raporto.

La aŭtoro priskribas siajn travivajojn survoje al kaj en la koncentrejoj de Neŭengamme, Braŭnschweig, Salzgitter-Wattenstedt kaj Ravensbrück kaj dum la liberigo kaj reveno je la fino de la milito. Escepte de la unuaj semajnoj kaj la lastaj tagoj li travivis tiun tempon en kuracista funkcio, kio ebligis al li specialan, profesie kondiĉitan rigardon al siaj kun-arestuloj kaj ties sortoj. En la prezentado de siaj observoj kaj travivaĵoj, kiu distingiĝas per riĉa faktaro kaj multaj detaloj, li klopodis eviti ĉian emocion kaj preferis sobran, kelkfoje preskaŭ medicine sciencan manieron de rakontado. Per tio la leganto estas pleje informita ne senpere, sed kvazaŭ nur pere de medicina respeguliĝo pri la senmezuraj suferoj, la sentoj kaj sintenoj de la arestuloj. Sed malgraŭ tiu sobreco la leganto baldaŭ sentas la emocian skuiĝon de la aŭtoro kaj lian malamon al ĉio faŝisma, brutala, nehoma, kion li spertis ĉirkaŭe de si.

La raporto nur malofte okupiĝas pri la germanaj faŝistoj kiel mastroj de la koncentrejoj, sed pli ofte kaj pli detale pri tiuj arestuloj, kiuj okupis barakarajn funkciojn kiel blokĉefoj, ‚kapoj' kaj ĉambrodejorantoj. Pri ili la aŭtoro spertis kaj tial rakontas nur malbonon. Do ne estas mirige, ke lia juĝo pri ili estas pure kondamna. Ĉar laŭ la aŭtoro tiuj funkcioj estis okupitaj nur de germanaj kaj polaj arestuloj, li ne povas ne malkaŝe esprimi sian ege negativan sintenon al arestuloj de tiuj naciecoj, ne ekskludante eĉ sian polan kuracistan kolegon. Tiu negativa sinteno montriĝas ankaŭ en la aserto de la aŭtoro, ke la laboro en la koncentrejoj estis ekspluatado de arestuloj fare de arestuloj. Sendube la aferoj prezentiĝis ĝuste tiel al la aŭtoro, sed el aliaj fontoj estas konate, ke en ĉiuj naciecoj troviĝis arestuloj unuflanke karaktere fortaj kaj politike klarvidaj kaj aliflanke senskrupule egoismaj kaj pretaj ku-

nagadi kun siaj faŝistaj mastroj. Do, se la aŭtoro surbaze de siaj spertoj opiniis ĝusta tian ĝeneraligan negativan pritakson de siaj germanaj kaj polaj kun-arestuloj, la kaŭzoj por tia fenomeno probable devas esti serĉataj en lia relativa izoliĝo pro lia kuracista funkcio, aŭ en la ofta ŝanĝo de la koncentrejoj, faktoroj, kiuj eble malhelpis kontaktojn kun progresemaj arestuloj el ĉiuj naciecoj inkluzive la germanan kaj polan.

Tiu ĉi indiko al certaj subjektivaj flankoj en la raporto tute ne tuŝas la valoron de la raporto, kiu ĝuste pro la speciala vidpunkto de la aŭtoro prilumas la temaron de la faŝista barbarismo en la koncentrejoj per nova koloro. Entute la raporto estas ege leginda kaj pro sia riĉa faktaro nepre rekomendinda al ĉiuj, kiuj deziras informiĝi pri la naziaj koncentrejoj.

Kio koncernas la Esperantan tradukon, ĝia lingva nivelo estas karakterizita per la fakto, ke la sekretario de la Akademio de Esperanto, Roger Bernard, kontrolis ĝin. La lingvaĵo estas flua kaj facile komprenebla, kvankam kelkfoje tro ŝarĝita per medicinaj terminoj. Krome la atenton frapas la fakto, ke ofte la aŭtoro-tradukinto preferis nekutimajn vortojn kaj vortsencojn al internacie kutimaj, ekz. alvokoplaco (apelplaco), kuproj, vent, instrumentoj (ladblovinstrumentoj), kampo (barakaro, koncentrejo), servuto, servutulo (servo, deĵoro resp. servisto, deĵoranto), bildigi sin (imagi), sanecvagono, -personaro (sanitara vagono, personaro), strekita (striita) ktp. Krome oni rimarkas necertecojn rilate al la transitivieco de verboj (izoligi, distingigi anstataŭ izoli, distingi). Fine al la ĉiam uzata epiteta participo ofte estus preferinda la predikativa participo (ekz. „... virinoj, kiujn mi vidis trapasantajn" prefere: „... kiujn mi vidis trapasantaj" aŭ simple: „... kiujn mi vidis trapasi").

Sed tiuj detaloj ne malpliigas la legeblecon kaj legindecon de la raporto, kiu entute estas valora ero en la vico de informaj publikajoj en Esperanto.

D-ro Karl Schulze, Berlin

---

## „Trigroŝa Romano" en Esperanto

La „Trigroŝa Romano" de Bertolt Brecht aperos 1977 en Esperanto. La mondfama romano ampleksos ĉirkaŭ 400 paĝojn kaj kostos ĉ. 4 dolarojn.

Antaŭmendojn akceptas Edition Leipzig, 701 Leipzig, Postfach 340, kaj Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, DDR – 108 Berlin, Charlottenstrasse 60.

Mendu tuj!

# Esperanto en la koncentrejo

Kiam finiĝis la hispana naciliberiga milito, kiam estis pereinta la hispana demokrata respubliko, ni, batalintoj sur ĝia flanko, venis sur francan teritorion kaj tuj estis transportataj en koncentrejojn. Mi ne volas rakonti pri la travivaĵoj en la tieaj cirkonstancoj, sed deziras nur mencii tion, kio rilatis al la korsentoj de esperantisto, al nia ŝatata lingvo Esperanto.

Kelkaj esperantistoj komencis serĉi inter la miloj da koncentrigitoj samideanojn. Ni fondis viglan grupon, kiu atingis fine la nombron de 49 personoj el multaj nacioj. Ni skribis murgazeton, por informi la neesperantistajn kamaradojn pri la Internacia Lingvo, kaj la sukceso baldaŭ montris sin: ni povis en du kursoj instrui al 70 partoprenantoj. Post nelonga tempo ni ankaŭ havis kontakton kun francaj esperantistoj, kiuj nin subtenis per lernlibroj, kajeroj, krajonoj kaj aliaĵoj.

Poste venis la Dua Mondmilito kaj en la suda parto de Francio, tiam neokupita de la germana armeo, en Vichy establiĝis la registaro de generalo Petain, kiu kunlaboris kun la okupaciintoj. El tio rezultis la elliverado de germanaj politikaj kaptitoj al Hitler.

Tiamaniere atingis grandega transporto la 1an de majo 1941 la koncentrejon Dachau en Bavario. Post kelka tempo, spertinte tie la danĝeran vivon, ni konspire komencis funkciigi Esperantogrupon. Inter ni ja estis sufiĉe granda nombro de aŭstriaj esperantistoj, kiuj en Hispanio batalis kontraŭ Franko: la kameradoj Jaritsch el Ischl, Haider el Graz, Doller el Karintio, du fratoj Pfeifer el Innsbruck, Keller el Salzburg kaj aliaj, kies nomojn mi ne plu memoras. Kaj ni serĉis kaj serĉis inter la alinacianoj, kaj fine ni trovis esperantistojn el Polio, Germanio, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Jugoslavio, Sovetio kaj Nederlando. Tiu grupo konsistis el reprezentantoj de ĉiuj mondkonceptoj, opoziciaj al la Hitlera faŝismo: komunistoj kaj pastroj, apud socialisto staris mahometano. Germanoj kaj poloj, komunistoj kaj socialistoj, katolikoj kaj mahometanoj iĝis fratoj, kaj nia solidara interhelpo ofte savis al ni la vivon. Kompreneble ni ne povis agi publike. Vespere, post la laboro, ni promenis du, aŭ triope inter la barakoj, babilante kaj praktikante nian lingvon. Ĉiutage la kamaradoj ŝanĝis la kunulon. Ni skribe produktis Esperantan informilon, kiu pasis de mano al mano.

Venis transporto de pli ol 2 000 polaj pastroj. Post kelkaj semajnoj de tiu nombro restis nur 55. Inter ĉi tiuj estis samideano Klimowicz. Sen prokrasto mi intertraktis kun la estro de la „laboroficejo" de la kaptitoj, kompartiano, kaj per lia helpo Klimowicz povis esti venigata al mia laborejo. Per tio mi fakte savis lian vivon. Dudek jarojn poste ni revidis nin en Vieno, kaj li multe dankis min pro mia helpo. En januaro 1945 venis granda transporto de alia koncentrejo, evakuita pro la proksimiĝo de la orienta fronto. Ni preparis afiŝon kaj fiksis ĝin sur unu el la barakoj, en kiuj oni loĝigis ĝin. „Esperantistoj, renkontiĝu je la 19a horo ĉe barako 81", estis skribite.

Je la destinita horo ni atendis por renkonti la novulojn, sed neniu venis. Nur la konataj vizaĝoj de kelkaj samideanoj nesuspektigte ĉirkaŭrigardis. Subite venis SS-ulo kaj demandis en bona Zamenhofa lingvo: „Kiu parolas la lingvon Esperanto?" Kuraĝe mi proksimiĝis al li kaj diris, duone germane, duone Esperante: „Jawohl, Herr Hauptsturmführer, mi parolas Esperanton!" Li fortiris min plurajn paŝojn kaj diris: „Trairante la barakaron, mi trovis la afiŝon. Ĝoju, ke mi vidis tiun afiŝon. Se alia SS-ulo estus trovinta ĝin, mi ne scias, kio estus okazinta. Gardu vin estonte kaj laboru pli kaŝe. Mi estis ano de la Esperanto-grupo en Nürnberg, antaŭ 1933." Li foriris, – kaj mi ne plu vidis lin. Tiuj epizodoj pruvas, ke ankaŭ en danĝera, malhumana epoko oni povas esti fidela al noblaj idealoj.

Francisko Haiderer
(Aŭstria Esperanto-Revuo 1975/10–12)

# Aktiveco de esperantistoj en koncentrejo Dachaŭ

Estis ege frosta vintra tago la 6-an de januaro 1944, kiam el ĉiuj arestejoj de Ljubljana oni koncentrigis politikajn arestitojn en la stacidomo de St. Vid, tiam antaŭurbo de Ljubljana, pro la transporto al Dachaŭ. Oni plenŝtopigis po kvindek homojn en unu ŝarĝvagonon kaj oni formis longan transporttrajnon kiu malrapide moviĝis al Germanujo.
Post du tagoj kaj unu nokto da turmentplena vojaĝo ni fine plene elĉerpitaj atingis la stacion de la urbeto Dachaŭ. Tie nin jam atendis taĉmento da gestapanoj kun hundoj je katenoj kaj ili envicigis nin. Por ke la afero rapidiĝu helpis la batoj per fusilkolboj kaj mordoj en la krurojn de dresitaj hundoj. Tia eksperimentado kun kriado ripetiĝis de la stacidomo ĝis la ĉefpordo de la koncentrejo.
La ĉefpordo larĝe malfermiĝis kaj ni eniris. Post ni la pordo denove fermiĝis. Al multaj por ĉiam! La unua impreso estis, ke de ĉiuj flankoj minacas – la morto: de elektrodrato ĉirkaŭ la tuta koncentrejo, el la gardturoj lokitaj malantaŭ tiu drato, el la kamentuboj de krematorioj, el barakoj kaj de Gestapo.
Tuj post la alveno oni apartigis nin kaj lokigis en la ĉambrojn de granda barako: 300 internigitojn oni metis en ĉiun ĉambron, kvankam la ĉambroj estis konstruitaj por 120 homoj. Nia barako estis transira. Tie ni devos unue kvaranteni.

Grafikajo: Frans Masereel.
Foto: Zentralbild



Intertempe oni nin tute senvestigis kaj forprenis niajn vestaĵojn kaj tolaĵojn kaj ŝanĝis ilin per apartaj koncentrejaj, sur kiuj ni devis alkudri ruĝan triangulon (politikaj internigitoj) en kiu troviĝis la litero de la lando (Y). Samtempe ni ricevis ankaŭ numeron de internigito, kiu akompanis nin dum la tuta restado en Dachaŭ. La numeron ni devis alkudri al la jako kaj pantalono. Kiam tiuj formalaĵoj estis pretaj, ni estis „liberaj" kaj povis promeni en la vojeto antaŭ la barako; eliri la barakaron estis plej severe malpermesite. Sed, ĉar ekstere regis tre akra vintro, ni restis interne en la barako kaj babilis. Plejparte en nia ĉambro estis Slovenoj, laboristoj kaj kamparanoj kaj ankaŭ pluraj intelektuloj. Malgranda grupo decidis, ke ni eluzos liberan tempon por klerigi niajn homojn per prelegoj, rakontoj, spritaĵoj kaj alimaniere. Mi mem esprimis pretecon prelegi pri Esperanto kiel progresiga helpilo dum la vojaĝoj.
Ĉiuj tri cent internigitoj de la ĉambro kolektiĝis kaj okupis la tabulkuŝejojn de la ĉambro. En mia prelego mi ne volis simple propagandi Esperanton, sed mi montris al la aŭskultintoj la praktikan servon de Internacia Lingvo dum mia vojaĝo tra Baltiko. Mi prezentis la reton de delegitoj de UEA; la valoron de Esperanto por la homo scianta neniun fremdan lingvon.
Per tiu ĉi prelego mi entuziasmigis la homojn tiel, ke ili volis pliajn tiajn prelegojn. La apuda ĉambro postulis, ke mi la saman prelegon prezentu ankaŭ en ilia ĉambro, kion mi, kompreneble, ankaŭ plenumis.
Sed amikoj atentigadis min, ke tio, kion mi entreprenis estas tre danĝera; oni povus konsideri ĝin sabotago. Mi ne timis, al mi jam estis tute egale, sed tamen mi rifuzis pluen prelegi en la tria kaj kvara ĉambroj, precipe pro tio ĉar en tiuj ĉambroj estis diversnacianoj. Estis multaj Rusoj, Ĉeĥoj, Francoj, eĉ Germanoj kaj aliaj . . .

## Esperantista rondeto

Kolegoj ĉiam pli kaj pli rakontis al mi, ke ekzistas en aliaj barakoj ankaŭ unuopaj esperantistoj. Kaj mi fariĝis scivolema. Unue mi sukcesis starigi kontakton kun bona aŭstra esperantisto laboristo Heiderer. Li estis hispana batalinto, havis malaltan koncentrejan numeron kaj estis antaŭmilita funkciulo de Laborista E-movado. Ni priparolis kiamaniere kolekti ankoraŭ aliajn esperantistojn kaj organiziĝi pro la plua laboro. Ni du baldaŭ kolektis ankoraŭ la polan monaĥon Klimoviĉ, la ĉeĥan pastron Pokorny, la Ruson Fulda. Aliĝis al ni ankoraŭ Bulgaro Darev kaj Jugoslavo Vrtunski el Novi Sad.
Ni ĉiuj kunvenis (la daton mi ne plu memoras) kaj decidis fondi Esperantan rondeton. Ĉar mi rifuzis ĉiujn funkciojn, ni elektis kiel prezidanton k-don Heiderer kaj kiel sekretarion s-anon Klimoviĉ, aliajn funkciulojn ni ne bezonis, ni aliaj estis kunlaborantoj.
La programo de la rondeto estis ligi esperantistojn en la koncentrejo kaj helpi ilin laŭpove. Krome organizi pli signifajn aranĝojn kaj propagandi la lingvon, kaj movadon.
La starigitan programon ni plenumadis bone. Ĉiun dimanĉon, kiam ni estis liberaj, ni kunvenadis sur koncentreja strato kaj parolis en Esperanto. La ceteraj internigitoj jam bone konis nin kaj ili estis pretaj helpi kaj gardi nin. Esperantistoj estis inter si tre solidaraj. Al mi ekzemple ili prezentis grandan servon, kiu savis min de la transporto al ŝtonrompejo, respektive al alia peza manlaboro. Ĉar mi ne havis profesion kiu estis necesa al la germana militindustrio, mi restis en la koncentrejo sen destinita laboro. Tiajn „senlaborulojn" Gestapo grupigis kaj sendis tien, kie oni bezonis la mankantan laborforton. Mi tuj petis helpon de esperantistoj el pastra barako. Jam dum kelkaj horoj ili prizorgis al mi konstantan okupon en plantejo por kuracplantoj kie mi estis ŝirmita antaŭ la transporto.
Nia grupo aranĝis ankaŭ memortagon honore al la mortotago de d-ro L. L. Zamenhof en la barako de pastroj la 14-an de aprilo. Per recitoj de Zamenhofaj poemoj, parolado pri Zamenhof kaj kanto de la himno ni modeste memorigis la genion de la aŭtoro.
Kiam jam proksimiĝis la fino de suferado kaj neniu sciis ĉu li eltenos aŭ ne, kreskis nia grupeto, aliĝis al ni Francoj, Belgoj, Nederlandanoj kaj aliaj nove alvenintaj viktimoj. Je la fino ni ne plu estis kapablaj pensi pri io alia ol savo de la ostigita korpo.
Je liberiĝo ni disiĝis sen adiaŭo.

(El „Honore al ili", Zagreb 1976)
Joĵe Kozlevĉar
internigito en Dachaŭ n-ro 61058



S. Podkaminer

# SOCIALISMO KAJ INTERNACIA LINGVO

## 1. Ideoj kaj ilia efektivigo

La titolo de tiu ĉi artikolo povas elvoki ĉe iu leganto demandon: ĉu necesas tiu ĉi temo? Ĉu internacia lingvo, kiel unu el interhomaj komunikiloj, same kiel la aliaj poŝto, telegrafo, telefono, radio aŭ televido, ne ludas la saman rolon en ajna socio ĉu socialisma, ĉu kapitalisma, ĉu iu alia? Simila vidpunkto, se ĝi aperus, estus malĝusta.

Ĉiu socia fenomeno ludas malsaman rolon sur diversaj evoluŝtupoj de la homa socio. La ideoj pri iuj eltrovaĵoj kaj inventoj havas malsaman sorton en diversaj homsocioj. Analizante la efektiviĝon de la ideoj, kiuj aperis dum la tuta historio de la homaro, estas facile trovi, ke unuj el tiuj ideoj estis realigitaj baldaŭ post ilia apero; aliaj bezonis por ilia efektiviĝo longajn periodojn, iufoje cent aŭ eĉ mil jarojn; kelkaj ideoj, kvankam jam delonge aperintaj, ĝis nun ne estas realigitaj kaj ili ofte fariĝas objektoj de akra kaj eĉ sanga lukto inter adeptoj kaj kontraŭuloj de tiuj ĉi ideoj.

La ideo de homa flugado estas unu el antikvaj ideoj. Prahomo, vaginta en arbaregoj, renkontadis netransireblajn abismojn. Sed samtempe li observadis, kiel birdo, uzante siajn flugilojn senpene kaj facile, transflugas la abismojn. Estis nature, ke ĉe la prahomo aperadis ideo de ekposedo de la flugpovo. Tiu ĉi ideo aperadis ĉe diversaj popoloj en antikvaj tempoj kaj respeguliĝis en granda nombro da mitoj kaj fabeloj, kiel ekzemple, la fabelo pri flugantaj tapiŝoj. Antikvaj grekoj postlasis la miton pri Ikaruso, kiu alkroĉinte per vakso cignajn flugilojn al siaj ŝultroj, flugis al la suno. Sed la sunradioj degeligis la vakson, Ikaruso falis kaj mortis. Pasis multaj jarcentoj kaj nur en la fino de la XIX-a jarcento (aerbalonoj) kaj plej amplekse, jam en la XX-a jarcento flugado pere de aviadiloj, pli pezaj ol aero, ne nur efektiviĝis, sed fariĝis oportuna kaj rapidega transportado, kiun uzas hodiaŭ centmilionoj da homoj.

## 2. Ĉefaj faktoroj

La historia materialismo instruas, ke la apero kaj enradikigo de iu socia fenomeno dependas de jenaj ĉefaj faktoroj:

1) Reala bezono por la socio;

2) Certa, sufiĉe alta evolunivelo de produktivaj fortoj, precipe de scienco kaj tekniko;

3) Karaktero de homaj rilatoj en la produktada proceso, ĉefe la karaktero de posedo pri la produktiloj.

La tria faktoro formas la ekonomian bazon de la socio. Sur tiun ĉi bazon sin apogas la superstrukturo ŝtato, juro, ideoj ktp. Se ŝanĝiĝas la ekonomia bazo, sekvas ŝanĝoj de la superstrukturo.

Diversaj ŝtupoj de la homsocia evoluo diferenciĝas, unuavice pro malsameco de la ekonomia bazo, sekve ankaŭ pro malsameco de la superstrukturo, inkluzive la ideojn.

Ni revenu al nia ekzemplo rilate la aviadon. En la antaŭkapitalismaj socioj por la realigo de la ideo pri homa flugado mankis ĉiuj menciitaj faktoroj: forestis, pro manko de viglaj interpopolaj ligoj, reala neceso de rapida transportado. La tiamaj transportiloj, rem- aŭ velboato, ĉevalveturiloj kaj similaj, plejparte kontentigis la transportbezonojn de la tiama socio. La produktivaj fortoj estis malsufiĉe evoluintaj por kreo de aviadiloj, postulantaj altevoluintan industrion. La tiama stato de la scienco ne donis la eblon solvi gravajn teoriajn problemojn, sen kio ne povis esti konstruitaj modernaj flugmaŝinoj (materiala rezistanco, aerodinamiko, teorio de elasteco kaj aliaj).

Estis ankaŭ malfavoraj kondiĉoj, karakterizantaj la homrilatojn en la produktada proceso: metia karaktero de la produktado kaj iom poste, manufakturo kun ĝiaj limigitaj rimedoj ne povis krei materialan bazon por avia industrio, postulanta grandajn kapitalojn.

Resumante, ni povas konstati, ke la ideo de homa flugado restis dum miljaroj nur revo de fantaziuloj.

Ĉio ŝanĝiĝis kun alveno de la kapitalisma sociordo. La kapitalismo transformis la limigitajn, naciajn merkatojn en la internacian merkaton, postulintan rapidan evoluon de transportiloj, unuavice en la sfero de navigado. Grandskale kreskis, konstante plilarĝiĝantaj internaciaj ligoj. La malnovaj transportiloj jam ne taŭgis por plirapidigi la interŝtatajn ligojn kaj fariĝis bremso por la socio. Aperis reala bezono de novaj transportrimedoj, pli rapidaj, pli amasaj, pli fidindaj ol la ekzistintaj.

Ŝanĝiĝis radike la stato de la produktivaj fortoj: brilaj sukcesoj de la scienco en la fino de la XIX-a jarcento, evoluo de la tekniko, havinta karakteron de industria revolucio, kreis novan etapon en evoluo de la transportiloj: aperis novaj tipoj de moviloj, vaporo, elektro kaj motoroj (dizelaj kaj motoroj kun interna brulado, piŝtaj kaj fine reakciaj). La velŝipojn kaj animalojn anstataŭis trajnoj, vaporŝipoj, aŭtomobiloj kaj aeroplanoj.

Aperis novaj kondiĉoj en la strukturo de homaj interrilatoj en la produktada proceso: privata posedaĵo je la produktiloj, ligita kun ekspluatado de amaso da homoj, ne posedintaj produktilojn krom sia propra laborforto, kiun ili estis devigitaj vendadi kiel varon, akumuladis grandegajn kapitalojn, necesajn por organizo de granda industrio.

Tial estis kreitaj ĉiuj necesaj kondiĉoj por realiĝo de la ideo pri homa flugado.

## 3. Internacilingva ideo

Nun ni transiru al alia granda ideo, kiu ankaŭ aperis en la antikvaj tempoj, sed malgraŭ ĝia ekstrema graveco por la homaro, ĝis nun ne ricevis universalan agnoskon: la ideo de internacia planlingvo, kiu kvankam ekzistas, jam enkorpigita en Esperanto, malgraŭ sia pruvita perfekteco kaj taŭgeco servi kiel interhoma komunikilo, ĝis nun ne estas uzata de la grandega plimulto de la homaro.
Pri la antikveco de la internacilingva ideo atestas diverspopolaj legendoj, inter kiuj la plej konata estas la legendo pri Babela turo, indikanta, ke ankoraŭ en la malnovegaj tempoj la homoj komprenis la multlingvecon kiel malfeliĉon kaj penis klarigi ĝian ekziston kiel dian punon.
Ne estas malfacile pruvi, ke en la antaŭkapitalismaj epokoj forestis ĉiuj antaŭe menciitaj faktoroj (kondiĉoj), kiuj estis necesaj por la efektivigo de la internacilingva ideo: forestis reala bezono pro malforteco de interpopolaj ligoj, ne sufiĉis nivelalteco de la produktivaj fortoj, kaj malfavora estis la ekonomia bazo de la antaŭfeŭdala kaj feŭdala socioj.

## 4. Internacia lingvo en la kapitalisma socio

La reala bezono de internacia lingvo aperis unuafoje en la kapitalisma socio. Ĝin postulis la gigante kreskintaj interŝtataj kaj interpopolaj ligoj; internacia komerco, diverskarakteraj internaciaj kontaktoj kaj renkontiĝoj sciencaj, politikaj, fakaj, sportistaj k.a. La grandskale evoluinta trafika tekniko kreis internacian turismon, kiun partoprenas nun ĉiujare centmilionoj da homoj, proprasperte konvinkiĝantaj pri baroj de multlingveco. Radio kaj televido estas ankaŭ forte bremsataj en sia tutmonda disvastiĝo pro la multlingveco.
Ni povas konstati, ke la kapitalismo kreis du el la tri kondiĉoj por apero kaj, certagrade, progreso de internacia lingvo. Tion atestas la relative granda antaŭenmarŝo, en la fino de la XIX-a jarcento, de Volapuko, kiun baldaŭ superis kaj anstataŭis Esperanto. La venko de Esperanto estis kaŭzita de la fakto, ke ĝi estis nekompareble pli perfekta rilate kontentigon de la bezono, jam klare difiniĝinta, pri internacia komprenigilo por la diversnacia homaro.
La genia verko de Zamenhof ne nur donis eblecon de senperaj, diversspecaj homrilatoj en ĉiuj kvin kontinentoj, sed montris sin ideale taŭga por verkado de politika, scienca, teknika, arta literaturo, traduka kaj originala.
Dum sia pli ol 80-jara ekzistado la Esperanto-movado atingis atentindajn sukcesojn, eltenis du mondmilitojn, frakasintajn diversajn internaciajn ligojn, renaskiĝis post malfavoraj por ĝi sociaj eventoj en kelkaj landoj. La agnosko de Esperanto fare de Unesko, ĉiujaraj universalaj Esperanto-kongresoj, la relative granda kaj kreskanta Esperanto-literaturo, kapabla kvante konkuri kun literaturoj de multaj malgrandaj nacioj, regulaj disaŭdigoj, farataj de pli ol dek radiostacioj ktp, estas sendubaj signoj de la vivkapablo de la Esperanto-movado. Kaj . . . tamen!
La nombro da esperantistoj en la tutmondo estas tute malsignifa: laŭ plej optimismaj pritaksoj ĝi ne superas 0,15 % de la homaro, neniu kapitalista ŝtato subtenas finance kaj materiale la Esperanto-movadon, kiu tute dependas de privataj monrimedfontoj, kiuj plej ofte estas tre limigitaj kaj nesufiĉaj por la vasta organiza, eldona kaj informa agado. La regantaj klasoj de la kapitalistaj ŝtatoj ne havas la emon meti sian monon en la Esperanto-movadon, ĉar ĝi ne estas profitpromesa. Por ke ĝi estu profitdona, necesas ĝia amaseco; sed por ke la movado estu amasa, necesas . . . mono. Jen cirklo ensorĉita!
La plej granda kaj bone organizita internacia Esperanto asocio UEA, dum multaj jaroj klopodas pligrandigi sian membraron, sed malgraŭ la penoj, ne sukcesis atingi la modestan kvanton de 50 mil anoj. Ĝi suferas pro konstantaj financaj malfacilaĵoj kaj estas devigata limigadi sian eldonagadon kaj organizan laboron pro la manko de monrimedoj. Tiuj ĉi malfacilaĵoj precipe kreskis dum la postmilitaj jaroj, karakterizataj en la kapitalista mondo per inflacioj, depresioj, senlaboreco, prezaltigoj kaj valutfinancaj krizoj. Multaj esperantistaj organizaĵoj en la kapitalistaj landoj ne povas havigi al si la monon, eĉ por luado de la kunvenejoj, jam ne parolante pri eldona kaj vasta organiza laboro.
Sed la ekonomia kaŭzo, klariganta la malfacilaĵojn por la Esperanto-movado en la kapitalistaj landoj, estas nur unu flanko de la afero. Ekzistas la dua, ne malpli grava. La Esperanto-movado ne estas nur lingva, sed ankaŭ esence idea. Ĝi estas plej firme ligita kun la ideoj de paco kaj amikeco interpopola. Ĉu povas definitive venki tiuj ĉi ideoj en la kapitalisma socio, kies regantaj klasoj timas kaj kontraŭbatalas ilin, kiel „komunistecajn", timigante ĉiuspecajn filistrojn kaj malklerulojn?
Ju pli firmiĝas la paco sur la Tero, ju pli antaŭenmarŝas la maltensio de la internacia atmosfero, ju pli venkas la tendenco de paca kunekzistado de la ŝtatoj kun diversaj soci-ekonomiaj kondiĉoj, des pli kreskas la neceso kaj la ebloj aplikadi internacian lingvon. Kaj inverse, la disvastigo de Esperanto helpas plifortigi pacajn strebojn de la popoloj, ĉar la efektivigo de amasaj kontaktoj inter diverslingvaj homoj kreas amiksentojn, reciprokan interkomprenon, deziron vivi pace kaj bari vojon al militoj.
La kapitalisma sistemo, en ĝia imperialisma stadio, karakterizata per akraj kaj pliakriĝantaj antagonismaj kontraŭdiroj, interŝtata kaj intermonopola konkurenco, agresemo, celanta redividi merkatojn kaj krudaĵfontojn per helpo de armiloj, de korupcio, politikaj mortigoj, semanta rasismon, faŝismon, perforte altrudanta al popoloj vivmanieron, kulturon, lingvojn de la fortaj ŝtatoj ne povas efektivigi la definitivan venkon de la internacia lingvo.
Nia analizo kondukis nin al la konkludo, ke en la kapitalisma socio forestas la objektivaj kondiĉoj por la definitiva venko de la internacilingva ideo. La Esperanto-movado en tiu ĉi socio estis, estas kaj estos stagnanta aŭ malrapidege progresanta, kio ne ekskluzivas izolajn, apartajn sukcesojn naci- aŭ internaciskale. Sed eĉ tiu grava atingo, kiel la pozitiva rezolucio de Unesko en 1954 rilate Esperanton ne donis iujn praktikajn postsekvojn por la plua disvastigo de Esperanto kaj eĉ ne helpis la provon starigi la problemon ĉe UNO.

## 5. Internacia lingvo en socialisma socio

Nur en la socialisma socio estas kreataj ĉiuj objektivaj kondiĉoj por la venko de la internacilingva ideo.
La bezono de internaciaj ligoj atingas altan nivelon en la sfero de politiko, scienco, tekniko, arto, sporto kaj aliaj sferoj. Precipe gravan rolon ĉi-rilate ludas la socialista kulturo kaj la rapida kresko de la kulturnivelo kaj kulturbezonoj de la plej vastaj popolamasoj. Senpaga kaj eĉ subvenciata sistemo de klerigado donas al ĉiu civitano de socialista ŝtato la eblon atingi la deziratan de li gradon de kultura kaj faka konoj, samtempe kreskigante ĉe li la aspiron konatiĝi kun aliaj landoj kaj popoloj. La neceso ekposedi internacian komprenigilon fariĝas pli kaj pli akre sentata.
Plej klare tiun ĉi neceson esprimis la fama rusa verkisto Maksim Gorkij, konvinkita adepto de Esperanto:
„Por la triumfo de kulturo ni kreas revolucion, elspezas ĉiujn fortojn de nia racio, nia volo, oferas nian personan liberon, vivon. Ĉu oni povas nei, ke lingvo unu por ĉiuj donos potencan impeton al la proceso de la kultura evoluo? Oni ne povas. Sekve, oni devas agnoski necesa la kreon kaj la evoluon de tiu ĉi lingvo."[1])

[1]) „Esperantista Movado" N 1–2, 1921

La socialismo senmalhelpe kaj vaste evoluigas ĉiujn produktivajn fortojn, speciale la sciencon kaj teknikon, inkluzive tiun de transporto kaj komunikiloj. Liberigita de la ĉenoj de privata posedo, la tekniko povas plej larĝe servi al la kontentigo de materiaj kaj kulturaj bezonoj de la tuta popolo. Pli perfekta kaj malplikosta transporto altiros milionojn da socialistlandanoj al internacia turismo, postulonta pli kaj pli la aplikon de la internacia lingvo. Ĝi estos ekstreme grava por la rapide evoluantaj radio kaj televido, kiuj dank' al la internacia lingvo fariĝos vere internaciaj komunikiloj, ne plu bremsataj de la multlingveco.

Ne estas mirinde, ke komencante de la XIX-a jarcento kaj ĝis nun homoj, kiuj partoprenadis porsocialisman lukton ofte esprimis la komprenon de la neceso kaj graveco de internacia lingvo por la socialismo.

Dum la Internacia laborista konferenco en Londono en 1871 Karl Marks diris, ke internacia unuiĝo de profesiaj sindikatoj estas malhelpata de lingvodiverseco.[2])

La problemon pri internacia lingvo pridiskutis la IIa kongreso de la I-a Internacio, okazinta en Svisio en 1867. Estis akceptita rezolucio, defendinta la ideon de internacia lingvo:

„La kongreso konsideras, ke universala lingvo ... estus komuna bono kaj tre helpus unuigon de popoloj kaj fratecon de nacioj."[3])

La II-a kaj la III-a Kongresoj de Komunista Internacio (1920 kaj 1921) havis en siaj tagordoj punktojn pri Esperanto kaj pri lingvo internacia (resp.).[4])

Estas ankaŭ ne mirinde, ke tri grandaj verkistoj-socialistoj: Maksim Gorkij, Romain Rolland kaj Henri Barbusse multfoje esprimis senkondiĉan subtenon al Esperanto.

En ĉiuj socialistaj landoj la esperantistoj ricevas malavaran subtenon de la registaroj: ili uzas senpagajn, komfortajn ejojn por kunvenoj, la ŝtatoj prenas je sin ĉiujn elspezojn por eldonado de lerna, beletra, politika literaturo en Esperanto. La plej multenombraj universalaj Esperantokongresoj okazas en la socialistaj landoj.

Tamen aperas motivita demando: se la socialisma socio kreas ĉiujn objektivajn kondiĉojn por definitiva venko de la internacilingva ideo, kial do en neniu socialista lando Esperanto ĝis nun estas oficialigita kiel ŝtata lingvo en la eksteraj rilatoj? Kial eĉ tiuj socialistaj ŝtatoj, kiuj plej forte subtenas Esperanto-movadon (Bulgario, Hungario, Pollando) ne enkondukis Esperanton en siaj lernejoj, kiel devigan lernobjekton?

Oni ne devas forgesi, ke la problemo de la larĝskala apliko de Esperanto en ĉiuj vivosferoj tutmonde estas ne solvebla nur de kelkaj ŝtatoj, sed devas ricevi la aprobon kaj subtenon flanke de la plimulto aŭ almenaŭ de relative granda kvanto da ŝtatoj.

Ĝis tiu ĉi evento venos daŭros la prepara periodo, dum kiu apartaj socialistaj registaroj subtenados la Esperanto-movadon, depende de la aktiveco de la esperantistoj, pruvantaj kapablon de Esperanto bone servi al la efektivigo de la ideoj de paco, libero, sendependeco, kaj al la aliaj ideoj, konsistigantaj la kernon de la ekstera politiko de la socialistaj ŝtatoj.

Ĝis nun ni parolis pri la *objektivaj* faktoroj, helpantaj aŭ malhelpantaj progreson de la internacilingva ideo. La objektivaj faktoroj estas tiuj, kiuj ekzistas kaj funkcias sendepende kaj ekster volo de la nomoj, klasoj, partioj, grupoj ktp. Ni penis pruvi, ke nur en la socialisma socio ekzistas ĉiuj kondiĉoj, necesaj por la definitiva venko de Esperanto.

Sed krom la objektivaj faktoroj tre gravan rolon en la homa socio ludas *subjektivaj* faktoroj, dependantaj de la volo de homoj. La subjektivaj faktoroj povas koincidi aŭ ne koincidi kun la objektivaj. La decida rolo apartenas finfine al la objektivaj faktoroj, sed la subjektivaj povas rilate tiun aŭ alian ideon, por kiuj la objektivaj faktoroj kreis favorajn evolukondiĉojn, helpi kaj plirapidigi efektivigon de la ideo, aŭ, kontraŭe, *provizore* bremsi kaj malplirapidigi la proceson de la efektivigo. Ofte la subjektivaj faktoroj estas dividataj rilate tiun aŭ alian ideon je du reciproke kontraŭaj grupoj: unuj subtenas la ideon, aliaj kontraŭbatalas ĝin. Inter tiuj ĉi grupoj aperas lukto, kiu povas daŭri tre longe kaj pasi en tre akraj kontraŭdiroj kaj kunpuŝiĝoj. Sed la subjektivaj faktoroj ne povas venki la objektivajn.

La internacilingva ideo, havanta multajn adeptojn kaj simpatiantojn (pozitivaj subjektivaj faktoroj), renkontas kontraŭstaron flanke de granda kvanto da kontraŭuloj (negativaj, subjektivaj faktoroj). Kaj grandega plimulto da homoj, eĉ en socialismaj landoj, ne scias pri ekzisto de Esperanto aŭ estas tute indiferenta al ĝi.

La kaŭzo de kontraŭstaro al Esperanto estas nescio, ignorado kaj antaŭjuĝoj. Multaj malamikoj de Esperanto troviĝas en la medio de homoj, kiuj profitas de la multlingveco: instruistoj de fremdaj lingvoj, tradukistoj kaj interpretistoj. Ili havas apogon de relative granda kvanto da lingvistoj, kiuj starante sur la bazo de spontaneco kaj „natureco" de lingvoevoluo, refutas la viveblon de tiel nomataj „artefaritaj" lingvoj kaj konsideras ilin malscienca utopiaĵo.

Tamen necesas noti, ke la nombro da sciencistoj, kiuj ekkomprenis la gravecon de la internacia planlingvo kaj bezonon serioze pristudi la problemon, kreskas. Tiurilate ekstreme grava evento okazis en Sovet-Unio, kies Akademio de sciencoj 1973 komisiis al ĝia Instituto de lingvoscienco organizi esplorlaborojn en la sfero de internacia helplingvo kaj studi la problemojn de ĝia uzado en internaciaj ligoj.

La Instituto organizis tiucele specialan Probleman Grupon, kiun gvidas la konata lingvisto kaj esperantisto, prof. d-ro M. I. Isajev.

En 1976 aperis la unua libro, kiel rezulto de la agado de la Problema grupo, „Problemoj de interlingvistiko" – (Tipologio kaj evoluo de internaciaj artefaritaj lingvoj). La libro forte kaj konvinke subtenas Esperanton, kiel praktike solan internacilingvon. Baldaŭ devas aperi la dua volumo. Estas planata tria kun la titolo provizora „La interlingvistiko nuntempe (Aktualaj problemoj de la planlingvo)".

Forestas iu dubo, ke la sukcesa laboro de la Instituto de lingvoscienco, la plej aŭtoritata en Sovet-Unio lingva institucio, devigos multajn sovetiajn kaj nesovetiajn lingvistojn, kiuj ĝis nun oponis Esperanton aŭ neglektis ĝin, ŝanĝi siajn poziciojn.

Inter politikaj agantoj en diversaj ŝtatoj (inkluzive la socialismajn) oni povas ofte renkonti homojn, kiuj konsideras, ke la problemo de internacia komunikado estas sukcese solvata pere de kelkaj, tiel nomataj, „grandaj" lingvoj (angla, rusa, franca) kaj ke forestas neceso, uzi por tiu ĉi celo Esperanton, kiu estas lingvo uzata nur de malgranda aro da amatoroj, ne havanta kaj ne havonta iun socian signifon. Tiu ĉi vidpunkto, serioze bremsanta la rapidan progreson de la Esperanto-movado, povas esti refutita per la aktiva agado de esperantistoj, kiuj estas la plej grava el la pozitivaj subjektivaj faktoroj en la lukto por la efektivigo de la internacilingva ideo. Ĉiuj ĝisnunaj atingoj de la Esperanto-movado estas la rezulto de la sindonema, oferema agado de esperantistaj asocioj, grupoj kaj individuoj, superantaj diversajn obstaklojn survoje al la venko.

Por pruvi, ke la Esperanto-movado jam nun estas grava socia fenomeno kaj ke ĝia signifo grandskale kreskos kun ĝia vastiĝo, necesas, ke, krom la jam kutimaj formoj de poresperanta klariga, informa kaj instrua agado, la Esperan-

[2]) Marx/Engels: Verkoj, vol. 17. p. 644 (rusa eldono)

[3]) Procès verbaux du congrès de l'Association Internationale des Travailleurs réuni à Lausanne de 2 ou 8 septembre 1867, Chaux-de-Fonds, 1867, p. 52

[4]) 10 jaroj de Komintern en decidoj kaj ciferoj, ŝtata eldonejo Moskvo-Leningrad, p. 33, 34, 52, 58

to-movado povu sin apogi je la subteno de amasaj, aŭtoritataj internaciaj movadoj, kiuj jam nun povas sukcese uzi la internacian lingvon.
Unu el tiuj ĉi movadoj estas la Tutmonda Pacmovado. Progresemaj esperantistoj en disersaj landoj jam delonge komprenis la gravan rolon, kiun povas ludi Esperanto por la homaro, strebanta pacon. Ili kreis la Mondpacan Esperantistan Movadon (MEM), kiu malgraŭ sia, ankoraŭ relative negranda disvastiĝo, havas bonajn atingojn en la apliko de la slogano „Esperanto servu Pacon".
Tiuj ĉi atingoj jam ricevis agnoskon flanke de la Tutmonda Pacmovado. En 1973, dum la tutmonda kongreso de pacamaj fortoj en Moskvo, estis subskribitaj dokumentoj pri kunlaboro kaj interhelpo de ambaŭ movadoj. Unuafoje en la tuta historio de la Esperanto-movado ĝi ricevis agnoskon kaj subtenon flanke de unu el la plej fortaj kaj multenombraj movadoj.
Nun necesas transformi la vortojn de la dokumentoj al realaj agoj kaj pruvi, ke Esperanto povas perfekte servi kiel pontolingvo, kunligante diverslandajn pacorganizaĵojn kaj pacaktivulojn, helpante interŝanĝon de ilia agadsperto. Necesas, ke progresemaj esperantistoj fariĝu aktivuloj de la pacmovado kaj ke plej multaj el la granda kvanto da pacadeptoj studu Esperanton. Tiam aperos la eblo transiri al la sekvonta etapo de la kunlaboro de ambaŭ movadoj: akceptigi Esperanton kiel unu el laborlingvoj de la tutmonda pacmovado.
Modelo de tiu esperantista agado devas esti montrita unuavice en la socialismaj landoj, en kiuj la esperantistoj posedas la plej favorajn kondiĉojn, ĉar la socialismaj ŝtatoj forte kaj senrezerve subtenas la pacmovadon.
La sukcesoj de Esperanto en la pacmovado stimulos aliajn tutmondajn progresemajn movadojn sekvi la ekzemplon.
La moderna internacia situacio, karakterizata per maltensio de la internacia atmosfero, malpligrandiĝo de la militminaco, progreso de la ideo de paca kunekzistado de ŝtatoj kun diversaj soci-ekonomiaj sistemoj, kreas favorajn kondiĉojn por la sukcesa agado de esperantistoj, malgraŭ la streboj de la reakciularo revenigi la homaron al la „malvarma milito".
Antaŭ ĉiuj progresemaj Esperanto-organizaĵoj kaj esperantistoj la nuna momento starigas jenajn ĉefajn taskojn: ĉiumaniere helpi la realigon de la decidoj de Helsinki-konferenco pri sekureco kaj kunlaboro, kolektadon de subskriboj sub la Stokholma Alvoko pri malgrandigo de la vetarmado kaj malarmigo kaj efektivigo de la Deklaro pri kunlaboro inter la Tutmonda Pacmovado kaj Mondpaca Esperantista Movado.

# Perdita vespero

Malgaja humoro plenigis la ĉambron. Ludoviko elblovis nikotinnubojn, enuo regis.
Angela rigardadis malĝoje la televidilan ekranon. Nur bildo ne estis videbla, la aparato estis difekta. Tio okazas kelkfoje, ĉu ne? Terure estis nur, ke la televidil-riparisto Billerbek ne venis. Kvankam li promesligis sin, tuj post telefona alvoko veni. Verŝajne alia aparato en lia distrikto same difektiĝis. Ankaŭ tio okazas kelkfoje, ĉu ne?
„Perdita vespero" malĝoje murmuris Ludoviko kaj rigardis kolere al la senkulpa aparato.
„Mi tiom antaŭĝojis pro la amofilmo!" ĝemis Angela.
„Se la diablo volas, morgaŭ estos same", diris Ludoviko, „kaj mi volis vidi tiun ‚krimi' . . ."
Ili ĝuis telememorojn: „Estis ĉiam tiom bela!"
La malgaja humoro ekkaptis eĉ la florojn, ili klinis la kapetojn. La senbruon disŝiris la akra sono de la tintilo.
Kiu povus esti? Ankoraŭ neniam iu venintis al ili je tiu tempo. Ĉiuj iliaj konatuloj posedis televidilon. Kial do viziti sin reciproke?
Fine Ludoviko malfermis. Antaŭ la pordo staris juna damo, kies beleco estis nepriskribebla. Ĉiu provo de priskribo estus vana. Ŝi havis kaŝtanbrunan hararon, koralruĝajn lipojn, ĉielbluajn okulojn kaj portis florizitan pantalonkostumon.
„Ludoviko!" ŝi vokis kaj metis siajn brakojn ĉirkaŭ lia kolo. Ludoviko rigidiĝis. Li vidis tiun virinon unuafoje! Ŝi estis al li nekonata kiel la plano de lia fabriko. Kaj ke ŝi nomis lin Ludoviko, ke ŝi kisis lin, ŝajne sentis sin kvazaŭ hejme – tio estis tro multe por la 38-jara edzo.
Por kompletigi tiun malfeliĉon nun Angela venis el la loĝĉambro. „Vi havas gaston?" ŝi demandis, ĵetante al la damo malestiman rigardon, la specialaĵo de multaj edzinoj.
„Mi nepre volis konatiĝi kun la edzino de Ludoviko." klarigis la damo. „Mia nomo estas Olivia."
„Olivia?" ripetis Angela.
„Jes. Vi sciu, ke miaj gepatroj dum tiu certa vespero estis en la teatro." Ŝi subridis senĝene.
„Tiu ĉi estas frenezulino!" Ludoviko flustris en la orelon de sia edzino. Sed tiu frenezulino jam estis en la loĝĉambro kaj sidis sur la sofo.
„Vi estas bone informita ĉi tie." konstatis Angela.
Olivia kapjesis. „Kiam vi estis eksterdome mi ĉiam renkontiĝis kun Ludoviĉjo ĉi tie. Ni eĉ . . ."
„Mi telefonos al kuracisto!" flustris Ludoviko.
„Rakontu plu!" petis Angela kun evidenta intereso.
„Mi amas vian edzon", mallaŭte ŝi diris, „kaj mi decidiĝis, lin konkeri tutplene por mi. Vi eĉ ne havas ŝancojn, ĉar mi estas pli juna, pli bela kaj pli prudenta ol vi. Do, kiel estas? Ĉu vi donas al Ludoviko la liberecon?"
Angela ektremis tutkorpe. „Mia fraŭlino!" ŝi anhelis kaj ekstaris. „Se vi ne tuj malaperos . . ." En tiu momento denove tintis, Ludoviko ŝancele iris al la pordo.
„Kriminalpolico", diris viro portanta ledomantelon. „Ĉu ĉe vi troviĝas juna damo kun kaŝtanbruna hararo, flordesegnita pantalonkostumo?"
„Jes!" Ludoviko malŝarĝite elpuŝis. „Mi tuj pensis, ke temas pri fuĝinto. Bonvolu enveni!"
La komisaro eniris la loĝĉambron. „Aha!" li konstatis kaj mallonge rigardis al Olivia. Poste li kontrole trarigardis la ĉambron.
„Ĉi tie do estas via centralo?"
„Kia centralo?" demandis Ludoviko paliĝante.
„Tion scias vi certe plej bone!" malafable diris la komisaro. Poste li sin turnis al Olivia: „Ĉu tiuj estas viaj komplicoj?"
Olivia senvorte kapjesis.
„Venu kun mi!" ordonis la komisaro rigardante la geedzan paron. Angela ŝanceliĝis. „Vi volas nin aresti?"
„Bonvolu!" diris la komisaro kaj mansignis al la pordo.
En tiu momento diketa sinjoro venis tra la malferma pordo.
„Ĉu preta, Hanna?" li demandis Olivia. Hanna, alinome Olivia, kapjesis ridetante.
„Kaj vi, Helmuto?" demandis la komisaro. Tiu moke ridetis: „En ordo!"
„Nun iru al familio Pucman, Kopernikusstrato ok!" „Ĉu vi ne volas klarigi", balbutis Ludoviko konsternite, „kion ĉi ĉio signifas?"
La diketa sinjoro afable ridetis.
„Mi estas la televidil-riparisto Billerbek." li klarigis. „Tiuj homoj, al kiuj mi ne tuj povas veni, ĉiam plendas pro la perdita vespero. Kaj tial mi promesis, zorgi por neforgesebla distro."

trad.: W. Hofmann

Bertolt Brecht

# Fragmento el Trigroŝa Romano

## Dektria ĉapitro

### Pri la pliboniga efiko de artaĵo

Reveninte, Polly estis vokita en la kontoron de sia patro. Li informis ŝin per sekaj vortoj, ke ŝia edzo konsentis pri la abortigo. Li sendis certan Grooch, kiu donis la sciigon rekte al li. Por ŝi mem papereto kuŝas en ŝia ĉambro.
Polly legis la paperetón kaj estis profunde trafita. Tiom malmulte Mac estis kore ligita al sia filo? Por li ja estis lia filo, ĉar li ja sciis nenion pri Smiles! Estis abomene! Ŝi tiom ĉagreniĝis, ke ŝi diris al sia patrino, ke ŝi volas konsulti kuraciston eĉ la saman posttagmezon, ŝi konas iun tian, kostas dek kvin pundojn.
Sinjorino Peachum unue volis provi la aferon per kinino.
La unuan tagon oni prenis tri kapsulojn, la duan kvar kaj tiel plu ĝis sep. Pli multajn oni ne devis preni, sed same oni ne devis elsputi la acaĵon kaj ĉesi pro orelsusuro, korfrapado kaj naŭzo.
Sinjorino Peachum eksciis, ke ne plu estas la unua monato; do restis nur la kuracisto.
Ili iris tuj post la teo. Ŝajnis, ke la kuracisto ne rekonis la persikon; lia praktiko estis eble tro granda. Krome li devis ĉifoje intertrakti kun la patrino, kaj tiuj, kun kiuj li interkonsentis pri la honorario, estis por li pacientoj. Li sidis meze en siaj armiloj, glitigis la manon sur sia bela, mola, ne tute senbakteria barbo kaj diris:
„Sinjorina moŝto, bonvolu permesi al mi atentigi vin, ke tio, kion vi intencas, ne estas konforma al la leĝo."
Li manipulis sian voĉon tiamaniere, ke la menciita konformo fariĝis speco de sfera muziko. Sed sinjorino Peachum interrompis lin seke: „Jes, mi scias, tio kostas dek kvin pundojn."
Tridek jaroj ĉe la flanko de ŝia edzo kaj abunda konsumo de alkoholaj trinkaĵoj instruis ŝin koni la homojn.
„La problemo ne estas sole dek kvin pundoj, sumo, pri kiu mi cetere ne scias, de kie vi prenas ĝin, la operacio kostos iom pli multe", la doktoro pastrece malakceptis, „la problemo estas la konscienco."
„Vi diris, ke la operacio kostos iom pli multe? Kiom?" demandis sinjorino Peachum.
„Nu, ni diru, dudek kvin pundojn, sinjorina moŝto, sed antaŭ ĉio vi devas fari la gravan decidon, ĉu vere vi volas neniigi ĝermantan vivon, tio estas, ĉu vere estas nepra, deviga neceso, eble kiel ĉe miaj malriĉaj pacientoj, kiuj simple ne povas havigi al si rimedojn por la vivtenado de la infanoj, kio ja ne pravigas la operacion per si mem, sed tamen home komprenebligas ĝin, ĉu ne!"
Sinjorino Peachum rigardis lin atente, poste ŝi diris:
„Ĝuste pri tia neceso temas, sinjoro doktoro."
„Tiaokaze estas kompreneble alia afero", diris la doktoro, ĉar sinjorino Peachum kaj ŝia filino jam ekstaris, „tiam mi petas vin veni ĉi tien morgaŭ posttagmeze je la tria. La honorario estos tuj pagenda, por ke ne venu fakturo en vian domon. Sinjorina moŝto, mi adiaŭas."
La virinoj iris manĝi kukon. Ĉar estis tro frue por iri hejmen, ili krome eniris kinejon.
Estis unu el tiuj malgrandaj, mizeraj establoj, kiuj senĉese montris filmojn. Ĝi havis la formon de longa mantuko. La projekcia ekrano estis eta. Senĉesa pluvo iris tra la bildoj, kaj la homoj moviĝis sur ili kvazaŭ en koreo.
La filmo nomiĝis „Patrino, via infano vokas!".
Ĝi komenciĝis per tio, ke nobla, ankoraŭ juna sinjorino faris sian tualeton por vesperarango. Helpe de ĉambristino ŝi bukis metrolongan korseton kaj pendigis kelkajn funtojn da diamantoj sur siajn orelojn kaj kolon. Ŝi admiris sin en murspegulo kaj poste iris en la ĉambron de sia infano, kiu kuŝis en liteto. Estis trijara knabino, momente malsana. La kuracisto, malserena, barba viro, staris apud la liteto kaj palpis ŝian pulson. Poste li interŝanĝis kelkajn evidente tre seriozajn vortojn kun la patrino. Sed tiu ĉi ridis malzorge, nur pretere ĉirkaŭbrakis la infanon kaj elpompis.
En la mezo de la koridoro staris la klarigisto, dika sinjoro.
„Senzorgeco kaj ĝuemo", li diris per iomete raŭka basvoĉo, „delogas la junan patrinon forlasi sian morte malsanan infanon por ĵetiĝi en la brakojn de bruegaj distroj."
Nun oni vidis ege noblan kaj pompe ekipitan salonon, en kiu ne malgranda societo sin donis al dancplezuro.
„La altrangularo en ĝuo kaj bruo", samtempe klarigis la baso.
La juna patrino envenis. Servisto en ĝisgenua pantalono anoncis ŝin. La sinjoroj eksaltis. Oni mendis ĉampanon. La juna patrino sidis inter du kavaliroj sur ŝvela velursofo. De tempo al tempo ŝi leviĝis por danci kaj flugis de brako al brako.
„Flugante la horoj forrapidas", la klarigisto informis la publikon.
Poste oni ree vidis la infanĉambron hejme. La infano ŝajne fartis multe pli malbone. Ĝi sidis rekte en la liteto kaj etendis la braketojn al sia foresta panjo. Subite ĝi refalis.
„Ho", diris la baso, „ĝi mortas, ho, ĝi refalas! Jam estas finite!"
Oni vidis denove la balsalonon. La juna patrino ĵus elsorbis kalikon de ĉampano, klinante sin malantaŭen. Subite la malantaŭa muro de la salono fariĝis diafana; la infanĉambro aperis; el la liteto leviĝis la malgranda mortinta knabino, same diafana, ĝis ŝi staris tute rekte. Ŝi havis du flugiletojn ĉe la ŝultroj, ĉar nun ŝi estis anĝeleto. Ŝi flugis al sia juna, foresta patrino en la balsalonon, tio estas, de malantaŭe, el la salonmuro ŝi venis flirtante direkte al la marmortablo, ĉe kiu la juna, devoforgesa virino sidis ĝiboĉante, antaŭ la tablo ŝi malleviĝis sur la plankon kaj solviĝis en nenion.
„En vizio", muĝis la baso, „la teruritino vidas sian infanon jam mortinta. Kiel anĝelo, ho kiel kortuŝe, ĝi por eterne disiĝas de ŝi!"
La juna patrino svenis. Oni vidis ŝin ankoraŭ dum kelkaj sekundoj en la vestgardejo, kie ŝi rapide ĵetis ion sur sin.
„Ho, ke ne estu tro malfrue!" flustras la malfeliĉulino, dum ŝi surmetas ion kun frapanta pulso.
Poste denove venis la infanĉambro, kaj ŝi enrapidegis. Ŝi ĵetiĝis surgenuen antaŭ la liteto, ĉirkaŭbrakis la mortintan filineton kaj tordis la manojn. Ĉiuj klopodis pri ŝi, sed ili ŝajne ne povis mildigi ŝiajn doloron kaj memriproĉojn.
– La baso finis per sufoka voĉo:
„Malfruis ŝi! Feliĉo estas for!

W. Gilbert

# Pri landnomoj en Esperanto

En „Aktoj de la Akademio" (II – 1968. 1974), parto neoficiala, aperis tre interesa – mi eĉ diru: nepre legota – studo de D-ro A. Albault, pri la landnomoj en Esperanto. Kiel redaktoro de „Paco" mi aparte kaj delonge priploris la ĥaoson, kiu regas en nia lingvo sur tiu kampo, kaj la proponoj de D-ro A. Albault meritas, miaopinie esti vaste diskonigataj kaj subtenataj.
Li notinde faras la jenajn rimarkojn:

1. La sufikso *-uj* estas pli kaj pli rigardata kiel arkaismo kvankam la sufikso *-i* estis malkonsilita de la Lingva Komitato, ekde 1922.

2. La sufikso *-i* estas plene konforma al la Esperanta strukturo kaj al la internacieco, kaj „vojo al unueco de nia nomenklaturo povos pasi nur tra unu pordo – levo de la kondamno".

3. Ne ekzistas „universala" sistemo valida por ĉiuj landnomoj, kaj en tiu ĉi kazo, „ni povas eliri el tiu ĥaoso nur per agnosko de la internacieco, alidire per apliko de la 15-a regulo de la Fundamenta Gramatiko: ĉiuj aliaj reguloj pri landnomoj, *unue* ne apartenas al la Fundamento, *due* montris, dum longaj jardekoj, ke ili ne povas krei unuanimecon ĉe la esperantistoj".

4. „La internacia praktiko – al kiu aliĝis la Esperanta tradicio, distingas du procedojn de nomado: „lando / landanoj" kaj „homoj / homujo." „El la duopo „landnomo / landan-nomo", la landnomo ĉiam estas la pli internacia."

La ĉi-supraj rimarkoj kondukas al la jenaj konkludoj:

a) Ekzistas landano-nomoj el kiuj deriviĝas landnomoj per la sufikso *-uj* sed prefere per la sufikso *-i*:
– bulgar-oj = Bulgar-io
– franc-oj = Franc-io
– grek-oj = Grek-io, k.t.p. ...

b) Ekzistas landano-nomoj alimaniere derivitaj:
– finn-oj = Finn-lando
– afgan-oj = Afgan-istano

c) Ekzistas landnomoj el kiuj deriviĝas landano-nomoj per la sufikso *-an*:
– Ĉili-o = ĉili-ano
– Vjetnam-o = vjetnam-ano
– Meksik-o = meksik-ano, ktp. ...

d) Krom tio, iuj Esperantaj nomoj estas dubaj pro malĝusta klasigo; aŭ ĉar ekzistas pli internaciaj radikoj. Ekzemple, la radikoj *Ĉin-, Egipt-, Japan-, Portugal-, Svis-* nomas la landon en preskaŭ ĉiuj lingvoj, kontraŭe al Esperanto, kaj *Japon-, Britan-, Lituan-, Polon-* estas pli internaciaj ol respektive *Japan-, Brit-, Litov-, Pol-*.
Oni povas heziti pri derivaĵoj el *angl-oj* kaj *dan-oj*, ĉar *Anglolando* aŭ *Anglotero*, kaj *Danmarko* estas pli internaciaj ol *Angl-io* kaj *Dan-io* aŭ *Dan-lando*.

e) D-ro A. Albault prave kondamnas, laŭ mi, monstraĵojn kiel *Kanad-io, Panam-io* aŭ *Nepal-io*.

Estus bone, mi kredas, se nia „Paco" kontribuus ludi progresistan rolon ankaŭ sur la lingva kampo, kaj ekzemple en tiu ĉi preciza problemo, kaj tiucele mi submetas la ideojn de A. Albault al la pripensoj de niaj kunlaborantoj kaj kunlaborontoj. Oni jam argumentis, i.a. ke ni devas diri „*Vjetnamio*" ĉar niaj vjetnamaj amikoj uzas ĉi tiun formon. Kiel ni vidis ĉi supre, tiu argumento ne sufiĉas: nur internacieco permesos eliri el la ĥaoso.
Mi eĉ opinias ke oni devas nepre respekti la plej internacian formon de la landnomoj, ĉar ili estas *propraj* nomoj, kaj pro tio mi dirus: *Panama, Kanada, Angola, Portugal', Vjetnam', Japon', Israel', Ĉin, Danmark'* k.t.p. (La finaĵon *-o* oni konservu nur pro eŭfonia motivo kaj post la sufikso -i: *Nederlando, Francio*). Temas pri persona opinio, kiu sendube vekos iujn ardajn protestojn. Al mi ŝajnas, tamen, ke tiuj pli internaciaj formoj iam venkos, kiel jam venkis la internacia sufikso -i, kaj ke tio tute ne endanĝerigas Esperanton. Ĉi tiun artikolon oni cetere ne rigardu kiel ukazon, sed kiel bazon por pripenso. Kiel ĉiam, nur la vivo decidas.

---

Reportos ĝin nek pento nek dolor'!" Dum la filmo la du virinoj sidis animskuitaj inter la alia publiko. Ĉe la kasejo ili antaŭe aĉetis al si ĉokoladon. Sed jam nelonge post la komenciĝo de la melodramo ili englutis ĉion. La filmo kaptis ilin.
Kiam la malgranda knabino, malproksima de la malzorga patrino, mortis sola, Polly sentis pikan doloron en la brusto. En la mallumo ŝi ekprenis la manon de sia patrino, ambaŭ virinoj havis larmojn en la okuloj, kiam la mortinta malgranda knabino venis flirtante en la balsalonon, kun siaj etenditaj braketoj kaj la helaj bukloj. Ili forlasis la kinejon, profunde emociitaj de tiu artaĵo.
„Mi ne akompanos vin tien morgaŭ posttagmeze!" sinjorino Peachum diris premite sur la strato. Ankaŭ Polly ne povis imagi, kiel ŝi volis oferi sian infanon. Ĉu ŝi ne estis sama kiel tiu krime senzorga patrino en la balsalono?
Nur dum la nokto la du virinoj forskuis de si la efikojn de la arto. Sur kotonaj ŝtrumpoj sinjorino Peachum venis en la ĉambreton de Polly kaj diris, sidante sur la rando de la lito: „Vi ne devas manĝi ion morgaŭ tagmeze. Alikaze vi sputos post la narkozo."
La tutan nokton Polly vidis la armilkolekton de la doktoro.

Trad. D-ro Karl Schulze

---

## Nova stenografio por Esperanto

S-ro Otto Möller (DDR-563-Heilbad Heiligenstadt, Friedensplatz 3) ellaboris novan stenografion por Esperanto. Lia sistemo estas adapto de Deutsche Stenografie laŭ la dokumento de GDR de 1. 6. 1970. Interesiĝantoj bv. kontakti la aŭtoron laŭ supra adreso.

**Serĉata**
„Scienca Revuo" (post 1945) n-roj 1-28, 30–32, 45–46, 69. Bv. sendi ofertoj al d-ro Detlev Blanke. Centra Laborrondo Esperanto, DDR-108-Berlin, Charlottenstrasse 60.

„der esperantist", n-roj 1, 2, 7, 8, 18, 19, 24, 43, 52, Rekompenco laŭ ampleksa listo de diversaj Esperanto-revuoj. D-ro Àrpàd Ratkai, H-6721-Szeged. Lengyel 4. Hungario

„Esperantisto Slovaka" kun specimenoj el Plena Vortaro de Esperanto a-e (Ekde „enigi" mi havas) kontraŭ dezirata rekompenco. Oskar Stollberg, DDR-705-Leipzig, Erich-Ferlstrasse 78

Por scienca studo urĝe estas serĉataj materialoj pri la internacia kaj germana laborista Esperanto-movadoj: revuoj, cirkuleroj, informiloj, leteroj, fotoj kaj aliaj materialoj. Ni ankaŭ fotokopios materialojn kaj resendos.
Centra Laborrondo Esperanto, 108 Berlin, Charlottenstrasse 60

Detlev Blanke

# „Problemoj de interlingvistiko"

## Tipologio kaj evoluo de internaciaj artefaritaj lingvoj Recenzo kaj iom da kundiskuto

**Problemy interlingvistiki, Tipologija i evoljucija meĵdunarodnych iskusstvennych jazykov**
**Eldonis: Akademija Nauk SSSR, Institut jazykoznanija, Eldonejo „Nauka", Moskva 1976, ĉefredaktoro M. I. Isajev, redaktoroj V. P. Grigorjev, S. N. Kuznecov, V. E. Statmane, 160 p., eldonkvanto 5 000, 52 kopekoj, 20 × 12,5 cm, broŝurita.**

La lastaj jaroj estas karakterizitaj per multiĝo de seriozaj sciencaj studoj pri la problemo de internacia lingva komunikado ĝenerale kaj speciale pri t.n. „artefaritaj" internaciaj lingvoj, helplingvoj aŭ, plej trafe, „Planlingvoj" (termino de Eugen Wüster). En la esploroj, kiuj estas entreprenataj i.a. en Sovetunio, Hungario, GDR, FRG, Italio, Svisio, USONO[1]) elstaras tiuj en Soveta Unio (Akademio de USSR, prof. Isajev) Hungario (Universitato Budapest, prof. Szerdahelyi) kaj en FRG (Centro pri Esploro kaj Evoluigo de objektivigitaj instruaj kaj lernaj metodoj en Paderborn, prof. Frank). Pliviglîĝo estas rimarkebla en USONO (Modern Language Association). Kiel konate, en Soveta Unio ekde 1963 laboras ĉe la Akademio sekcio interlingvistiko (ĉe la Instituto por lingvoscienco), kiun gvidis ĝis 1971 prof. d-ro E. A. Bokarev[2]), la plej elstara soveta interlingvisto post la dua mondmilito. Laŭ decido de la prezidio de la Akademio de Sciencoj de USSR de 18. oktobro 1973 „pri la agado de la sektoro Literaturo kaj lingvo de la Akademio de Sciencoj de USSR" tiu-ĉi sektoro estas komisiita esplori la demandojn de helplingvo por la internacia komunikado kaj ties eblecojn sub la nuntempaj kondiĉoj. Oni fondis pro tio Problemgrupon, kiu devas esplori la menciitajn problemojn kaj estas gvidata de prof. d-ro M. I. Isajev[3]).
La interlingvistika sekcio kaj la esplorgrupo kunfandiĝis. Oni ĝis nun organizis diversajn sciencajn prelegojn kaj verkis studojn kaj artikolojn.
Se oni flankenlasas la libron de Svadost[4]), materialriĉa kaj diskutiga sed ne ĉiam verkita laŭ seriozaj kriterioj de moderna scienco, nur 1976 aperis la unua scienca verko pri problemoj de internacia komunikado, speciale per planlingvoj.

### 1. Unua kolekto de la Problemgrupo

La ruslingva verko (anglalingvaj aŭ esperantlingvaj resumoj helpus ĝian plikonatigon!), kiu estas dediĉita al la memoro de E. A. Bokarev, entenas studojn de diversaj membroj de la Problemgrupo kaj de unu eksterlandano (la recenzanto)[4a]. La studoj baziĝas pleje je prelegoj prezentitaj antaŭ la interlingvistika sekcio.
La prestiĝo de la kolekto i.a. karakteriziĝas per tio, ke ĝi estas verkita en la esplorkadro de la kompleksa problemo „Leĝecoj de evoluo de naciaj lingvoj lige kun evoluo de socialismaj nacioj". La prefacon skribis la konata lingvosciencistino, prof. d-ro V. N. Jarceva, korespondanta membro de la Akademio de Sciencoj de USSR kaj direktorino de la Instituto por lingvoscienco, kie ankaŭ laboras la ĵus profesoro nomumita d-ro de filologiaj sciencoj M. I. Isajev.
La libro titolas „problemoj de interlingvistiko". Ni scias, kiom diversaj estas la opinioj pri tio, kio entute estas interlingvistiko[5]).
Kiel atentigas prof. Jarceva, kaj tio kongruas kun Grigorjev kaj Isajev, interlingvistiko ne estas komprenata kiel scienco, nur okupiĝanta pri la artefaritaj lingvoprojektoj, sed ankaŭ esploras la „procezojn de kontaktado de la lingvoj en la mondo, la pluevoluigadon de la marksisma-leninisma instruo pri la perspektivoj de la lingva evoluo de la moderna homaro" (p. 3). Ke tiel ankaŭ ĉiuj aŭtoroj de la unuopaj studoj komprenas interlingvistikon, kiel skribas prof. Jarceva, ne estas tute vera, kiel mi poste montros.
La libro entenas entute 12 memstarajn studojn kaj aldonaĵon. Kalkulante la prefacon de V. N. Jarceva kaj la artikolon de M. I. Isajev pri Bokarev kaj interlingvistiko al la enkonduka parto de libro, ĝi dividiĝas entute en 3 partoj:

1. Enkonduka parto
2. Ĝeneralaj problemoj de interlingvistiko (kompleksa rigardo de unuopaj aspektoj)
3. Historio, tipologio kaj evoluo de planlingvoj

La libro donas kiel memstaran parton, ne tute motivite, „interlingvistiko kaj lingvoprojektado en Rusio".
Sekvas kiel aldonaĵo la listigo de entute 39 interlingvistikaj prelegoj (1964–1975), kiuj estis aranĝitaj de la sekcio interlingvistiko ĉe la instituto de lingvoscienco. (p. 157/158)
La plej multaj traktitaj problemoj „ĝis nun en la scienco ne estas sufiĉe pritraktitaj" (p. 3) skribas V. N. Jarceva kaj ŝi daŭrigas, la libreto „aperos en tempo, kiu estas karakterizita de la malstreĉiĝo en la mondo kaj de pli oftaj internaciaj kontaktoj. La forte pliampleksiĝanta scienca informado ankoraŭ pli aktualigas la solvon de la lingva problemo de la moderna mondo, konsiderante la evoluantajn internaciajn rilatojn". (p. 4)

### 2. Ĉefaj tezoj de E. A. Bokarev

Al tiu simpatia prefaco sekvas la studo de M. I. Isajev „E. A. Bokarev kaj la interlingvistiko" (p. 5–11), kie la aŭtoro prezentas la ĉefajn aktivecojn kaj tezojn de la konata kaŭkazologo, interlingvisto kaj esperantista aganto. Ĉar

Bokarev neniam estis kabineta lingvisto, sed havis tre praktikan rilaton al lingvistikaj problemoj, li ankaŭ elstare agadis en la internacia Esperanto-movado. Tiel la studo de Isajev samtempe ankaŭ ĵetas lumon je la evoluo de la Esperanto-movado en Sovetunio post la dua mondmilito.
Tre grava estas la kompleksa kompreno de la interlingvistikaj fenomenoj ĉe Bokarev. Li ĉiam realisme kaj laŭ la faktoj enkadrigis la sole plane funkciantan planlingvon Esperanto kaj la esperantologiajn problemojn en la ĝeneralan pli vastan teorion pri interlingvistiko. Tion la recenzanto ankaŭ persone scias el multaj personaj interparoloj, kiujn li bonŝance havis kun la tro frue forpasinta profesoro. Onidiroj, ke Bokarev havis objektivisman sintenon al Esperanto, eĉ trovis teorie kaj praktike pli bonaj la naturalismajn projektojn, estas falsigado[6]). Bokarev estis esperantisto, sed ne fanatika, kaj li kompreneble konservis al si klaran vidon por la komplikaj kaj ne sufiĉe esploritaj problemoj de la esperantologio.
Kiel ankaŭ montras Isajev, Bokarev ne havis iun mitan rilaton al la problemo de artefariteco en lingvoj (p. 9). Li mem aktive kunlaboris en la konscia pluevoluigado de kaŭkazaj lingvoj. Konscie kreita planlingvo, kiel Esperanto, por li estis tute normala fenomeno.
Plene aktuala ankaŭ estas la tezo de Bokarev, kiel montras prave Isajev, ke helpa lingvo devas havi larĝan socian funkcion kaj ne povas esti limigita en ĝia funkcio nur por unu aŭ malmultaj komunikadaj sferoj, ekz. la scienco (p. 9). Tiu lia tezo estas grava ekz. rilate al la aserto de la adeptoj de naturalismaj planlingvoj, ke Interlingue aŭ Interlingua nur servu al la scienco, aŭ ke Ido ne bezonas literaturon k.t.p. Isajev informas, ke Bokarev laboradis pri sia (planita kiel tia) ĉefverko „Enkonduko en la interlingvistikon". Sed, nekompreneble, la manuskripton oni ĝis nun ne trovis, informas Isajev. Oni nur povas esprimi esperegon, ke retroviĝos la manuskripto!
Isajev finas sian studon „Li (Bokarev – la rec.) postlasis gravan teorian heredaĵon. La studo de tiu heredaĵo kaj ties pluevoluigado estas la scienca kaj socia devo de la sciencistoj kaj posteuloj de la plej granda soveta interlingvisto E. A. Bokarev" (p. 11). Kunlige al tio oni esperas baldaŭ legi kompletan komentitan bibliografion de ĉiuj publikigitaj verkoj de Bokarev (ne nur interlingvistikaj). Pro tiu, laŭ la opinio de la recenzanto, post iom da tempo skribendas nova artikolo „La ĉefaj interlingvistikaj tezoj de E. A. Bokarev", kiu kompletigus la bonen superrigardon sed ĉefe resuman prezenton de Isajev.
Du studoj de la kolekto baziĝas je prelegoj de E. A. Bokarev mem. „La nuntempa stato de la demando pri monda helplingvo – faktoj pri Esperanto" (prelego 1965 en la Lingvoscienca Instituto de la Akademio) kaj „Pri la internacia lingvo de scienco" (prelego 1967 antaŭ la prezidio de la Akademio).
En la unua prelego (preparita por la presado fare de M. I. Isajev) Bokarev (p. 12–20) analizas kelkajn bazajn problemojn de la internacia komunikado kaj eblecojn de ilia raciigo. Kvankam la faktoj menciitaj (1965!) ne ĉiuj plu estas aktualaj, (ekz. jam estas konate, ke Ido ne estas laborrezulto de grupo de sciencistoj, sed simple la projekto de L. Couturat, p. 14) tamen plue validas la unuopaj tezoj. Jam 1965 Bokarev parolis pri eble 100 adeptoj de Ido en monda skalo, kio laŭ materialoj de la recenzanto ŝajne estas tute vera. Kontraŭante al diversaj nesciencaj spekulacioj oni devas substreki, kion diris Bokarev: „Ankaŭ pli poste (post Ido – D. B.) ekzistis tuta aro de interesaj projektoj. Sed eĉ ne unu povis starigi sian movadon kontraŭ la Esperanto-movadon, ĉar unuopaj bonaj trajtoj de la projektoj ne povis motivi la likvidon de Esperanto kaj la kreon de plene nova movado. La esperantistoj utiligis sian lingvon disvastigante ĝin, dum ĉiuj aliaj projektoj restis en la sfero de puraj teoriadoj" (p. 14). Ni revenos al tiu penso de Bokarev. Tre aktuala ankaŭ estas la postulo de Bokarev, ke la lingvosciencisto devas okupiĝi pri la fenomeno Esperanto (p. 17): „La demando de internacia lingvo starigas antaŭ la lingvosciencisto tutan aron da grandaj teoriaj problemoj. Kia ajn povas esti lia opinio pri Esperanto, ĝi estas kiel amasa lingvistika eksperimento, funkcianta dum longa tempospaco, de granda teoria intereso. La lingviston ĉi-tie devos multon interesi: la problemo de la prononca normo, vortfarado, la problemo de sinonimoj, vortordo – pri ĉiuj tiuj problemoj Esperanto liveras valoran eksperimentan materialon" (p. 17).
Paranteze dirite, je tiuj principaj konsideroj de Bokarev baziĝas la doktoriĝa disertacio de la recenzanto[7]). Krome Bokarev tre substrekas, ke lingvo estas kulturhistoria fenomeno, ke do la diferenco inter la t.n. artefaritaj kaj naturaj lingvoj estas grada kaj ne principa. (p. 18)
En sia dua prelego (p. 21–25) Bokarev karakterizas kelkajn problemojn de nacia lingvo kiel internacia komunikilo, mencias la plej gravajn grupojn de planlingvaj projektoj kaj karakterizas koncize la aplikitecon de Esperanto kiel lingvo de scienco. De baza aktuala signifo estas lia postulo: „Antaŭ ĉio necesas la serioza esplorado de ĉiuj aspektoj de tiu problemo (internacia lingva komunikado pere de planlingvo – D. B.) en scienca centro (aŭ en pluraj centroj) kaj la larĝa propagando de tiuĉi problemo en sciencaj rondoj, por prepari tiel la principan pritrakton en decidkapabla internacia instanco. Kaj kompreneble necesas kiel eble larĝa eksperimenta aplikado de konkreta formo de internacia lingvo (ekz. Esperanto) por sciencaj celoj" (p. 25). 1977, 10 jarojn post la esprimo de tiu postulo de Bokarev, oni nur povas substreki, ke sen baldaŭa institutigita sistemo scienca esplorado de interlingvistiko ne plu eblas teni eĉ nur la superrigardon pri la evoluo de tiu nova scienco, ne parolante pri memstaraj esploroj. Ĉiu ŝtato, kiu ne volas iam esti en la pozicio de la „postkuranto" nepre devas pri tio konsciiĝi.

## 3. Interlingvistiko – branĉo de socilingvistiko

En plua kontribuo „La problemo de artefarita internacia interkomunikada lingvo" (p. 26–34) M. I. Isajev donas tre bonan superrigardon pri la plej gravaj nuntempaj opinioj de sovetaj sciencistoj pri la problemo de internacia lingvo. Tiu ĉapitro certagrade respondas al la interesa lasta ĉapitro de lia libro kun Baziev „Jazyk i nacija"[8]) kaj la esperantlingva prelego en la kadro de la Internacia Somera Universitato 1974 (59. Universala Kongreso de Esperanto, Hamburgo/FRG, 1974).
Oni povas konsenti kun la opinio de Isajev, ke interlingvistiko „kiel elemento de la sociolingvistiko staras ĉe la linio inter lingvoscienco, sociologio kaj filozofio" kaj kiel li daŭrigas, „Bazajn interlingvistikajn demandojn oni ne povas ĝuste kompreni, se oni rigardas ilin ekster la ligo kun la evoluo de la homaro entute" (p. 26). Estus tre dezirinde legi iam pli kompletan ĉapitron de prof. Isajev pri la problemo „Objekto, ĉefaj taskoj kaj metodoj de interlingvistiko", ĉar ni povas certi, ke Isajev kiel marksisma-leninisma specialisto por la problemo de rilatoj inter nacio kaj lingvo, pri lingvo-planado, entute pri leninisma lingvopolitiko, povas multon diri al ni pri tiu temo. Tre grava estas lia klara distingo inter la spekulativa demando pri tutmonda sola internacia lingvo kaj internacia helpa lingvo, kiu staras apud la naciaj lingvoj (p. 26). La studo montras la principan gravecon de la interlingva problemaro laŭ marksisma-leninisma vidpunkto. Legante la studon de Isajev, oni estas surprizita pro la fakto, ke multaj sovetaj sciencistoj (lingvistoj, filozofoj, sociologoj, historiistoj) dum la lasta tempo pli kaj pli ofte tuŝas la problemon de internacia lingvo, kompreneble laŭ diversaj vidpunktoj. Prave Isajev substrekas, ke la naciaj lingvoj ankoraŭ daŭre pligraviĝas kaj sekve ankaŭ naciaj lingvoj en la funkcio de internacia komunikilo. Tiun evoluon, tipan por la nuntempo, oni devas konstati kiel leĝecan kaj sekve akcepti. Krome „oni devas substreki la helpan karakteron de la artefarita

lingvo. Ĝi estas kontraŭstarigita nek al la naciaj lingvoj, nek al la interpopolaj (meĵnacionalnyj, temas pri la rusa en USSR – D. B.), nek al la mondlingvoj, specialaj kodoj kaj signaj sistemoj. La artefarita helplingvo, tio estu substrekata, sole devas plifaciligi la multflankajn rilatojn de la homoj sur la mondo" (p. 34). Sed, tiel ni volonte aldonos, tio ne ekskludas, ke *ŝanĝitaj* internaciaj rilatoj ankaŭ kondiĉigas *novajn solvojn* de la internacia lingva komunikado. Se oni volas oferti solvojn por la estonto, oni nun devas komenci la koncernajn esplorojn, alikaze oni ne estas preta doni kompetentajn respondojn al nepre starigotaj demandoj.

## 4. Planlingvoj – kiel interlingvistika problemo

Kun granda gajno oni ankaŭ ĉiam legas studojn el la plumo de V. P. Grigorjev, kaj oni povas bedaŭri ilian maloftecon.

Ni ĉiam trovas sagacajn, bone bibliografiitajn kaj problemplenajn traktajojn. Tio plene validas por lia ĉapitro „Artefaritaj mondaj helplingvoj kiel interlingvistika problemo" (p. 35–54).

Laŭ Grigorjev „la interlingvistiko esploras la manieron de kontentigo de la bezono je rimedoj de internacia komunikado laŭ socia historia-filologia aspekto kaj aliaj vidpunktoj" (p. 41).

Tamen, la ĉefa objekto de interlingvistiko laŭ li estas tiu problemaro, kiu estas ligita kun la kreado kaj funkciado de artefaritaj mondaj helplingvoj (p. 35).

Certe tiuj tre koncizaj difinoj de interlingvistiko donas sufiĉan ŝtofon al diskuto. Kun kontento oni legas kritikon kontraŭ Mario Wandruszka, kiu plene ŝanĝis la tradician enhavon de la termino interlingvistiko, komprenigante sub tiu nocio komparan lingvosciencon en vasta senco (p. 35). Grigorjev, omaĝante al la verko de Bokarev, atentigas pri vico da interesaj problemoj, ekz. pri la semantika senvalidigo de la nocio „internacia lingvo" (p. 39) aŭ pri la signifoŝanĝoj (pozitiva aŭ negativa) de la vorto „Esperanto" (p. 39/40). Kun danko ni registras simpatian prijuĝon de la GDR-numero de Paco 1973. Ni volonte aliĝas al lia kritiko de la nocioj „mortaj kaj vivaj lingvoj", ankaŭ nuntempe tro ofte renkonteblaj restaĵoj de jungramatikaj konceptoj de la pasinteco, influitaj de la darvinismo en lingvoscienco.

Se Grigorjev skribas, „La esplorado de universalioj inter la naciaj lingvoj" kaj la novaj metodoj por ekkoni la naturon de lingvo, sur la kampo de la „konstruiva interlingvistiko" ne kondukis al konkurantoj, danĝeraj por Esperanto, eĉ ne aperis esence novaj ideoj (p. 49), tiam ni nur povas substreki tion, eĉ des pli, ĉar Esperanto ankoraŭ tute ne estas sufiĉe esplorita per lingvosciencaj metodoj. Pri tio atentigas la aŭtoro lige al „lingva kulturo de Esperanto". Vere, mankas iu aktiva, laŭ klaraj lingvosciencaj kriterioj kondukata sistema evoluigo de la lingvo, speciale en la sferoj de la scienca leksiko. Certa pasiveco de la Akademio de Esperanto ĉirilate ne estas nerimarkebla. Grigorjev priplendas mankantan gradon de normiteco de la lingvo kaj parolas „rilate al la normo" pri „nesufiĉeco de tiu artefarita monda helplingvo" (p. 49). Li plue konstatas, speciale en Plena Ilustrita Vortaro (PIV) troviĝantan „tendencon al okcidentiĝo". Ĝuste pro tiuj ne tute senbazaj rimarkoj, sistemaj esploroj de la konsisto, ŝanĝoj kaj evoluo de la leksiko estas tre gravaj. Tamen, ni komprenus la ekziston de PIV kiel pruvon de normigado en Esperanto kaj entute iom pli alte taksas la gradon de la normiteco de Esperanto ol tion faras Grigorjev. Ampleksaj analizoj de PIV, ofte postulitaj, bedaŭrinde ŝajne ne estas entreprenitaj ĝis nun.

## 5. La lasta studo de prof. Armand

Recenzante la sekvantan studon en la kolekto ni memorigas pri la dolora perdo, kiun suferis la scienca mondo per la forpaso de prof. d-ro Armand. Lia artikolo „La homaro kaj la oceano de informoj" (p. 55–59) liveras multe da validaj materialoj pri la pliakriĝanta komplikeco de la internacia scienca informado, karakterizita per pli kaj pli da kvantaj kaj kvalitaj perdoj. Analizante la evoluon de la scienca informado Armand konkludas por la evoluintaj landoj: „La spertoj instruas, ke en la evoluintaj landoj . . . la nombro de la specialistoj estas proporcia al nombro de la loĝantaro, kaj la nombro de la konsiderebla legaĵo en la koncerna lingvo estas proporcia al la kvadrato de la specialistaro. El tio sekvas, ke regresos la nombro de la publikaĵoj en la angla, franca kaj germana lingvoj en la sekvontaj jardekoj kaj ludos pli grandan rolon tiuj en la japana, hinda, araba, suahelia kaj aliaj lingvoj" (p. 56). Entute, kiel pruvas Armand, la kvalito de la informoj, destilitaj el la fontoj plej diverslingvaj, daŭre malkreskas (p. 57/58).

## 6. Projektoj aŭ lingvoj?

Kelkaj studoj okupiĝas pri problemoj de la strukturo, tipologio kaj historio de planlingvoj. Ili estas de S. N. Kuznecov. (Pri la tipologia klasifiko de internaciaj artefaritaj lingvoj (p. 60–78), de la recenzanto mem (Pazigrafioj – p. 79–91), A. D. Duliĉenko (El la historio de interlingvistika penso en Rusio, p. 114–130), L. J. Vasilevskij (Nekonata ĉapitro el la historio de la patrolanda interlingvistiko. La lingvo Universal 1925), D. G. Bajev (Varianto de internacia helpingvo Aksiom Variant, p. 139–156). Ni iom pli okupiĝu pri la tre originala kaj interesa studo S. N. Kuznecov, studo, kiu bezonas principan konsideron. Ankaŭ Kuznecov tuŝe esprimas sin pri tio, kion li komprenas sub „interlingvistiko". Li skribas: „La internaciaj artefaritaj lingvoj estas esplorobjekto de du interdisciplinaj teorioj: la teorio pri la internaciaj lingvoj (la internacia en la lingvo) kaj la teorio pri artefaritaj lingvoj (la artefarita en la lingvo). La unua teorio estas konata sub la nocio „interlingvistiko". La dua ankoraŭ estas en stato de elformiĝo kaj ankoraŭ ne sin limigis de la najbaraj disciplinoj" (p. 60).

La unua teorio, laŭ Kuznecov, havas sociolingvistikan naturon, la dua lingvosemiotikan. Pri tio ni ŝatus laŭtigi plej fortajn dubojn. Oni, laŭ nia opinio, ne rajtas enkonduki en la sciencan traktadon de la *internacia lingva komunikado* (tio estas laŭ ni la objekto de interlingvistiko) iun disbranĉigitan aron de disciplinoj kaj disciplinetoj. Post forta disizoliĝo de unuopaj lingvistikaj disciplinoj, ni observas nun pli kaj pli la klopodon pritrakti la lingvon kaj la „lingvan komunikadan agadon" en *sia tuteco,* komplekse kaj interdiscipline kaj ĉio-ĉi estas „Lingvoscienco" aŭ „scienco pri komunikado"[9]).

Interlingvistiko do inkluzivas kaj sociolingvistikajn kaj lingvosemiotikajn kaj aliajn esplorojn kaj ne povas ekzisti ekstere de tio. Kuznecov en sia studo esploras la lingvosemiotikajn aspektojn de la planlingvoj por ilin klasifi laŭ tio. Oni devas atesti al la aŭtoro la originalecon de lia esploro. Li ofertas klasifikon de planlingvaj sistemoj laŭ lingvostrukturaj vidpunktoj. Klasifikiloj i.a. por li estas 1. la rilato de la projektoj al la „naturaj" naciaj lingvoj (grado de aposterioreco aŭ aprioreco); 2. la nombro de la manifestiĝoj (grafema, fonetika, alisigna); 3. la strukturo de la signo (sistemo de la signaj ebenoj, karakterizaĵoj de la morfemoj, motivigo de la signifo de vorto, ekzemple formala aŭ ikona aŭ semantika); 4. deveno de la morfemoj (leksike homogenaj aŭ heterogenaj projektoj); 5. grafika sistemo de la projekto; 6. rilato inter morfemo kaj morfemkunligoj (laŭ tio hiperskematikaj hiposkematikaj, hipernaturalismaj kaj hiponaturalismaj projektoj) k.t.p.

Restante en la kadro de la logiko de la klasifiko de Kuznecov, la recenzanto volonte akceptas lian atentigon, ke la pazigrafioj estas rigardeblaj kiel planlingvaj projektoj kun nur unu ebeno de manifestiĝo (la grafika) des pli, ĉar

vere por multaj pazigrafioj ankaŭ facile estas konstruebla fonetika ebeno, (la fonetigo de la pazigramoj) kaj tio ankaŭ ofte okazis. La prezentita klasifo pri pazigrafioj (p. 79–91) do sekvas la tradician. Ne povante fermi nin kontraŭ la sagaceco kaj originaleco de la prezentita analizo, ni tamen havas fortajn kaj principajn dubojn pri la elirpunkto de la tuta studo. Ĉu oni vere laŭ scienca vidpunkto povas limigi sin je lingvostruktura priskribo, klasifo, analizo de io, kio fakte ne ekzistas kiel lingvo? La plej multaj „artefaritaj lingvoj" kiujn citas kaj klasifikas la aŭtoro, ne estas lingvoj sed projektoj, eble presitaj unufoje, neniam disvastigitaj. Multaj projektoj nur estis skize prezentitaj en gazetoj, private multobligitaj k.t.p. De „Ku-ĝi" (p. 68), projekto de S. A. Kukel-Krajevski el 1921 entute, laŭ Drezen, nur ekzistas 2–3 manuskriptaj ekzempleroj (Drezen, Mondolingvo 115/116). La ciferlingvo Ao de Gordin (p. 46) renkontas la plej akran kritikon de Drezen kiel pure fantazia (Drezen, Mondolingvo 124). La projekto de Digbens (1653) estas citita tra diversaj fontoj ĉe Drezen, ĉu ĝin vidis Kuznecov? Kaj kion pri Nepo de Češiĥin, pri la multaj Volapukidoj, Esperantidoj, Ididoj, pri Ro, Ani-Babylon, Intal, Neo, Frenda k.t.p. Pri la pli novaj oni regule povis legi en „The International Language Review" (USONO). Sed ĉu vere eblas „analizi", „kompari" kaj „klasifiki" ĉion-ĉi kiel *lingvoj*? Certe kiel lingvoprojektoj, pli malpli fantaziaj, sed kiel *lingvoj*? Lingvo estas ligita al la homa socio, funkcias kiel instrumento de komunikado, pensado kaj ekkonado. Semantika ebeno de lingvo ne povas ekzisti, se tiu lingvo ne servas al la esprimo de ideoj, do ne funkcias. Pro tio Kuznecov pafas, por tiel diri, per komplikaj „lingvistikaj kanonoj" al „lingvo-fantomoj". Krom Esperanto, Volapuko, Ido, Interlingue, Interlingua (Gode) kaj eble Latino sine flexione kaj Novial ĉiuj aliaj multaj artefaritaj „lingvoj", kiujn analizas la aŭtoro laŭ, kiel konsentite, tre originala metodo, estas *projektoj* kiuj neniam funkciis kiel *lingvoj*. Por poligloto estas relative facile konstrui „lingvon", ĉiujare aperas iuj novaj projektoj. Sed funkciigi tian projekton, servigi ĝin al interhoma komunikado, per tio evoluigi ĝin laŭ la sociaj bezonoj, tio estas tre komplika afero. Atentigo pri tio ne rajtas manki en la priskribo.

Ĉiu interlingvisto ekzemple scias, ke la multaj Volapukidoj, Esperantidoj, Ididoj aŭ Ro, Suma, Nepo, Neo, Intal k.t.p. neniam estis plan*lingvoj*, sed certe ne scias tion la laiko, la interlingvistike neklera sciencisto, kiu tro facile esprimas iun opinion sen funde koni la problemaron.

Kaj ĝuste tial ni, interlingvistoj pli konscie devos oferti niajn materialojn tiel, ke ne regu plena konfuzo pri la granda oferto de elekteblaj artefaritaj lingvoj sur la interlingvistika merkato. Interlingvisto ne rajtas prezenti fantomojn kiel esplorprojektojn.

Feliĉe, kaj tion oni objektive devas konstati, Kuznecov prenas la plej multajn ekzemplojn el la tiel nomitaj semiplanlingvoj (duonplanlingvoj) kaj Esperanto.

Lingvotipologiaj klasifikoj de planlingvaj projektoj ekzistas plej diversaj, ankaŭ A. Duliĉenko remencias konatan (p. 115/116). La marksisma-leninisma lingvoscienco progresis. Oni devas finfine apliki sociolingvistikajn kriteriojn kiel komunikada funkcio de planlingvo, komunikada larĝeco en la socio, sufiĉeco de la lingvoportanto (iun liman kvocienton necesas atingi, por ke lingvo povu evolui) k.t.p.

Laŭ ni oni povas, iom simpligite, distingi tri grandajn grupojn:

1. *Planlingvaj projektoj* estas la multaj provoj kaj projektoj, kiuj ekzistas laŭ multaj centoj kaj kies nombro ankoraŭ kreskas. Ili ĉiuj neniel uziĝis kiel internacia komunikilo.
2. *Semiplanlingvoj* povas esti nomataj tiuj provoj kiuj jam ne plu estas nur surpaperaj projektoj, sed ankaŭ ne atingis uzatecon en tiu supre menciita rango. Semiplanlingvoj (do „duonaj" planlingvoj) *principe povus* evolui al lingvo se la eksterlingvistikaj faktoroj (i.a. socia bezono) kondukus al ilia internacie vasta uzado. Ni kalkulu al tiu grupo Volapük (Schleyer 1879), (kvankam ties lingvostrukturaj malperfektaĵoj verŝajne neniam estus permesantaj pli longdaŭran sukceson), Ido (Couturat 1907), Latino sine flexione 1903), Occidental-Interlingue (de Wahl 1922) kaj Interlingua (Gode 1951). Multaj aliaj projektoj „vivetis" mallonge en la bultenoj de siaj aŭtoroj, ekzemple ankaŭ Novial (1924) de la fama lingvisto O. Jespersen. En la nuntempo fakte nur Ido, Interlingue kaj Interlingua ekzistas kiel „semiplanlingvoj".
3. La *planlingvo Esperanto*. En Esperanto manifestiĝas la ĝis nun sola kaj unika kazo, ke el projekto dum kelkaj jardekoj de vasta internacia uzado formiĝis lingvo kun ĉiuj ecoj, karakterizanta lingvon, studebla laŭ lingvosciencaj vidpunktoj kaj metodoj.

Vere prezenti la interesajn lingvosciencajn problemojn ĉe la ekzemplo de planlingvo oni nur povas plengrade, se oni esploras la grandan lingvistikan eksperimenton, kiel diris Bokarev. Oni ekipu „ekspedicion" ne nur por sonbendi la lastajn lingvajn spirojn de formortanta lingvo en iu regiono de la mondo, sed esploru la funkciadon de la lingvo dum Universala Esperanto-Kongreso, esploru la lingvon kiel ĝi funkcias en la literaturo, korespondado, en radio, kiel arta esprimilo k.t.p.

Por ne esti miskomprenita, ankaŭ ni ja skribis pri projektoj (la pazigrafioj), priskribado de projektoj kaj semiplanlingvoj ne estas senutila, se oni donas la montritan relativigon. Konsiderante pri la realaj rilatoj inter projektoj, semiplanlingvoj kaj *la lingvo* Esperanto, oni ja povas kaj devas esplori la diversajn projektojn, speciale la semiplanlingvojn Ido, Occidental-Interlingue kaj Interlingua (Gode), pro jenaj kaŭzoj:

1. La registrado kaj prijuĝo de tiuj provoj montras la vojojn kaj erarvojojn iritajn kaj ireblajn (kaj ĉiam denove irotajn) al la kreo de funkcianta internacia planlingvo.
2. Lige al 1. tiuj provoj spegulas certarilate iujn lingvosciencajn aŭ filozofiajn teoriojn (ekz. Loglan laŭ la aŭtoro J. C. Brown servas por testi la Sapir-Whorf-hipotezon) kaj ofte havas fortajn ideologiajn komponentojn (la basic-projektoj ekz. estas konstruitaj sur ŝovinisma fono, la naturalismaj projektantoj, konscie aŭ ne, estas adeptoj de la Sapir-Whorf-hipotezo, kiel klare agnoskis ekzemple Gode). Tiel rigardate, la historio de la lingvoprojektado apartenas al la historio de la homa inventemo.
3. Oni ne povas nei, ke el diversaj semiplanlingvoj oni povas multon lerni por la pluevoluigado de Esperanto ekz. por la faka terminologio ĝuste de la naturalismaj projektoj, kiel montris Eugen Wüster). Sed tiu pluevoluigado nur povas okazi konsiderante la specifan strukturon kaj evoluovojon de Esperanto.
4. La okupiĝo pri projektoj kaj semiplanlingvoj povas havi valoron por la ĝenerala lingvoscienco (ekz. naturalismaj projektoj kaj kompara romana filologio, pazigrafioj kaj semiotiko k.t.p.)

   *En tiu senco* ankaŭ la studoj de Duliĉenko kaj de Vasilevskij estas tre interesaj.

Sed mi ripetas, vere studi la fenomenon de plan*lingvo* ĝis nun nur eblas, se oni analizas la funkciantan Esperanton.

Duliĉenko preparis manuskripton kun datoj pri ĉirkaŭ 900 planlingvaj projektoj (p. 116).

Forte surprizita estas esploranto de la historio de laborista Esperanto-movado eksciante, ke la konata aktivulo de SAT kaj IPE, Herbert Muravkin, estis tiu Harley Vamu (pseŭdonimo), kiu kreis 1925 la projekton Universal, reformprojekto de Esperanto. Certe, Muravkin sin tamen plene dediĉis al la proleta laborista Esperanto-movado kaj neniam serioze propagandis sian projekton.

Aksiom Variant de D. G. Bajev (p. 139–157) ne prezentas iun novaĵon sur la projekta merkato kaj estas karakterizebla kiel novlatina projekto kun elementoj el ĝermanaj kaj aliaj lingvoj: „Omnius kompozitor debeto habere la

kontakt kon populus kreatia de suus land et largum utilizirere la temas de populus kantatas in suus opuses" (p. 156).
Verŝajne unuafoje en la recenzata volumo estas io publikigita pri Aksiom-Variant, bonŝanco por la aŭtoro (jam forpasinta).

## 7. Pri evoluo de Esperanto

Por reveni al la tezo de Bokarev pri la neceso esplori la internacian eksperimenton, kion prezentas la reale funkcianta Esperanto, de granda graveco pro tio estas la tre pensinstiga studo de la inĝeniero-ĵurnalisto N. F. Danovskij („Evoluo de Esperanto", p. 92–113). Verŝajne ĝi estas la unua provo prezenti en sistema formo la ĉefajn trajtojn kaj karakterizojn de la evoluo de Esperanto. Entute tiu temo estas de plej alta graveco. Ĝenerale neinformitaj lingvistoj ne komprenas, ke planlingvo kiel Esperanto (preferinda esprimo ĉar ĝuste artefarita lingvo sugestas neevolukapablon) povas (kaj eĉ devas) evolui. Ne sciante la precizajn tendencojn en la evoluo de Esperanto, ne eblas prognozi la direkton de la evoluo, respektive oni ne povas laŭcele inflùi la evoluon de la lingvo (ni memoru la riproĉon de Grigorjev pri la okcidentiĝo de Esperanto). Distingante kaj por „natura" kaj por „artefarita" lingvo 5 bazajn komponentojn (fonetiko, gramatiko, leksiko, frazeologio, stilistiko) Danovskij forgesis la grafeman komponenton. Li pravas, ke la lingvaj ŝanĝoj speciale montriĝas en la vorttrezoro kaj pro tio koncentras sian analizon al tiu komponento. Laŭ li efikas *eksteraj* (sociaj) kaj *internaj* (lingvaj) „evolulinioj" de Esperanto (p. 93), pli bone faktoroj. Analizante la eksterajn faktorojn li ĝis nun distingas entute 6 periodojn. Ni citas:
*Unua periodo* (1887–1905). Ekde la unua publikaĵo (la unua libro) ĝis Boulogne-sur-mer, la lingvo precipe evoluas kiel skriba lingvo. La plej multaj esperantistoj estas rusoj.
*Dua periodo* (1905–1914). La lingvo evoluas en fonetika formo.
*Tria periodo* (1914–1919). La evoluo de la lingvo estas bremsata per la okazaĵoj de la unua mondmilito.
*Kvara periodo* (1920–1939). Ŝtorma prospero de la proleta Esperanto-movado apud la evoluo de la „ĝenerala", „neŭtrala" movado. Forta akcepto de scienca-teknika terminologio en la lingvo.
*Kvina periodo* (1939–1945). Dua mondmilito.
*Sesa periodo* (ekde 1945). Komplika kaj multforma evoluo en nova politika situacio (disbato de faŝismo, kolapso de la koloniismo, larĝa movado de la popoloj por paco kaj amikeco). Influo de novaj ekkonoj de scienco kaj tekniko (p. 94).
Danovkij pli detale karakterizas la unuan, kvaran kaj sesan periodojn. La plej intensa evoluo de la lingvo okazis (–os) laŭ Danovskij en la kvara kaj sesa periodoj. Kial, oni sin demandas, ne ankaŭ dum la unua, kiam Zamenhof kaj aliaj literaturistoj forte skulptis la ĝermantan lingvon? La periodigo, kvankam interesa kaj akceptebla kiel tuto, estas motivigita kaj karakterizita malunuece. Oni rimarkas 5 kriteriojn:
1. Rilato inter skriba kaj fonetika formoj de la lingvo (periodoj 1, 2) 2. Evoluo-prospero, regreso, ĝenerale (periodoj 3, 5) 3. Indiko, en kiuj sferoj la lingvo evoluas (periodoj 2, 4, 6) 4. Nacia influo je la lingvo (rusa: unua periodo).
La cito de ĉiuj tiuj karakterizaĵoj estas motivigebla, sed mankas unueca apliko al la unuopaj periodoj. Cetere, ne estas vero, ke dum la unua periodo Esperanto „severe evoluis laŭ la reglementitaj elementoj de tiu periodo, t.e. sin limigante je la „fundamentaj vortoj kaj formoj" (p. 94). Estas konate, ke Zamenhof uzis grandan vorttrezoron neregistritan en la Universala Vortaro. Parolante pri la 6-a SAT-Kongreso 1926 en Leningrad (p. 96/97) Danovskij eraras, asertante, ke Lunaĉarski *partoprenis* tiun kongreson. Li nur sendis salutparoladon.
Ankaŭ la aserto, ke la unua periodo estis „karakterizita per la plej forta rusa influo" (p. 95) nur povas esti komprenata, parolante pri la influo dum la ses periodoj entute.
Kiel Gregor povis montri, analizante la senafiksajn kunmetaĵojn de la unuaj tri jaroj (1888, 1889, 1890), la slavmodelaj nur estis 18 % de ĉiuj, kaj 34 % estas originale (ne laŭ nacilingva modelo) konstruitaj. „Do la plej granda grupo konsistas el kunmetaĵoj, por kiuj Esperanto ne estas slava kopio, sed memsufiĉa imagbildo"[10]), skribas Gregor. Ankaŭ estus utile ekscii iujn pruvojn por la aserto, ke estas iu enfluo de la japana kaj de la vjetnama lingvoj je Esperanto (p. 99). Tio ja estas probabla, sed ŝajne ankoraŭ neniu precize tion esploris.
Parolante pri la evoluo de Esperanto sub la efikado de *internaj faktoroj* Danovskij uzas diversajn nociojn kaj starigas asertojn, kiuj entute bezonus pli detalan klarigon kaj pruvon, aŭ fortan substrekon de la hipotezeco el tiuj prezentoj.
Legante pri „la grado de la atingita perfekteco, kiun ni nomas „efikeco de la informado de la lingvo", kiu „povas esti montrita per komparo inter la kontrolita kaj la modellingvo (kiel modelo por prijuĝi artefaritajn lingvojn oni povas preni ĉiun naturan lingvon)" (p. 99), kiel skribas Danovskij, oni sin demandas, kion la aŭtoro entute volas esprimi per tio.
El la montritaj diversaj ekzemploj pri ŝanĝoj en la Esperanto-leksiko ni tute ne kapablas konkludi pri „ĝenerala tendenco al plialtiĝo de la informefikeco" (p. 100) de Esperanto. Ni plue aliloke legas pri „principoj" kaj „kategorioj", kiuj efikadas en Esperanto, ekzemple pri „principo de facileco" (p. 114) (facila por kiu rilate al kio?), „principo de unusignifeco" (p. 109) pri la rilato inter „maksimumo je facileco" kaj „maksimumo je informefikeco", kiu estas „kategorio daŭre ŝanĝiĝanta" (p. 113) k.t.p. Tiuj asertoj, kreo de novaj „principoj", „kategorioj" k.t.p. ne bone harmonias kun la postuloj, kiujn oni devas starigi al esperantologiaj esploroj: detale registri la fenomenojn (kaj doni la fontojn), klare pezi ĉu temas pri unuopaj kaj eble subjektivaj aperaĵoj aŭ vere pri tendencoj kaj nur poste, se eble kun lingvistika terminologio, modeste formuli la tezojn aŭ ekkonojn.
Diversaj ekzemploj, kiuj laŭ Danovskij pruvas evoluon, ŝanĝojn de Esperanto, estas malfacile akcepteblaj. Kio estas samiam (p. 108), mio-ego (p. 109), el-post, al-post (p. 109)? Kaj kial la principo „unu signo = unu signifo" estas esprimo por raciigo? (p. 109)
Polisemio estas unu el la bazaj karakterizoj de lingvo. En naciaj lingvoj certe polisemio kreskis al nesuperrigardeblaj formoj. En Esperanto polisemio evoluis pro la efikado de la lingva leĝeco de ekonomio. Kaj ĝuste polisemio estas unu el la faktoroj, kiuj faras la lingvon „ekonomia", do racia kaj elasta. Tio ankaŭ validas por Esperanto.
Ĝis nun mankas precizaj esploroj pri la amplekso, evoluo kaj la faktoroj (ekz. nacilingva influo) de polisemio en Esperanto. Menciante prave la fakton, ke en Esperanto kun certaj morfemoj kaj vortoj estas paralele uzataj pli mallongaj formoj (proletario – proleto, iniciativo – iniciato) kaj ke superfluajn afiksojn oni pli kaj pli ŝparas (parolemeco – parolemo), la aŭtoro povus mencii la efikadon de la leĝo de lingva ekonomio, kiu realiĝas per la efikado de du sin samtempe reciproke ekskludantaj kaj kompletigantaj principoj (kaj tiuj principoj estas agnoskitaj kiel ekzistantaj), „la principo de sufiĉa redundeco" kaj „la principo de lingva oportuneco"[11]).
Krome oni ne povas akcepti diversajn asertojn pri la „signifoŝanĝoj" de diversaj menciitaj vortoj.
Ekz. *delto* kaj *delta* (p. 110) laŭ PIV (p. 174/175) estas du diversaj aferoj. La signifo de *padelo* (p. 110) ja pliampleksiĝis, sed en la ĉiutaga lingvaĵo ĝia signifo, „la plata parto de remilo . ." (PIV 780) neniam perdiĝis. *Vagonaro* (p. 111) ne nur pli frue signifis „trajno" sed ankaŭ tute en la aktuala lingvaĵo (kp. PIV 1163: 1. trajno, 2. serio da vagonoj en klasifikejo). La uzo de *kvaze, morge, preske* k.t.p. anstataŭ *kvazaŭ, morgaŭ, preskaŭ* neniam estis „tendenco" en la lingva evoluo sed simple subjektivaj ŝanĝoproponoj de unuopuloj.

Resume, la studo de Danovskij estas tre meritplena pro la fakto, ke li entute atakis tre gravan kaj komplikan problemon. Sed ankaŭ estas vero, ke li ne tro aplikis kutimajn lingvistikajn metodojn kaj tre kuraĝe prijuĝis diversajn fenomenojn, ne ĉiam tre precize kaj trafe elektante ekzemplojn.

## 8. Valorega scienca materialo

Entute la volumo „Problemy interlingvistiki" estas tre pensinstiga kaj diskutiga, ne nur pro la ĝenerale alta nivelo de la kontribuoj sed ankaŭ pro la originaleco kaj diskutindeco (eĉ pridubindeco) de diversaj opinioj kaj teorioj. Estas konstatebla ĉe iuj artikoloj, ke mankas sufiĉa utiligo de la moderna interlingvistika kaj esperantologia literaturo en monda skalo. Tutcerte la Problemgrupo ĉe la Akademio disponas aŭ instalos interlingvistikan/esperantologian arkivon por tiel disponi (kaj disponigi al la aŭtoroj de skribotaj studoj) la necesan sciencan materialon. Kiel prave atentigas Grigorjev (p. 47), estas malfacilege alproprigi al si la necesan sciencan materialon pri interlingvistiko kaj esperantologio, kiu daŭre aperadas kaj estas tre dissemita en la mondo. Kaj tiu fakto malfaciligas la kreon de tute aktualaj sciencaj studoj ekz. pri esperantologio (p. 47).
Pro tio en la estontaj volumoj konciza prezento de la plej gravaj interlingvistikaj esperantologiaj verkoj aperintaj dum la lastaj jaroj certe estus dezirinda.

Krom tio estus tre dezirinde, se la aŭtoroj estonte ĉiam en krampoj indikus la originalajn nomojn de citita aŭtoroj aŭ projektoj, tio plifaciligus la postan bibliografian serĉon de la cititaj materialoj.
Aldono de resumoj en la angla lingvo aŭ en Esperanto plifaciligus la merititan diskonigon de tiu libreto en la eksterlando. Ĉar tiu laŭ amplekso modesta verko estas de tre alta scienca valoro, tre diskutiga (en tio ja esprimiĝas ankaŭ valoro de scienca verko) kaj pensiga. Ĝi pruvas, ke en Sovetunio oni serioze komencis trakti la problemojn de internacia lingva komunikado. Serioza sciencisto ne povas ignori tion, kaj tiuj, havantaj antaŭjuĝojn, ne povos teni ilin longe, kvankam, kiel skribas Grigorjev, „estas pli facile fendi atomon, ol malkonstrui antaŭjuĝojn" (p. 53). Sed la malkonstruado estas plifaciligita per tiu verko. Sekvu pluaj.

## 9. Notoj

1) Pri tio mi amplekse informas en la germanlingva duparta artikolo „Zur wissenschaftlichen Beschäftigung mit Plansprachen" en „Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung", 2+4/1977, Berlin (Akademie-Verlag)

2) kp. la nekrologojn en la Monda Lingvo Problemo, Den Haag, vol. 3, n-ro 7, 1971, p. 57–58
kaj „der esperantist", Berlin, n-ro 47 (majo/junio 1971), p. 18–19

3) kp. „Neue Zeit", Moskau, 44/1975, „Sowjetunion", Moskau, n-ro 9/1976, „Moscow News" n-ro 52, 25. 12. 1976 (Esperanto societies of the socialist meet; „der esperantist" n-ro 67/68 (5/6 1974) p. 1–2 kun teksto de la decido pri la esplorgrupo

4) E. Svadost, Kak vozniknjet vseobŝĉij jazyk? Moskva 1968

**4a) Pro teknikaj kaŭzoj la pazigramoj kaj signoj ne estas ĝuste reproduktitaj. Oni kontrolu la indikitajn fontojn'**

5) Skiza superrigardo troviĝas en mia studo „Pri neceso kaj utilo de interlingvistikaj esploroj". Paco (GDR-eldono) 1972, p. 28–32

6) Tion ekzemple asertas iuj interlingue- kaj interlingua-adeptoj en ĈSSR. Pri la sinteno de Bokarev pri tio
Kp. E. A. Bokarev: La internacia lingvo-situacio kaj eblecoj de raciigo, en „der esperantist", n-ro 15 (oktobro 1967) p. 7–10
La prelego ekzistas ĉe CLE kiel sonbendo.

7) D. Blanke: „Plansprache und Nationalsprache, ein Beitrag zur Erforschung ihrer spezifischen Kommunikationsleistungen, gezeigt am konfrontativen Vergleich einiger Probleme der Wortbildung des Esperanto und des Deutschen", Humboldt-Universität Berlin (GDR), 1975, 2 volumoj, doktoriga disertacio.

8) Baziev, M. I. Isajev: Jazyk i nacija, Moskva 1973
(La lasta ĉapitro titolas „O jazykje budušjego", p. 215–226, la traduko aperis en „Paco" 1–2/1974)

9) Hartung kaj kolektivo pledas pri esploro de la „Kompleksa lingva komunikada agado", kie ĉiuj lingvosciencaj disciplinoj kaj subdisciplinoj kunesploros la saman fenomenon (komunikado) de diversaj aspektoj kaj tiel foraperigante ofte artefaritajn limojn inter la unuopaj disciplinoj. W. Hartung, Sprachliche Kommunikation und Gesellschaft, Berlin 1974

10) D. B. Gregor: La plej fruaj senafiksaj kunmetaĵoj en Esperanto, Scienca Revuo, Beogrado, Vol 25, n-ro 2/3 1974, (106/107) p. 102

11) pri tio kp. mian disertacion p. 88–92 (kp. noto 7)

# Interlingvistiko kaj esperantologio: bibliografiaj notetoj

En ĉiu kajero de la GDR-eldono de „Paco" oni trovis artikolojn pri interlingvistikaj kaj esperantologiaj temoj. Ili ĉiam estis riĉe bibliografiitaj, tiel, ke ĉiu interesito povas mem daŭrigi la esplorojn. Same ni aperigis diversajn ampleksajn recenzojn. Lasttempe aperis kelkaj tre valoraj kaj gravaj materialoj, kiuj meritus kaj nepre provokas detalajn kaj kritikajn prezentojn. Tempomanko ne permesis ellabori adekvatajn recenzojn. Tial ni nur donas kelkajn plej gravajn informojn por atentigi pri la materialoj kaj revenos aliloke al kelkaj titoloj.

1. Dum 3–4 jaroj la Instituto de Kibernetika Pedagogio en la Centro por Esplorado kaj Evoluigado por Objektivigitaj Instru- kaj Lernmetodoj (FEOLL), sub la gvido de prof. d-ro Helmar Frank, Paderborn, FRG, eldonas diversajn labormaterialojn en Esperanto kaj la germana lingvo. I.a. aperis

- E. Arnold, A. Münnich: Prinzipien der Programmiersprache Progreso, Paderborn 1975 (Principoj de la programadlingvo Progreso)
- H. Frank, I. Szerdahelyi, E. Bodnár, E. Formaggio: Lehrplanerische Rationalisierung des Sprachunterrichts (Instruplaniga raciigo de la lingvo-instruado) Paderborn 1975.

Temas pri unuaj rezultoj de la 5-landa eksperimenta instruado de Esperanto. La sistema kaj kompleta prezento de la rezultoj ankoraŭ mankas.

- H. Behrmann/S. Štimec: Bildung und Berechnung, Klerigo kaj prikalkulado, Bamberg 1976, 134 p.

2. Reinhard Haupenthal (Red.): Plansprachen. Beiträge zur Interlinguistik. (Planlingvoj. Kontribuoj pri interlingvistiko), Darmstadt 1976, 365 p. Haupenthal, kiu donas enkondukon (iom magran) pri la nova scienca disciplino interlingvistiko, elektis aron da bazaj interlingvistikaj artikoloj el diversaj etapoj de ĝia evoluo. Ni retrovas i.a. „Bericht über die auf Schaffung einer künstlichen internationalen Hilfssprache gerichtete Bewegung" (H. Schuchardt, 1904), „Zur Kritik der künstlichen Weltsprachen" (1907, J. Baudouin de Courtenay), „Esperanto und seine Kritiker" (1924, Collinson) kaj aliaj bazaj kaj famaj artikoloj de Sapir, Jespersen, Trubetzkoy, Manders, Ölberg, A. Bormann, Gregor, Mangold, Carlevaro, Wüster, Szerdahelyi, Mayrhofer kaj aliaj.
Por konantoj de la problemaro bonega

kompendio, por novuloj multflanka enkonduka verko en la problemon de la teorio pri planlingvoj. Bedaŭrinde entute mankas sovetaj marksistaj interlingvistoj kiel Drezen, Bokarev aŭ Isajev.
Tre valora estas la elektita bibliografio pri interlingvistiko de R. Haupenthal (18 paĝoj!).

3. Tazio Carlevaro, Eseo pri Ido, studoj 5, Kultura Centro Esperantista, La Chaux-de-Fonds, 1976, 50 p. Verŝajne ĝi estas la unua sobra lingvistika verketo pri Ido, verkita de bona konanto kaj scipovanto de Esperanto kaj de la tri semiplanlingvoj Ido, Interlingue kaj Interlingua.

4. La verko „Putjeŝĉestvije v slovo" (Vojaĝo en la vorton) de Eduard Vartanjan, Moskvo 1975, enhavas interesan ĉapitron pri la planlingva problemo kaj pri Esperanto (p. 175–189).

5. James Knowlson, Universal Language schems in England and France 1600–1800, Toronto 1975, 302. Tre valora kontribuo pri la historio de pazigrafioj kaj planlingvaj projektoj.

6. Ekaperis serio de „Esperanto-dokumentoj, nova serio", Universala Esperanto-Asocio, Rotterdam. Tiu esperantlingva serio havas paralelan eldonon en la angla lingvo „Esperanto Documents, new series". La kajeroj ĉ. 8–12 paĝoj en bona preso peras diversajn superrigardajn informojn pri la praktikaj atingoj de Esperanto. Ili certagrade anstataŭas la CED-dokumentojn kaj estas kompreneblaj kiel kompletigoj al „Esperanto en Perspektivo". En Esperanto aperis ĝis fino de 1976 n-ro 1 „UNESCO kaj UEA" (1975, 10 p.), n-ro 2 „La kontribuo de Universala Esperanto-Asocio al la Monda Paco" de U. Lins (1976, 7 p.), n-ro 3 „Esperanto tra la etero" de H. Tonkin (1976, 8 p.).
En la angla serio aperis n-ro 1 „UNESCO and the U.E.A." (1975, 8 p.), n-ro 2 „Universal Esperanto-Association – Annual Report 1974-5" (1975, 14 p.), n-ro 3 „60th Universal Congress of Esperanto, Copenhagen 1975" (1975, 19 p.), n-ro 4 „The development of poetic language in Esperanto" de W. Auld (1976, 11 p., ankaŭ aperis en „Hungara Vivo" 3/74), n-ro 5 „The contribution oft the Universal Esperanto Association to world peace" de U. Lins (1976, 8 p.), n-ro 6 „An introduction to Esperanto-studies" de H. Tonkin (1976, 12 p.), n-ro 7 „Esperanto on the air" de H. Tonkin (1976, 10 p.). La dokumentoj estas aboneblaj ĉe UEA, 10 numeroj kostas 25 guldenojn (unu n-ro 3 guldenoj).

7. „Sciencaj Komunikaĵoj", Aldono de Budapeŝta Informilo, Budapest, 1976, julio, 70 p.
Jam la duan fojon, sub la redakto de d-ro Otto Haszpra, la Budapeŝta Teritoria Komitato de Hungara Esperanto-Asocio eldonis kolekton de sciencaj studoj originale verkitaj en Esperanto. Ili baziĝas sur prelegoj faritaj en la kadro de Sciencaj Vesperoj organizitaj ekde 1972 en Budapest. La kolekto i.a. enhavas studojn pri hungaraj popolkantoj, arkeologio, stenografio por Esperanto, temoj el la medicino, kemio kaj hidrologio. Speciale interesa estas ampleksa studo de I. Szerdahelyi pri la morfemaro de Esperanto (p. 11–24).

8. Esperantologiaj kajeroj 1, 1976, Universitato Eötvös Lorand, Katedro pri Ĝenerala kaj Aplikita Lingvistiko, Fako Esperanto Lingvo kaj literaturo, 240 p.
La unua kajero de tiu nove fondita esperantologia serio, redaktita de I. Szerdahelyi, prezentas diversajn antaŭlaborojn por la studobjekto „Sistema Gramatiko de Esperanto", prilaborata ĉe la universitato.
La kajero enhavas la diplomdisertaciojn de Tibor Vasko (Ĉu ideala sonsistemo? Analizmetodoj por esplori optimecon de sonsistemo), Balaĵ Wacha (Pri la Esperanta verbo) kaj Zszusa Barcsay (Verba regado kun prepozicio en Esperanto kaj la ekvivalentaj formoj en la hungara). Krome la kolekto enhavas ampleksajn studojn de I. Szerdahelyi (La Esperanta Morfemaro, La artikolo, ci – ĉu mortnaskita) kaj enkondukon de la fakestro. Estas salutinde, ke la kajero ankaŭ represas la enketon kaj decidojn de la Akademio pri la demando de la vortfarado en Esperanto. Krome ni trovas studon de F. A. Pennaccbetti pri la prepozicia sistemo de Esperanto. Dua kaj tria kajeroj estas en preparo. Antaŭmendojn sendu al Universitato ELTE/BTK, Esperanto-Fako, 1052 Budapest V, Pesti Barnabás 1–3, Hungario.

9. E. Borsboom, Vivo de Lanti, SAT, Parizo 1976, 274 p.
La aŭtoro prezentas verve kaj lerte la vivon de la fondinto de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) Lanti, kaj samtempe traktas la ĉefajn okazajojn el la historio de la laborista Esperanto-movado. Tion li faras laŭ vidpunkto, se ne nepre sat-eca, tamen ofte sub influo de prikomunismaj interpretoj, ne ĉiam akcepteblaj. La verko estas rezulto de admirinda diligenteco kaj enprofundiĝo en la SAT-konceptojn kaj tiujn de Lanti. Libro necesa por ĉiu, kiu esploras detale la historion de la movado.

D. Blanke

---

Recenzo:

# METODIKO-DEMANDARO

## Kompilis JULIO BAGHY

*14 × 20 cm, 34 paĝoj plus 10 paĝoj de gramatika indekso kaj vortareto kun hungarlingvaj klarigoj*
*eldonis Hungara Esperanto-Asocio 1972*

Ne temas pri metodiko por la instruo de E, kion elvokis ĉe mi unue la titolo de la libreto, sed la enhavo konsistas el 47 demandoj kun la koncernaj respondoj kaj du tabeloj. La demandoj dividiĝas en la ĉapitroj parolelementoj, vortospecoj – sintakso – vortordo, interpunkcio – vortfarado.
La interesito trovas detalajn respondojn, laŭ mia impreso eĉ tro da ili enpreskaŭ ĉiuj alineoj. Tiel ekzemple mi la unuan fojon eksciis, ke la duonvokalo ŭ krom post a kaj e ankaŭ troviĝas post o – oŭ. Pri la akcento, sub kies alineoj ankaŭ temas pri prononcado aperas tiom da „reguloj", ke kursano certe kapitulacius antaŭ la lernado de E, se oni postulus de li parkeri ilin. Tamen, evidentiĝas, ke ili – almenaŭ por german-lingvano – estas superfluaj, ĉar ankaŭ sen klarigo ekzemple apenaŭ iu prononcus „pronoonco" aŭ „akceento". Kial tri specoj de la komparativo? Eble necesas klarigi la formon tiel... kiel per „egaleca" komparativo, sed „malsupereca"? Ĉu la senco de la prefikso mal ne sufiĉe klarigas tion?
En niaj lernejoj ĉiuj infanoj ekde la 5-a klaso lernas la rusan lingvon. En la unuaj jaroj ili fieras pri siaj scioj kaj ili fanfaronas pri la facileco de la lingvo. Sed – ili ja ne scias, ke la instrumetodo, ke la plano tre atentas, lasi aperi la verbojn en nur unu aspekto. La malfacileco kutime montriĝas, kiam aperas la dua aspekto. Nu, ĉu kvin aspektoj de la verbo en E ne fortimigus potencialajn lernantojn? Sen esti konscia pri certa aspekto mi pensas, ke la esperantistoj ĝenerale ĝuste aplikas la afiksojn ek-, -iĝ, -ad... Oni ankaŭ lernu, ke de la indikativo la prezenco konsistas el kvin nuancoj, la futuro el tri. Simile ne sufiĉas scii la signifon de ĉiu afikso, sed ekzistas sep „klasoj" de ili. Estas ankaŭ ampleksa ĉapitro pri la „dividostreko por transporti parton de vorto, pro lokmanko, en la sekvantan linion". Tiel ekzemple, „se la silabojn ligas t r i konsonantoj, u n u restas ĉe la antaŭa silabo, la d u ceteraj transiras: lingvo...", sed troviĝas sufiĉe da pekoj kontraŭ tiu „konsilinda regulo" en la libreto mem. (ekzemp-loj, komp-leksaj, konjunk-cioj...)
Entute, la libreto certe enhavas multajn interesajn informojn pri la Lingvo Internacia.

Ludwig Schödl

# El la raporto

## pri la MEM-agado 1973–1976 (de la VIa ĝis VIIa ĝenerala konferenco de MEM) de la MEM – Sekcio de Germana Demokratia Respubliko

**1. Organiza strukturo**

Ĝis 1975 Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR estis konsiderata kiel MEM-sekcio de GDR. Tio tutsimple tial, ĉar esence la agado de CLE en multaj gravaj punktoj estas identa aŭ proksima kun tiu de MEM.

Ekde 1975 tamen ni fondis MEM-Komitaton de GDR ĉe Centra Laborrondo.

Al la MEM-Komitato apartenas:

Rudi Graetz (prezidanto), d-ro Detlev Blanke (sekretario), Ludwig Schödl, Erich Rödel, Helmut Fuchs, Jürgen Hamann, Ingrid Schödl, Hella Sauerbrey

La tasko de tiu MEM-Komitato estas kunordigi kaj stimuli la MEM-agadon en GDR kaj rilati al la organoj kaj landaj sekcioj de MEM.

**2. Rilatoj MEM – CLE**

MEM estas intime ligita kun CLE pro la idea proksimeco aŭ ofte eĉ identeco de la agado kaj agadsferoj.

Tial jam en la „Gvidprincipoj por la agado de la esperantistoj en GDR" estas legebla sub punkto II/3: „La esperantistoj de GDR estas kunbatalantoj de Mondpaca Esperantista Movado (MEM), kiu intime kunlaboras kun la Mondpaca Konsilantaro, kaj subtenas la aktivecojn de MEM. Ili solidariĝas kun ĉiuj popoloj luktantaj por libereco" („de" n-ro 57/58, p. 6).

En la rezolucio de la Centra Konferenco de la Esperantistoj de GDR, 1./2. junio 1974, „La esperantistoj de GDR ankoraŭ pli efike utiligos siajn specifajn eblecojn por la realigo de la celoj de la mondpaca movado surbaze de la „Komuna deklaro de la Mondpaca Konsilantaro kaj de Mondpaca Esperantista Movado (MEM)". („de" 65/66, p. 12)

Tial daŭre aperadas en „der esperantist", la oficiala organo de la esperantistaro en Kulturligo de GDR, informoj kaj materialoj pri la tutmonda pacmovado kaj pri MEM. (ekz. laste en „de" 59/60, 61/62, 63/64, 65/66, 73/74, 75/76, 77/78, 80). Tio ankaŭ koncernas la MEM-aktivecojn dum UK.

En la tagordo de la trifoje jare okazantaj plenkunsidoj de CLE kaj en la kunvenoj de la Prezidio de CLE MEM-problemoj regule estas traktataj.

**3. Publicaĵoj (Paco)**

Dank al la financa subteno, kiun ĝuas Centra Laborrondo kaj per tio ankaŭ la MEM-sekcio de GDR, estis ebla eldono de GDR-numeroj de Paco ekde 1966, ĉiujare. Ĉiu numero ampleksis 40 paĝojn, estis riĉe ilustrita, presita sur luksa papero. La enhavo estis varia. La eldonkvanto 6 000–7 000 ekz.

La kvoto de la abonantoj de „Paco" en GDR estas relative alta, konsiderante, ke en Kulturligo de GDR nur estas organizitaj 1 100 esperantistoj-membroj, 350 abonoj estas sendube bona rezulto. Tamen, ankoraŭ ekzistas pluaj eblecoj varbi.

**4. MEM kaj GDR-organizaĵoj**

Krom la forta ligiteco inter MEM kaj Kulturligo de GDR (en kies kadro agadas la esperantistoj kiel sufiĉe memstara suborganizaĵo) ankaŭ ekzistas ligoj al la Packonsilantaro de GDR. Kiel sekvo de la kontrakto MEM-Tutmonda Packonsilantaro en la Packonsilantaron de GDR 1973 (kp. „der esperantist" 1–2/1974) estis elektita Rudi Graetz, prez. de la MEM-sekcio de GDR kaj de Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR.

En „Paco" kaj en „der esperantist" estas publikigataj materialoj de la Packonsilantaro.




*Dum la II-a Centra Konferenco de la Esperantistoj de GDR (novembro 1976 en Leipzig). Oni najlas solidareco-stelon. Originala ideo de Rostock-aj esperantistoj.*

Foto: H. Morgenstern

Estas klopodoj, ke la Packonsilantaro eldonu materialojn en Esperanto.

Malavantaĝe por la kunlaboro kun Packonsilantaro estas la fakto, ke ĝi nur ekzistas kiel centra organo kaj ne havas subordigitajn unuojn en GDR.

**5. Solidareco**

Grava parto de la MEM-agado celis al solidareco kun luktantaj por libereco popoloj.

Daŭre en GDR estas kolektataj aŭ ĉiumonate regule oferataj de esperantistoj sumo de la salajro por la rekonstruado de Vjetnamio.

La esperantistoj de Leipzig, ekzemple, por 70 kaj de Rostock kolektis por 30 ekz. de „Nuda inter lupoj" la monon. Tial eblis sendi senpage al VPEA en Hanojo 100 ekzemplerojn. Krome „der esperantist" kaj „Paco" en granda kvanto estas sendata senpage al Vjetnamio, kaj pri vjetnamaj Esperanto-libroj daŭre aperadas recenzoj.

La inviton viziti GDR en 1974 kaj 1975 la vjetnamaj esperantistoj bedaŭrinde ne povis realigi.

S-ino Hella Sauerbrey tradukis novelon „La geedzoj A Fu de To Hoai germanen kaj atingis enscenigon de la materialo kiel radioscenaĵo. Ĝi estis dissendita ne nur 1974 sed ankaŭ okaze de la Virina Kongreso en Berlin 1975 kaj fine de 1976.

Ankaŭ kun Ĉilio la esperantistoj esprimis sian solidarecon diversfoje en rezolucioj, deklaroj kaj per monkolektoj.

**6. Internaciaj aktivecoj**

Membroj de la IK de MEM 1976 elektiĝis Rudi Graetz, d-ro Detlev Blanke, Helmut Fuchs, Ludwig Schödl, Jürgen Hamann, Hella Sauerbrey kaj Ingrid Schödl.

La kunagado de la GDR-membroj en la diversaj komisionoj ja ekzistis sed ne ĉiam estis sufiĉe aktiva. Tio estonte devas pliboniĝi.

Tamen dum la MEM-kunvenoj 1973, 1974, 1975, 1976 en la kadro de UK MEM-anoj de GDR reprezentiĝis kaj prenis la parolon.

Oficiala delegitaro de MEM, konsistinta el Hella Sauerbrey kaj Ingrid Schödl partoprenis la Mondkongreson en la Internacia Jaro de la Virino (20.–24. 10. 1975).

Pri la agado de la MEM-delegitaro ampleksaj raportoj aperis en „der esperantist" 1/76 kaj en GDR-Paco 1976.

**7. Estonta agado**

La ĉefaj celoj estas

- daŭrigi laŭ la ĝis nun montrita agosfero
- pliintensigi la rilatojn kun la Packonsilantaro de GDR
- pli aktive kunagadi en la instancoj de MEM
- pli aktive kunlabori por la organoj de MEM.

MEM-Sekcio de GDR




*II-a Centra Konferenco 1976 en Leipzig, prezidia tablo: (maldekstre dekstren): d-ro M. Fiedler, R. Graetz, d-ro D. Blanke, prof. d-ro M. Isajev (USSR), E. Farkas (Hungario), M. Havranek (ČSSR), d-ro J. Jermař (ČSSR).*

Foto: H. Morgenstern

# Esperantista agado en GDR 1976

La pasinta jaro estis karakterizita por la esperantistoj de GDR per la novelektoj de la estraroj sur subdistriktoj, distriktaj kaj respublika ebenoj. La elektaj konferencoj diskutis la agadon, senŝarĝis la malnovajn estrarojn kaj elektis novajn. Krome oni elektis la delegitojn por la distriktaj Konferencoj resp. la respublika II-a Centra Konferenco de la esperantistoj en GDR. Ĝenerale la vasta diskutado kaj la sekretaj elektoj ne nur spegulis la akiritajn sukcesojn sed ankaŭ kondukis al plijunigo de la gvidantaroj. La II-an Centran Konferencon de 5-a ĝis 7-a de novembro 1976 en Leipzig partoprenis 180 delegitoj kaj 20 eksterlandaj gastoj, do entute 200 personoj. Reelektiĝis kiel prezidanto de Centra Laborrondo Esperanto Rudi Graetz kaj vicprezidantoj fariĝis Rudolf Hahlbohm kaj Ludwig Schödl. Sekretario reelektiĝis d-ro Detlev Blanke. Krom ili al la prezidio de CLE apartenas pluaj 4 membroj.

La gvidantaro de la esperantistoj de GDR nun havas 42 membrojn, inter ili la membroj de la prezidio de la Junulara Komisiono. CLE plijuniĝis entute, sed devas plue plijuniĝi. La junulara agado, kvankam ankoraŭ modesta, pluevoluis. Oni organizis du senpagajn semajnfinajn seminariojn. Unuafoje la ĉefa ĵurnalo de la socialisma junulara organizo de GDR (Libera Germana Junularo) „Junge Welt" publikigis ampleksan artikolon pri Esperanto. Entute en GDR aperis ĉirkaŭ 200 artikoloj en la taggazetaro, inter alie 24 artikoloj en „Der Morgen", kiu ekde 1965 regule publikigas artikolojn kaj atingis jam la 400-an.

Por la sistema pretigo de kadroj de la movado ankaŭ servis la tutsemajna 10-a seminario de honorificaj Esperanto-funkciuloj kaj speciala seminario pri metodiko de Esperanto-instruado. Oni devas substreki, ke dank' al la malavara financigo pere de Kulturligo tiuj seminarioj estis kiel kutime senpagaj. Bonajn sukcesojn ĝis nun montris la koresponda kurso kun la lernolibro de Ludwig Schödl. Jam kelkaj centoj lernas laŭ tiu vojo la internacian lingvon. 1976 ankaŭ estis finpreparita nova lernolibro, kiu aperos 1978. Pasintjare aperis du numeroj de la GDR-eldono de „Paco", la malfruiĝinta numero de 1975 kaj tiu por 1976.

Reguliĝis la aperritmo de „der esperantist", kiu ekde 1976 estas distribuata per la poŝto. Diversaj internaciaj renkontiĝoj en la unuopaj distriktoj okazis, inter ili la dulanda renkontiĝo en majo 1976 en Görlitz kaj Zgorzelec. La Internacian Esperantistan Kampadejon Intercamping-Krossinsee ĉe Berlin partoprenis 50 esperantistoj el 7 landoj. Bedaŭrinde la vojaĝoficejo mendis por 1977 ĉiujn lokojn de la kampadejo. Pro tio ripeto de la aranĝo ĉijare ne estas ebla. En nia turismaekipe ekevoluanta lando ni do daŭrigas serĉi eblecojn por organizi internaciajn esperantistajn aranĝojn, kio ne estas tiel facila.

Realige al la kontrakto kun Pola Esperanto-Asocio la konata ĵurnalisto de Radio Varsovio, red. Jerzy Grum, faris prelegvojaĝon tra GDR prelegante pri kulturpolitiko en Pollando kaj pri la laboro de la Esperanto-redakcio de Radio Varsovio. Daŭrigante la sciencan agadon kaj publikigante bazajn materialojn en nacilingvaj sciencaj organoj, oni sukcesis aperigi en la prestiĝa historio-scienca revuo „Beiträge zur Geschichte der Arbeiter-Bewegung" 4/76 (Kontribuoj pri la historio de la laborista movado) ampleksan artikolon pri la laborista Esperanto-movado.

Grava por la plua scienca agado en GDR rilate al interlingvistiko kaj esperantologio sendube ankaŭ estis la doktoriĝo de Detlev Blanke, sekretario de CLE kaj sekciestro por Esperanto en Kulturligo de GDR, membro de la Internacia Komitato de MEM. Detlev Blanke verkis disertacion, en kiu li komparis problemojn de la vortfarado de germana lingvo (kiel ekzemplo de etna lingvoj) kaj de Esperanto (kiel ekzemplo de planlingvo). La disertacio vekis grandan intereson en rondoj de la Humboldt-Universitato (Berlin-GDR) kaj en la Akademio de Sciencoj de GDR.

La esperantistoj daŭrigis sian solidarecon por Ĉilio, por ĉiuj subpremitaj popoloj kaj por la rekonstruo de Vjetnamio kolektante monon. Por la evoluo de la internaciaj rilatoj de CLE estis grava la kolektiva membriĝo en Universala Esperanto-Asocio dum la 61-a UK en Ateno. Por la aliĝo voĉdonis 45, kontraŭ 4, sindetenis unu komitatano de UEA. Komitatano de UEA por CLE fariĝis Rudi Graetz. 4-kapa GDR-delegacio partoprenis la VII-an Ĝeneralan Konferencon de MEM, 13. julio 1976. Elektiĝis 7 MEM-anoj de GDR en la Internacian Komitaton. La Honorinsignon de MEM por elstara porpaca agado ricevis s-ino Hella Sauerbrey, d-ro Karl Schulze kaj s-ro Otto Bäßler okaze de lia 80-a naskiĝtago, la 17-an de januaro 1977. Delegacioj de CLE partoprenis i.a. la VIII-an (en Krakovo) kaj IX-an Konsultiĝon (Moskvo) de la Esperanto-organizaĵoj de eŭropaj socialismaj landoj, la II-an kongreson de Ĉeĥa Esperanto-Asocio (Praha), la XIX-an kongreson de Pola Esperanto-Asocio, la 39-an, kongreson de Bulgara Esperanto-Asocio kaj la 26-an. Kongreson de Hungara Esperanto Asocio.

Entute la jaro estis sukcesa kaj fruktodona.

D. B.

## Otto Bäßler 80-jara

La konata funkciulo de la internacia kaj germana laborista Esperanto-movado, Otto Bäßler, la 17-an de januaro 1977 fariĝis 80 jara. Otto Bäßler aktivis en SAT, longajn jarojn gvidis ties gazetaran servon kaj apartenis al la fondintoj de Internacio de Proletaj Esperantistoj. Specialajn meritojn Otto Bäßler akiris ligante pere de Esperanto multajn eksterlandajn esperantistajn laboristojn, i.a. el Soveta Unio, Bulgario, Anglio k.t.p. kun germanaj laboristoj. Kelkfoje enkarcerigite, Otto Bäßler partoprenis la antifaŝistan batalon en Germanio. Post la mondmilito li donis sian plenan forton al la rekonstruo de demokratia, socialisma Germanio, de GDR.
La jubileulo apartenis al la fondintoj de Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR kaj daŭre aktivis en Leipzig. Pro siaj meritoj en la batalo por la paco Otto Bäßler estas distingita per la Honorsigno de MEM. La jubileulo krome ricevis la „Johannes-R.-Becher-medalon en oro", la plej alta distingo de Kulturligo.
La MEM-komitato de GDR kore gratulas al la jubileulo kaj deziras al li ankoraŭ multajn jarojn en sano kaj bonfarto.

## Rudi Graetz 70-jara

La membro de la Internacia Komitato de MEM, Rudi Graetz, la 24-an de junio 1977 fariĝis 70-jara. La jubileulo estas prezidanto de Centra Laborrondo en Kulturligo de GDR kaj staras pli ol 12 jarojn ĉe la pinto de la organizita Esperanto-movado en GDR. Krome pacamiko Graetz estas prezidanto de la GDR-MEM-Komitato kaj membro de la Packonsilantaro de GDR.
Kiel junulo li kunkonstruis la laboristan Esperanto-movadon en Germanio, speciale en la norda parto (Mecklenburg) kaj aktivis en diversaj proletaraj organizaĵoj. Rudi Graetz apartenis al la kunfondintoj de IPE. Pro sia politika agado R. Graetz estis enkarcerigita post la potencakiro de Hitler. Post la dua mondmilito la jubileulo donis sian forton por la konstruado de la demokratia germana ŝtato. Li laboris en diversaj altrangaj diplomatiaj funkcioj, i.a. kiel gvidanto de la komercaj reprezentejoj de GDR en Islando kaj Danlando. La jubileulo senlace agadas kiel pacbatalanto kaj internaciisto.
La MEM-Komitato de GDR en la nomo de ĉiuj MEM-anoj de GDR kore gratulas al la jubileulo kaj deziras multajn jarojn en plua aktiveco, sano kaj bonfarto.

**Paŭlo Balkanyi**

# Ĉu ekzistas ideologio de Esperanto?

Oni devas kategorie deklari, ke ia Esperanto-ideologio ne ekzistas. La tiel nomatan „Internan ideon" aŭ „Esperantismon" oni ne povas konsideri kiel ian ideologion. Ĝi estas la esprimo de la zamenhofa ideo: Per lingvo internacia ekkoni kaj ekami aliajn popolojn, krei inter ili solidaran kaj amikan kunlaboron kaj per tio akceli la efektiviĝon de paco sur la tero. Tiujn celojn povas kaj devas nepre helpi la adeptoj de ia ajn ideologio, ĉu religia, ĉu socialista, ĉu radikala, revolucia aŭ komunista. Vere tio estas la bazo de la progreso kaj de la vera internaciismo por la homaro.
Junaĝe, ankoraŭ ne konante kaj studante diversajn ideologiojn, sed gvidata de la grandaj spiritoj de la mondo, kiel Plato, Leibniz, Tolstoj, la hungaroj Madách, Petőfi kaj multaj aliaj, mi entuziasme akceptis la ideojn de Zamenhof kaj decidis ekuzi Esperanton por tiuj noblaj celoj. Sed mi tuj ekvidis, ke ne sufiĉas nur la lingvo, ke oni devas kunlabori laŭ la instruoj de ia ideologio. Tamen al mi – legante la maldekstrajn kaj progresemajn ĵurnalojn, kiujn abonis mia kar-memore patro – multe imponis la celkonscia agado de la esperantistaj laboristoj, kiuj ne restis sur ia neŭtrala, senkolora teritorio, sed volis uzi Esperanton, ĝin instruante kaj disvastigante por la celoj de la laborista movado. Jam Zamenhof iom ekkonis ties gravecon kaj eĉ deklaris, ke la laboristaro alportos iam la venkon de Esperanto. Tamen pro diversaj influoj mi fariĝis nek konscia socialisto, nek poste komunisto, eĉ se mi dum pli ol jardeko honeste povis helpi la partian laboron, precipe por intereso de la laboruloj, por la progreso kaj por paco. Ĉio ĉi iom kongruis kun la idealaj celoj de Zamenhof kaj de la esperantistaj pioniroj, sed ne signifis ian ideologion. Zamenhof mem certe ne konis la politikajn kaj laboristajn ideologiojn kaj jam junaĝe li iom naive pensis, ke la lingvo sufiĉos por krei pacon inter la luktantaj, pro ŝovinistaj kaj politikaj, ekonomiaj kaj imperialistaj celoj inter si militantaj ŝtatoj. Sed eĉ nun ni vidas, ke samlingvanoj pro diversaj celoj kaj ideologioj nek komprenas unu la alian, nek volas permesi, ke la alia parto regu kaj ili estas pretaj neniigi la aliajn.
Simile, kiel en la movado esperantista sub devizo de „Interna ideo", ankaŭ en la movadoj por la progreso kaj paco, kia estas la Mondpaca Esperantista Movado (MEM), la anoj de diversaj ideologioj, se ili estas honestaj kaj vere volas realigi la gravajn celojn, kiuj povas malhelpi, ke la homaro ekstermu sin mem, povas amike kunlabori. Tion oni devas ĉie ekkoni antaŭ ol estos malfrue! Ni ja vidas, ke la plej diversaj adeptaroj, kia estas komunista, socialista kaj religia, jam sur multaj terenoj kunlaboras kaj atente agas, ekzemple la Kristana Pac-Movado en kadro de la Pac-Movado, kies grava parto fariĝis nun jam oficiale ankaŭ MEM. Ankaŭ UEA, TEJO, SAT kaj aliaj devus ekzameni ian eblecon agnoski kaj kunlabori kun MEM, apogante ties agadon ekster siaj „neŭtralaj" aŭ propraj laboroj! La celoj de Zamenhof estas daŭre estimindaj kaj helpindaj! Sed eĉ dum lia vivo multaj tiutempaj esperantistaj gvidantoj ne ekkonis tion tutplene kaj eĉ kelkfoje malhelpis la plenan konigon de liaj ideoj, ekzemple pri „homaranismo", certe iom naiva klopodo kunigi la diversajn religiajn laborojn kaj eklezioj, kion diversaj „superorganizoj" eĉ ĝis nun ne povas atingi. Siajn ideojn belege li esprimis en sia vere edifa kaj entuziasmiga poemo „Sub la verda standardo", deklamita unuafoje en la jaro 1905 dum la kongreso en Boulogne. Sed la tiutempa gvidantaro ne permesis, ke li deklamu la lastan strofon: „Kuniĝu la fratoj, plektiĝu la manoj ... Antaŭen kun pacaj armiloj! Kristanoj, hebreoj kaj mohametanoj: Ni ĉiuj de Di' estas filoj." Zamenhof finis do per la antaŭlasta strofo: „... kaj amo kaj vero ekregos sur tero!"
Ni aldonu al tio: Liberigon de subpremo, vasta progreso kaj solidara kunlaboro kreante veran internaciismon de samrangaj popoloj kaj homoj, nepre respektante la homajn rajtojn. Ni uzu Esperanton kiel utilan kaj gravan rimedon por realigi tiujn celojn kaj per tio – apartenante aŭ ne apartenante al iu ajn ideologio – ni servos la homaron kaj ni inde honoros la ideon kaj verkon de d-ro Zamenhof!

(Presita kiel manuskripto en Serio de Internaciisto, Vieno, n-ro 12)

JAROSLAV HAŠEK

# La brava soldato Ŝvejk lernas manipuli fulmkotonon

Kaj vere, okazis tiel, kiel la pastra moŝto estis dirinta al li: Ŝvejk fripono, se vi nepre volas militservi, vi servos ĉe la fulmkotono. Eble tio bonutilos al vi!"

Tiel la brava soldato Ŝvejk lernis manipuli la fulmkotonon en la arsenalo. Li ŝargis per ĝi torpedojn. Tiu ĉi servo ne estas sukerlekado, ĉar oni ĉiam per unu gambo staras en la tombo kaj per la alia flugas tra la aero.

Sed Ŝvejk ne estis timema. Li vivis kontente inter dinamito, ekrasito kaj fulmkotono kiel honora soldato; kaj el la barako, en kiu li ŝargis torpedojn per tiu terura eksplodaĵo, sonis lia kantado:

Piemont, Piemont, kia sinjoro estas vi,
la pordego de Milano fermiĝis post vi,
hop, hop, hop ktp.

Tiun belan kanton sekvis aliaj kortuŝaj kantoj, ili temis pri kapgrandaj farunbuloj, kiujn glutis la brava soldato Ŝvejk kun nekomparebla ĝuego.

Kaj tiel li vivis solege meze inter la fulmkotono en unu el la barakoj.

Iutage venis inspektistaro, kiu iris de barako al barako kaj esploris, ĉu ĉio estis en ordo.

Kiem ĝi venis tien, kie la brava soldato Ŝvejk lernis manipuli la fulmkotonon, ĝi ekkonis – per la tabaknuboj supreniĝantaj el lia pipo – ke li estis sentima soldato. Ŝvejk ekstaris vidinte la altrangajn militistojn, prenis laŭregule la pipon el la buŝo kaj metis ĝin sur iun proksiman liberan lokon: estis fera barelo kun fulmkotono. Farinte tion li salutsignis: „Raportas plej obee, ke nenio nova estas kaj ke ĉio estas en ordo."

Ekzistas momentoj en la homa vivo, en kiuj la spiritĉeesto ludas decidan rolon.

La plej prudenta el la tuta societo estis la sinjoro kolonelo. El la fulmkotono leviĝis ringoj de tabakfumo kaj jen li ordonis: „Ŝvejk! Fumu plu!"

Tio estis saĝaj vortoj, ĉar certe estas pli bone, ke brulanta pipo estas en la buŝo ol en la fulmkotono. Ŝvejk salutis kaj replikis: „Raportas plej obee, ke mi plufumos!" Li estis obeema soldato.

„Kaj nun, Ŝvejk, venu kun ni al la gardejo!" „Raportas plej obee, ke mi ne povas fari tion, ĉar mi devas resti laŭ ordono ĝis la sesa horo, tiam venos la anstataŭulo. Ĉe la fulmkotono ĉiam devas esti iu, por ke ne okazu akcidento!"

La inspektistoj malaperis. Ili galopis al la gardejo, kie ili ordonis al la patrolo, venigi Ŝvejk-on.

La patrolo iris nevolonte, sed ĝi iris.

Antaŭ la barako, en kiu la brava soldato Ŝvejk sidis meze inter la fulmkotono kun la brulanta pipo en la buŝo, la kaporalo vokis: „Ŝvejk, fripono! Ĵetu la pipon el la fenestro kaj venu ĉi tien!" „Nepre ne! La sinjoro kolonelo ordonis al mi, ke mi plufumu kaj tiel mi devas fumi ĝis la lasta spiro!"

„Elrampu, vi sterkulo!"

„Kaj mi ne elrampos, raportas plej obee. Estas nur la kvara horo kaj vi povos min anstataŭigi nur je la sesa! Ĝis la sesa mi devas resti ĉe la fulmkotono, ke ne okazu akcidento. Mi estas ja tre singard . . ."

Li ne plu trovis tempon elparoli tiun „ . . . ema."

Eble vi jam legis pri la granda akcidento en la arsenalo. Unu post la alia de la barakoj eksplodis kaj la tuta arsenalo disflugis en tri kvaronoj da sekundo.

Komenciĝis en tiu barako, kie la brava soldato Ŝvejk lernis manipuli la fulmkotonon. De ĉiuj flankoj alflugis tabuloj, latisoj, kaj latoj kaj formis tomboaltaĵon super la brava Ŝvejk, ne timinta la fulmkotonon, kvazaŭ ili volis fari la lastan honorgeston.

Tri tagojn laboris pioniroj en la rubaĵoj, kaj kolektis kapojn, torsojn, brakojn kaj gambojn, por ke la Kara Dio en la tago de la mondfina juĝo pli facile ekkonu la diversajn rangojn kaj rekompencu ilin laŭrange. Estis vera enigmado.

Tri tagojn ili formetis tabulojn kaj feraĵojn ankaŭ de la Ŝvejk-a tomboaltaĵo, kaj la trian tagon nokte, kiam ili proksimiĝis al la centro, ili aŭdis agrablan voĉon:

„antaŭ la pordego de Milano
ĉe la kvar pontoj
staras, Piemont, la batalontoj
hop, hop, hop." ktp.

Ĉe torĉolumo ili antaŭenfosis al la voĉo. Ili ekvidis kavernsimilaĵon, formitan de la fera konstruaĵo kaj amasigitaj tabuloj.

Kaj en la angulo ili ekvidis la bravan soldaton Ŝvejk, kiu formetis san pipon, salutis kaj diris:

„Raportas plej obee, ke estas nenio nova kaj ke ĉio estas en ordo!" Oni elvenigis lin el la malhejmeca restejo kaj kiam la brava soldato Ŝvejk staris antaŭ la oficiro, li salutis la duan fojon: „Raportas plej obee, ke ĉio estas en ordo, kaj mi petas pri anstataŭigo, ĉar la sesa horo jam longe forpasis, kaj ankaŭ mi petas pri manĝmono por la tempo, en kiu mi subkuŝis."

La brava soldato Ŝvejk estis la unusola el la tuta arsenalo, kiu transvivis la katastrofon.

En la oficira kasino en la urbo oni okazigis malgrandan feston je lia honoro. Ĉirkaŭita de oficiroj la brava soldato Ŝvejk drinkis kiel truo kaj lia ronda bonanima vizaĝo radiis pro ĝojo.

La sekvantan tagon li ricevis la manĝmonon por tri tagoj, kvazaŭ li estintus en la milito. Post tri semajnoj oni promociis lin kaporalo kaj donis al li la grandan militmedalon.

Kiam li – dekorita per la medalo kaj la kaporalsteletoj – paŝis en sian kazernon en Trident, li renkontis la oficiron Knobloch. Tiun ekprenis tremado, kiam li vidis antaŭ si la bonaniman vizaĝon de la brava soldato Ŝvejk.

„Bele vi faris ĝin, fripono!" li diris al li.

Kun rideto replikis Ŝvejk:

„Raportas plej obee, ke mi jam lernis manipuli la fulmkotonon!"

Tr. W. Hofmann

---

# Eĉ tio okazis

### Ŝatata legado

La usona ministerio de justico kompilis liston de libroj, kiuj estas prefere mendataj de enkarcerigitoj. Ĉepinte troviĝis „Mallonga kurso de la moderna tekniko de veldado."

### Reklamo estas ĉio

Bonegajn negocojn faris strata komercisto en Parizo. Li afiŝis ĉe sia fruktoĉaro: „Kiu volas resti svelta manĝu bananojn! Aŭ ĉu jam ie vidiĝis dika simio?"

### Geedza problemo

Laŭ „Aftonbladet" multaj pasantoj en Oslo ridetas pri malnova varb-afiŝo en vendejo por sportiloj: „Kelkaj edzoj similas al glaci-glidkurantoj: malbonaj en la deviga parto, sed bonaj en la libere elektebla parto."

### Ĉion laŭorde

Anonco en „Aftonbladet", Kopenhago: „Senvalidan mi klarigas mian gefianĉiĝon kun la lignisto Sven Ekholm el Odense. Kiel mi eksciis, li spite al nia unuiĝo edziĝis pasintan semajnon."

Tr. Linde Knöschke

# EL LA FINA AKTO DE HELSINKI

## Fremdaj lingvoj kaj civilizacioj

Subteni studadon de fremdaj lingvoj kaj civilizacioj kiel gravan rimedon por disvastigado de kontaktoj inter nacioj por pli bona ekkono de kulturo de ĉiu lando kaj firmigo de internacia kunlaboro kaj tiucele en la kadro de sia kompetenteco stimuli pluan disvolvon kaj plibonigon de instruado de fremdaj lingvoj kaj variecon en ilia elekto sur diversaj niveloj de lingva instruado kaj konvene atenti malpli disvastigitajn aŭ malpli studatajn lingvojn, precipe:

- intensigi kunlaboron direktitan al plibonigo de kvalito de instruado de fremdaj lingvoj per interŝanĝado de informoj kaj spertoj pri evoluo kaj uzado de efikaj modernaj instrumetodoj kaj teknikaj helpiloj akomoditaj al bezonoj de diversaj kategorioj de studantoj inkluzive metodojn de intensa instruado kaj pripensi eblecon de esploro de novaj metodoj pri instruado de fremdaj lingvoj sur duflanka aŭ multflanka bazoj;
- subteni kunlaboron inter koncernaj institucioj sur duflanka kaj multflanka bazoj por pli plene eluzi eblecojn de modernaj rimedoj de instrutekniko por fremdaj lingvoj, realigatan ekzemple en formo de komparaj studoj pere de siaj fakuloj, kaj se estis interkonsentite, per interŝanĝo aŭ pludono de aŭdovidaj materialoj kaj ankaŭ de materialoj uzitaj por verkado de lernolibroj kaj informoj pri novaj specoj de teknikaj helpiloj, kiujn oni uzas ĉe instruado de fremdaj lingvoj;
- subteni interŝanĝon de informoj pri spertoj akiritaj ĉe klerigado de instruistoj de fremdaj lingvoj kaj plivastigi sur duflanka bazo interŝanĝon de lingvoinstruistoj kaj studentoj de lingvistiko kaj ankaŭ instigi ilian partoprenon en someraj kursoj de fremdaj lingvoj kaj civilizacioj tie, kie ili estas organizitaj;
- subteni kunlaboron de ekspertoj en la sfero de leksikografio por fiksi la necesajn terminologiajn ekvivalentojn, precipe en la sfero de sciencaj kaj teknikaj disciplinoj, kaj faciligi reciprokajn kontaktojn inter sciencaj institutoj kaj fakuloj;
- helpi al pli granda disvastigo de instruado de fremdaj lingvoj en diversaj tipoj de mezaj lernejoj kaj al pli bona ebleco de elekto el pli granda nombro de Eŭropaj lingvoj kaj en tiu konekso esplori – tie, kie tio estas konvena – eblecojn por plivastigi varbadon kaj preparadon de instruistoj kaj kreo de necesaj studgrupoj;
- subteni en altaj lernejoj eblecojn de pli granda elekto de fremdaj lingvoj por studentoj de lingvistiko kaj de plivastigo de eblecoj por aliaj studentoj lerni diversajn fremdajn lingvojn, kaj ankaŭ helpi tie, kie tio estas dezirinda, organizon de lecionoj pri lingvoj kaj civilizacioj – se tio estas necesa – surbaze de specialaj traktatoj sub gvido de fremdaj instruistoj, precipe de tiuj Eŭropaj ŝtatoj, kies lingvoj estas malpli disvastigitaj aŭ malpli studataj;
- subteni en la kadro de klerigado de plenaĝuloj pluan ellaboron de specialigitaj programoj – laŭ multflankaj interesoj kaj bezonoj – por instruado de fremdaj lingvoj por propraj civitanoj kaj por instruado de la lingvo de gastiganta lando por interesiĝantaj plenaĝaj civitanoj el aliaj landoj; konekse kun tio instigi al kunlaboro interesiĝintajn instituciojn, ekzemple ĉe kompilado de programoj por radia kaj televida instruado aŭ intensa instruado, kaj ankaŭ tie, kie tio estas dezirinda, ĉe fiksado de studceloj de ĉi tiuj programoj por atingi kompareblan nivelon de lingvaj scioj;
- subteni tie, kie tio estas konvena, kunigadon de instruado de fremdaj lingvoj kun instruado de koncernaj civilizacioj, kaj ankaŭ plue klopodi por stimuli intereson pri studado de fremdaj lingvoj, inkluzive konvenajn eksterlernejajn aktivecojn.

### Instrumetodoj

Subteni sur duflanka aŭ multflanka bazoj interŝanĝon de spertoj pri instrumetodoj, kiuj estas uzataj sur ĉiuj niveloj de klerigo inkluzive tiujn, kiuj estas uzataj ĉe senĉesa klerigado kaj ĉe klerigado de plenaĝuloj, kaj ankaŭ interŝanĝon de lernomaterialoj, precipe pere de:

- plua disvolvo de diversaj formoj de kontaktoj kaj kunlaboro en diversaj sferoj de pedagogia scienco, ekzemple pere de komparaj aŭ komunaj studoj, kiujn faras interesiĝantaj institucioj, aŭ per interŝanĝo de informoj pri rezultoj de pedagogiaj eksperimentoj;
- plivastigo de interŝanĝo de informoj pri metodoj de instruado realigataj en diversaj sistemoj de klerigado kaj pri rezultoj de esploroj de procedoj, kiamaniere lernantoj kaj studentoj alproprigas al si sciojn, atentante respondajn spertojn de diversaj tipoj de specialaj klerigejoj;
- subteno de interŝanĝo de spertoj el organizado kaj aktivado de klerigo de plenaĝuloj, inkluzive periodan daŭrigon de studado, el rilatoj inter ĉi tiuj kaj aliaj formoj kaj gradoj de klereco kaj ankaŭ rimedoj de akomodigo de studado, inkluzive fakan kaj teknikan, al bezonoj de ekonomia kaj sociala evoluo en siaj landoj;
- subteno de interŝanĝo de spertoj el edukado de junularo kaj plenaĝuloj en la spirito de reciproka kompreno inter nacioj kun speciala atento je gravaj problemoj de la homaro, kies solvo postulas komunan aliron kaj pli vastan internacian kunlaboron;
- subteno de interŝanĝo de lernomaterialoj – inkluzive lernolibrojn, kun atento je ebleco kontribui al reciproka ekkono kaj al prezento de ĉiu lando en ĉi tiuj lernolibroj – kaj ankaŭ interŝanĝo de informoj pri teknikaj novaĵoj en la sfero de klerigo.

(El „Fina Akto de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo", eld. Ĉeĥoslovaka Packomitato, Slovaka Packonsilantaro, Bratislava 1976. p. 76–79)

# Internacia lingvo – la silento?

Ni citas el la tre interesa kaj erudicia artikolo „Artefaritaj mondhelplingvoj kiel interlingvistika problemo" de V. P. Grigorev el „Problemy interlingvistiki" Moskvo 1976, p. 39:

„Vere, oni preskaŭ ĉiutage devas aŭdi aŭ legi pri la *‚internacia lingvo de la matematiko'*, la *‚lingvo de la paco, de la homamo, de la libereco'*, la *‚internacia lingvo de la muziko'*, la *‚al ĉiuj komprenebla lingvo de la negocaj kontaktoj'* kaj pri la *‚esprimpova lingvo de la komerco'*, kaj krome pri tio, ke ĉe eksterlandaj turneoj iun teatron entute ne ĝenis la *‚lingva bariero'* k.t.p. k.t.p. La mensdormiga patoso de tiuj esprimoj laŭ interlingvistika kaj ĝenerale laŭ semantika vidpunktoj ne estas tro malproksima al la argumentado de tiu kolegia konsilanto Michail Rosljakov, konata en la historio de la artefaritaj mondhelplingvoj, kiukomence de la pasinta jarcento estis konvinkita pri tio, ke jam ekzistas monda lingvo – la *‚lingvo de l'kredo'*.
Nuntempe nur malmultaj ja revas pri tergloba ortodoksa kredo, sed la ironio de L. Guérard (Short history of the International Language movement, London 1922) *‚La plej simpla internacia lingvo estas la silento'* – ekstere de malgranda rondo de historiistoj de interlingvistiko kredeble ankoraŭ ne estas merite taksita."

RECENZO:

# Antologio de Portugalaj Rakontoj

Portugalio – malproksima lando ie ĉe la okcidenta rando de Eŭropo sufiĉe longe dronis en forgeso kaj malintereso. La novaj politikaj eventoj kaj ŝanĝoj starigis ĝin pli kaj pli en la fokuson de la intereso. Atenteme oni rigardas okcidenten, kaj ĝuste en tiu momento mi devas konstati, ke la nescio pri tiu lando, ties loĝantoj, pensmaniero, kutimoj k.t.p. estas hontinda. Des pli mi ĝojas, ke mi prunteprene povis havigi al mi la *„Antologion de Portugalaj Rakontoj", kompilita de Manuel de Seabra, eldonita 1959 en Lisboa*
„por memorfesti la centjaron de Zamenhof de Grupo de Admirantoj de Zamenhof, konsistanta el la tradukintoj, la kompilinto kaj la samideanoj Abilio Ribeiro, D-ro Adacio Vieira Aranjo, Armando Gomes da Cunha, Manuel Antonio Alves".
La antaŭparolo de Manuel de Seabra komenciĝas jene: „Literaturo estas la spegulo de l'popoloj . . ."
Jes, la 14 rakontoj de la antologio respegulas al ni fremdajn kaj ofte strangajn homajn karakterojn, vivmanierojn kaj kutimojn. La cirkonstancoj, plej ofte mizeraj, vekas la kompaton de la leganto. La 10 portugalaj verkistoj, plejparte apartenantaj al la t. n. „nov-realisma skolo", faciligas al ni per siaj socikritikaj rakontoj la komprenon de tiu „malproksima" lando.
La unua rakonto „Noktidoj" diras al mi nenion, do ne decas prijuĝi ĝin.
En „La patrino" evidentiĝas, kiel cirkonstancoj kaj socio modlas homan karakteron. Noblaj sentoj kaj agadoj estas raraj en tiu-ĉi „pli bona" societo. Tamen ili ekzistas kiel pruvas la havena policisto, forpelinte la kaŝitan pasaĝeron de la ŝipo „Maria Alberta" dum la Kristnaska vespero.
„Kaŝita Kristfesto" titolas la rakonto pri eksterleĝa pasaĝero, kiu forlasis familion, hejmon, patrujon por trovi trans la oceano pli bonajn vivkondiĉojn.
Per „Samba" la leganto estas kondukata al Portugala Afriko, kie okazas foiro de bengalaj virinoj. „Samba" estas la nomo de iu el tiuj kompatindaj virinoj, kiujn atendas la morto, se ili la 3-an fojon ne altiras la plaĉon de vira aĉetanto. Neimageblaj misteraj moroj por nia realismaj pens- kaj vivmanieroj!

Preskaŭ same emociiga estas la sorto de la „Negro Saŭl". Li dum bela tago de majo alvenis al la alta murego de la kruta bordo de senfina dezerto, „kie vivis nefiksa loĝantaro, kiu ne gajnas amon al la ekzilejo; nur tie vivas tiuj, kiuj ne trovis aŭ ne meritis pli bonan destinon". Oni toleras, lin, ĉar li estas preta almarigi la barkojn kaj tiri la retojn de la fiŝistoj. Sed en iu mateno de januaro oni trovis lin mortinta, kovrita de ĉifonoj, funde de la barko. Frostiĝo!

Ankaŭ en „Ventotagoj" temas pri mizeruloj, kiuj eĉ ne havas tegmenton super la kapo. Kaŝe ili tranoktadas en ligna kabaneto, kiu estis servinta kiel deponejo de konstrumaterialoj. Tage la familio, patro, patrino, knabeto kaj kaprino, vagadas. Fine la patrino malsanas kaj mortas pro pulminflamo.

En „Panduno" paroladoj, agoj kaj kvereloj turniĝas ĉirkaŭ malsato kaj manĝaĵoj.

Unike terure drameca kriminala rakonto estas „Ŝtormo". Terurita sed unuspire oni legis ĝin. Blindulo instigas junulon al krima ago. Evidentiĝas, ke en la homo ankaŭ sin kaŝas bestaj instinktoj. Same atentokapta estas „Stigmato" pravigante la ne elireblan famon, ke la „Gento de Queiro" konsistus el malbonaj homoj kaj estus raso de murdistoj. Ĉiam la anoj de tiu gento estas provokataj de tiuj homoj, kiuj opinias sin bonaj.

Kia humoreska trafa rakonto, kvazaŭ fabelo, estas „Donjuano"! Vere amuziga filozofiaĵo ĝi estas, koncernante la nehaltigeblan iradon (pason) de la vivo per ekzemplo de kokido, kiu fariĝas koko kaj poste devas cedi al kokido, kiu iutage ankaŭ fariĝas koko kaj estas anstataŭata same kiel iam estis anstataŭita la maljuna koko.

„Nenio Grava" priskribas la laciĝan, monotonan vivon en minejo. Danĝeraj kondiĉoj, kiuj subite kaj hazarde disrompas la unutonecon, fortigas la amikajn rilatojn inter la minejaj laboristoj kaj liberigas ilin de la letargio.

„Anino de antikva domo" delikatsente, sed realisme okupiĝas kun la animstato de virino, kiu vivas en antikva domo, antikve meblita kvazaŭ jam en tombo. Ŝi ne kapablas liberigi sin de la spiritoj de la antaŭuloj, precipe de sinjorino Maroinhas la ĵus mortinta bopatrino. „Kvankam la jaroj pasas, ŝajnas, ke ĉio restas, kiel ĉiam estis."
Resume oni povas diri, ke la antologio estas serioza kontribuo al nia Esperanto-literaturo.

Hella Sauerbrey

# Eĉ tio ekzistas

1. **Psika krueleco**

Pro „psika krueleco" Harriet Fisher el Glendive (Usono) iĝis divorcata. Sinjoro Fisher permesis al si mem precize je meznokto de el sia lito ekigi dekdu pafojn, nome sur la dekdu kukol-horloĝojn, kiujn eia edzino estis pendiginta en la dormĉambro. Kvankam la juĝisto admiris la trafkapablon de la pafinto li cedis la peton de la edzino.

2. **Strangmaniera ekzameno**

Neesperatan, sed nur mallongan ekzamenan bonŝancon juna turko akiris por sia amiko, kiu en lernejo de Ankara sidis ŝvitante ĉe ekzamenaj demandoj. La juna viro per pafilo minacis la ekzamenantan instruiston kaj devigis lin dikti la respondojn je la plej malfacilaj demandoj. Post tio la „ekzamena helpinto" la laboraĵon de sia amiko zorgeme miksis inter la aliajn. (En Turkio la nomoj sur ekzamenaj paperoj devas esti glu-kaŝitaj.) Post tiu intervenado kompreneble la tuta ekzameno estis deklarita kiel nevalida.

3. **Reĝo de almozpetuloj**

Pro „trompa almozpetado" juĝejo en Düsseldorf (GFR) kondamnis 37-jaran „Reĝon de almozpetuloj" al 50 000 DM punmono kaj unujara aresto kun provtempo. La almozpetinto kaj iama purigisto de manĝilaroj per plej hirtigaj rakontoj sukcesis kolekti monon kaj fine posedis la fieran sumon de 100 000 DM, disigitaj je ses kontoj ĉe diversaj bankoj.

4. **Kurioza anonco**

En „Le Monde" (Francio) antaŭ nelonge legeblis sekva anonco: „Strebema fraŭlo, iomete senzorgema, serĉas energian bopatrinon kun malpli energia filino."

5. **Kie troviĝas sinjoro Bronx?**

En la polica prezidejo de Dallas (Texas) certa sinjoro Bronx komencis labori kiel nova administranto de la kantino. Tio okazis je la naŭa matene. Tagmeze oni serĉis lin. Oni serĉas lin ankoraŭ hodiaŭ. Li kunprenis la kason kaj sufiĉe da provizo. La ŝlosilojn de la kaso li postlasis kun ĝentila akompana skribaĵo.

6. **Sukcesa pluvpeta dancado**

Indianoj de la tribo de Seminoloj petis pardonon de la organizintoj de golfa turniro en Laŭderhall (Florido), ĉar ega fulmotondro interrompis la turniron dum la 3-a rondo. La indianoj en proksima montaro estis ekzercintaj pluvpetan dancadon dum preskaŭ unu semajno. Ili bedaŭris, ke ilia dancado kaŭzis tiom da malagrablajoj kaj promesis ĉesi ĝin – evidente sukcese. La turniro finiĝis kun nur unutaga malfruiĝo.

Tr. Linde Knöschke

La Monda Federacio de Sciencaj Laboristoj estas tre prestiĝa internacia organizajo, kunlaboranta kun UNESCO laŭ konsultrilata statuso A, do la plej alta atingebla statuso. En MFSL estas organizitaj pli ol 300 000 sciencaj laboristoj, unuiĝintaj en 33 naciaj organizaĵoj en 29 landoj. Ekde kelkaj jaroj la Federacio estas membro de la Komisiono de UN por neŝtataj organizajoj, kiuj okupiĝas pri demandoj de senarmigo en Ĝenevo. Prezidanto de la Federacio estas prof. Erich Burhop (Britio). La bazaj principoj, laŭ kiuj agadas la Federacio estas:

1. La problemo pri la signifo de la scienco en la ŝanĝo de la civilizacio.
2. Altiĝo de la rolo de sciencistoj en diversaj landoj kiam temas pri ĝeneralaj problemoj kaj ĝiaj solvoj depende de naciaj ekonomiaj kaj politikaj sistemoj.
3. Disvolvo de socia konscienco kaj senco de respondeco de sciencaj laboristoj.
4. Firmigo de la internacia scienca kunlaborado.
5. Disvolvo de la ligoj inter la internaciaj sciencaj kaj profesiaj organizajoj.
6. Helpo por la progreso de la scienco en la landoj de Tria Mondo.
7. Partopreno en la batalo por paco kaj senarmiĝo en la batalo kontraŭ la atomaj, biologiaj kaj ĥemiaj armiloj kaj ĝenerale kontraŭ la uzo de la scienco por militoj celoj.
8. Popularigado de la scienco inter la popoloj.
9. Defendo de la scienco kiel necesa premiso por ekonomia, socia kaj kultura progreso.
10. Plialtiĝo de la influo de Federacio en la medioj de sciencaj laboristoj en la mondo kaj en la rondoj formantaj la publikan opinion.

Oni facile vidas, ke MFSL havas principe similajn aŭ parte eĉ samajn bazajn celojn kiel MEM. I.a. pro tio ankaŭ MEM-anojn interesos la fakto, ke la organo de MFSL „Scienca Mondo" ekde 1976 aperadas ankaŭ en Esperanto, dank' al la klopodoj de la profesoroj B. Popoviĉ (Jugoslavio) kaj V. Peevski (Bulgario) ambaŭ internacie rekonitaj sciencistoj en neesperantista kaj esperantista medioj (ISEA).
„Scienca Mondo" ĝis nun aperis en la lingvoj angla, franca, germana, rusa. Intertempe aperis de la Esperanto-eldono la n-roj 1+2/1976. Ĝin eldonas la Asocio de Sciencaj Laboristoj en Bulgario, 1000 Sofio, bulvardo „Tolbuĥin" 18. Ĉefredaktoro de la Esperanto eldono estas prof. Peevski.
Oni havu iom da kompreno pri tio, ke la Esperantlingva eldono aperadas kun malfruiĝo. Entute eldoni revuon en Esperanto estas teknike kaj fizike malfacila laboro. Ĝin transprenis la bulgaraj amikoj, kaj pro tio oni estu dankaj al ili. Ĉiu kajero empleksas 32 A-4-formatajn paĝojn.




# „Scienca Mondo" en Esperanto

La enhavo de la revuo estas popularscienca kaj ne malaktualiĝos rapide. De tre granda signifo la revuo estas por la pluevoluigado de esperantlingva moderna scienca terminologio. La artikoloj tuŝas precipe la sferon de scienco lige al la aktualaj problemoj de la homaro. Por iom klarigi la enhavan profilon, ni listigas la artikolo-titolojn de la unuaj du kajeroj.
*Kajero 1/76:* Helsinki kaj MFSL; la scienca agado en malgranda evoluanta lando Ŝri Lanka, kreskado de MFSL, la libera universitato (Anglio), projekto de unu kodo de etiko, la profesia malpermeso en FRG, scienco kaj progreso, la rolo de araba virino en evoluo kaj liberigo.
*Kajero 2/76:* Ekologio kaj politiko, la katastrofo de Flixborough kaj ĝia edifo, polucio de la natura medio en Japanio, evoluo de biosfero kaj la ekologia prognozado, polucio kaj la evoluantaj landoj, la milito kontraŭ la natura medio, programo de UNESCO „Homo kaj biosfero".
Do oni vidas, larĝa spektro da ĝeneral-interesaj temoj.
La apero de tiu prestiĝa revuo en Esperanto donus bonajn eblecojn de certa agado Esperanta en naciaj sciencistaj rondoj. Ĉu oni sukcesos por longa daŭro certigi la eldonadon de tiu revuo en Esperanto aŭ ĉu ankaŭ ĝi mortos, plene dependas de la esperantistoj mem. Nepre ĉiu landa asocio organizu la varbadon kaj abonadon por „Scienca Mondo". Oni recenzu la numerojn en la landaj organoj, por ke la esperantistoj konatiĝu kun la enhavo de la nova revuo kaj komprenu la gravecon de ĝia abonado.
Informojn pri la aboneblecoj donas: Bulgara Esperantista Asocio, Bulv. Hristo Botev 97, Sofio/Bulgario.
En GDR ĝin peras Centra Laborrondo Esperanto.

# Kelkaj lingvaj rimarkoj pri „Scienca Mondo"

Laŭ nia peto d-roj Karl Schulze kaj Martin Schüler trarigardis numeron 1/76 de „Scienca Mondo", kaj notis diversajn lingvajn diskutindaĵojn sen celi kompletecon.

## D-ro Schulze:

1) Terminoj ne ĉiam estas unuecaj, ekz. oni trovas la terminojn ‚malarmado' ‚malarmigo' kaj ‚senarmiĝo' (la du lastaj terminoj ne estas rekomendindaj); ‚Unesco' kaj ‚Junesko' (Kial trudi al la legantoj la anglan prononcadon?).

2) Oni ĉiam parolas pri socialistaj landoj. Sed ili ne estas landoj de socialistoj, sed landoj gvidataj laŭ socialismaj principoj, do socialismaj landoj!

3) Atentofrapa kaj ĝena estas la plurfoja superflua uzo de ‚unu' kiel nedifina artikolo („... kondiĉoj de unu vera internacia kunlaboro"; „... en unu vera spirito de oferado").

4) Same okulfrapas la ofta neĝusta uzo de ‚ekskluzive', ekz: „... la fakto ... prezentas nur ion ekskluzive rimarkindan"; „... kondukos al armiĝo per ekskluzive alte toksaj substancoj". En ambaŭ kazoj ekskluzive estas uzita en la senco de ‚eksterordinare'. Sed tian sencon ĝi neniam povas havi; ĝi estas ĝuste uzita en tiaj kuntekstoj, se ĝi havas la sencon de ‚nur', ‚sole', event. ‚ekster', ‚krom', ekz. „... aserto, ke la netuŝebleco de la landlimoj estus ekskluzive (= nur, sole) en la intereso de USSR".

5) La traduko de nocioj el la aktuala politika aŭ ekonomia situacio interne de iu lando estas tre problema kaj ne devus esti farata per simpla laŭvorta, sed per laŭsenca, se necese klariga traduko. Tiaj nocioj ekz. el Federacia Respubliko Germanio estas i.a.

a) ‚profesia malpermeso'. La celitan fenomenon oni pli trafe karakterizus per (ideologie-politike motivigita) ‚dungo-rifuzado'.

b) ‚mallonglaboruloj'. Certe ne temas pri mallongaj laboruloj, sed pri laboruloj, al kiuj la kapitalistoj trudas mallongigitan labortempon, do redukton de iliaj salajroj.

c) ‚profesioficistaro'. Tiu tipa nocio el la forpasinta Germana Regno kaj el Federacia Respubliko Germanio celas la eldiron, ke la oficistaro en ŝtataj kaj kommunumaj organoj devas konsisti nur el personoj, kiuj estis enoficigitaj surbaze de la plenumo de preskribitaj kvalifikado kaj burokrata kariero, sed ne surbaze de (parti)politikaj konsideroj. Sed kiu alilandano povas preni tiun sencon el la Esperanto-vorto ‚profesioficistaro'?

6) Plurfoje estas uzitaj nekutimaj kaj eĉ malĝustaj vortoj:

a) Por ‚unuaeco' ekzistas la internacie konata vorto ‚prioritato'.

b) ‚apenaŭ' estas uzita en la senco de ‚ne pli frue ol', ‚nur'.

c) ‚Akcioj' estas valorpaperoj, do la vorto devas ne esti uzata en la senco de ‚agadoj', ‚aktivecoj'.

ĉ) ‚devotaĵoj' estas ekleziaj, diservaj objektoj aŭ adoragoj, kaj ‚devota' estas ‚fervore pia'. Kio do, en artikolo pri scienco kaj progreso, estas ‚intelekta devotaĵo'? Ĉu oni celas eble intelektan sindonemon?

7) Rimarkoj pri kelkaj pliaj detaloj:

a) ‚influi' estas transitiva verbo, do ‚influi iun aŭ ion' ne „... al iu aŭ io'.

b) ‚Scienca serĉado' (angle: research!) devas esti ‚scienca esplorado'.

c) Plurfoje anstataŭ ‚procedo' preferindas ‚procezo'.

ĉ) ‚juĝreferanto' devas esti ‚juĝreferendario'.

d) Ĉu per ‚rimena ĉentablo' oni celas ‚ruliĝantan ĉenstablon?"

e) En la antikva Egiptio regis ne ‚carinoj', sed ‚faraoninoj'!

f) ‚daŭri' estas netransitiva verbo kaj ne povas havi objekton post si. Do ne eblas diri ‚La arsenaloj daŭris kreski', sed oni devas diri ‚La arsenaloj kreskis plu' aŭ ‚La arsenaloj daŭrigis la kreskadon'.

8) La legado de la artikoloj estus multe pli facila, se ne ĝenus tiom da preseraroj.

**Komento de d-ro Martin Schüler:**

Speciale analizante la artikolon „La profesia malpermeso en FRG" oni devas fari kelkajn rimarkojn pri la traduko de terminoj el politiko kaj socio.

Estas iu malunueco en la uzado de la germanaj aŭ Esperantaj mallongigoj de partioj kaj ŝtatoj. SPD kaj GSP, NSDAP kaj GNP estas paralele uzataj. Estus konsilinde traduki la plenan formon el la germana originalo aldonante la Esperantan mallongigon kun la germana originalo, ekz. GKP = Germana Komunista Partio (DKP). Ankaŭ necesas ekzakte traduki la partiajn nomojn, ekz. anstataŭ *Germana Nacia Partio* devas esti *Nacidemokrata Partio de Germanio.*

La mallongigojn GEN, MAS, SHB oni nur klarigas laŭsence sed ne iliajn konstruojn.

Malunuece oni traktas la majuskligon. Diversaj vortoj mankas en PIV. Ili estu anstataŭigataj per vortoj troveblaj en PIV: Mankas en PIV *ekonomia receso, refendario, jakobino.* Anstataŭ tio: *ekonomia regreso, referendario, jakobeno.*

Malĝustaj derivadoj: *radikalo* – devas esti *radikalulo, liberalo* – *liberalulo, nazisma* – *naziisma, nazisocialisto* – *nacisocialisto* = *nazio.*

Eraro estas: *akcioj de solidareco,* devas esti *aktivadoj, kampanjoj, aktivecoj.* Anstataŭ „gvidas zorge libron" pli klare estus „zorge notas aŭ enlistigas".

---

# „Kalevipoeg"

Eldonaĵoj de la Eldonejo „Eesti Raamat", Tallinn, garantias kaj eksteran kaj internan kvaliton, kiel pruvas „Kuŝanta Tigro" (1971) kaj „Okupacio" (1972).
Per „Kalevipoeg", eldonita en la 1975-a jaro, tiu ĉi ŝatata, malgrandformata kaj pro tio komforte manipulebla serio estis daŭrigata. Ĉifoje temas pri estona popola eposo, ampleksanta 88 paĝojn, kiuj prezentas laŭvice antaŭparolon, alvokon, enkondukon, fragmentojn el 11 kantoj, glosojn kaj klarigojn pri prononcado de estonaj nomoj.
La antaŭparolo konigas interesajn historiajn faktojn pri la evoluo de la estona literaturo, kies fondintoj estis la kuracistoj-verkistoj Fr. R. Faehlmann (1798–1850) kaj Fr. R. Kreutzwald (1803–1882). Krome oni ekscias, kiamaniere la estona popola eposo Kalevipoeg estis kreita. Ĝi konsistas el 20 kantoj plus „Alvoko" kaj „Enkonduko" – sume 19 032 versoj kreitaj el prozformaj popolaj rakontoj. La aŭtoro Kreutzwald mem devis versformigi ilin. La plejmulto el la kolektitaj materialoj estas ligita kun la giganta heroo Kalevipoeg, kio formas la ĉefan parton de la eposo, rakontante pri malfortuno, sklaveco, milito, mizero, pestolito, mortolito de praepoka Estonio.

La „Alvoko" enhavas la peton de la poeto al la kantodio, ke li donu la kapablon kanti.
La „Enkonduko" parolas pri la neceso, savi la malnovajn kantojn kaj legendojn de forgeso, „savi la estintec' estona".
La kantoj mem havas ŝajnon de vereco, la materialo povas esti frukto de fantazio, prunteprenita kaj ankaŭ ĉerpita el la reala vivo, kiu ekvilibras inter ĝojo kaj malĝojo, feliĉo kaj malfeliĉo. La kantoj similas al komponaĵo, kies tonoj melankolie kunfandiĝas kun la radioj sunaj kaj lunaj. Jes, vere, la rimoj kaj ritmoj kantas, kantas pri la alveno de Kaleo kaj lia morto, kantas pri la sortoj de liaj 12 filoj, precipe de la plej juna Kalevido. Multaj refrensimilaj ripetadoj substrekas la folkloran karakteron de la eposo ekz.:

... „vidvineto juna vivis
sola en bieno sia,
sen apogo ŝi aspektis
kiel muroj sen tegmento" ...
„Firme Finna pont' min portis
super vasta akvovojo" ...
„Ondo sin post ondo rulas,
kvazaŭ lude sin lulalas,
sin al borda roko batas,
ŝaŭmon ŝpruce disŝutadas".

Ĉu ne la rimoj kaj ritmoj per si mem kantadas? Ne mirinde, ĉar Hilda Dresen majstre tradukis ilin. Henrik Seppik redaktis kaj tradukis la antaŭparolon, verkita de Prof. D-ro Eduard Laugaste. Menciindas, ke la libreto ankaŭ enhavas 3 kolorajn kaj 4 blankenigrajn bildojn.
„Kalevipoeg" estas ne nur valora artverko, sed socie grava literaturaĵo kaj kulturhistoria dokumento kaj inde riĉigas la Esperanto-literaturon.
Ĝi estas ricevebla ĉe GDR-MEM-Sekcio de Centra Laborrondo Esperanto, 108 Berlin, Charlottenstrasse 60.




Hella Sauerbrey

## Recenzo:

## Zur Geschichte der Arbeiter-Esperanto-Bewegung im Erzgebirge/Vogtland (1907–1933)

(Pri la historio de la laborista Esperanto-movado en la distrikto Erzgebirge/Vogtland (1907–1933), eld. Kulturbund der DDR, Bezirksleitung Karl-Marx-Stadt, 1976, 40 p.

La broŝuro estas publikigita honore al la 30-a jubileo de la fondiĝo de Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio kaj de la IX-a Partia Kongreso de SUPG 1976. Ĝin ellaboris aŭtora kolektivo konsistanta el d-ro Willi Glier, Willi Weißbach, Alfred Müller kaj Max Conrad. Krom d-ro Glier, juna historiisto, la aliaj estas veteranoj de la Laborista Esperantista-movado, kaj mem travivis la plej multajn el la prezentitaj okazaĵoj.

Enkonduke la aŭtoroj koncize prezentas la ĉefajn celojn de la esperantistoj organizitaj en Kulturligo de GDR, plue argumentas la signifon de Esperanto, substrekante i.a. la sciencan agadon en Soveta Akademio kaj fine donas superrigardon pri la rilatoj inter la Esperanto-movado kaj la laborista klaso. Tiuj enkondukaj partoj kaj la skizo pri la Germana Laborista Esperanto-Asocio, SEU kaj IPE estas jam priskribitaj aliloke, i.a. en „der esperantist" 1–4/1975 kaj GDR-eldono de „Paco" 1975.

Ĉiam aplikante la ĝenerale validajn ekkonojn el la historio de la internacia kaj germana laborista movadoj, speciale de la laborista esperantista movado, je la lokaj cirkonstancoj de tiu distrikto Erzgebirge/Vogtland (Ercmontaro/Vogtlando), unu el la plej aktivaj distriktoj en LEA, sub gvido de Willy Weißbach, la aŭtoroj pritraktas i.a. jenajn interesajn problemojn:

- fondo kaj refondo de la laboristaj esperantistaj grupoj en la distrikto Ercmontaro/Vogtlando
- socialreformismo skismas LEA
- kontaktoj inter germanaj, sovetuniaj kaj alilandaj korespondantoj kaj utiligo de la ricevitaj materialoj en la nacilingva germana gazetaro (kun abundo da interesaj informoj)
- konkursoj inter sovetaj kaj germanaj laboristaj organizaĵoj, peritaj per esperantistoj
- ekspozicioj pri USSR k.t.p.

Plue la aŭtoroj citas ekzemplojn pri la klopodoj de la laboristaj esperantistoj por savi resp. rekonstrui la unuecan fronton de la germana laboristaro. Informoj pri la antifaŝisma rezistbatalo de laboristaj esperantistoj en la priskribita distrikto kaj kelkaj indikoj pri la vivanteco de la progresema heredaĵo en GDR fermas tiun modestan laŭ amplekso, sed enhave ege interesan broŝuron.

La verketo ne nur vekos la intereson de la historiistoj de la Esperanto-movado, speciale de la laborista-esperantista movadoj internacia kaj germana. Ĝi ankaŭ estas originala kontribuo por esploro de la historio de la germana proletaro, kiu per plej diversaj rimedoj, inter tiuj ankaŭ Esperanto, partoprenis la grandajn klasajn batalojn de sia tempo.

60 fonto-indikoj kaj referencoj substrekas la sciencecon de la tre zorge skribita kaj redaktita verko. Ĝi samtempe estas omaĝo al la pereintaj laboristaj esperantistoj kiel Alfred Bierbaum, Josef Labisch, Kurt Straube k.a.

Estus dezirinde esperantigi la libreton kaj eldoni ĝin.

Detlev Blanke

# Kie aboni al „Paco"

## Redakta komitato:

**Violin Oljanov** (Bulgario)
ĉefredaktoro
**D-ro Detlev Blanke** (GDR)
**Kimiaki Kurita** (Japanio)
**William Gilbert** (Francio)
**Stanislaw Ŝwistak** (Pollando)
**Oldřich Knichal** (ĈSSR)
Arta aranĝo: **Kiril Drajev** (Bulgario)
Lingva konsultato: **Asen Grigorov** (Bulgario)

## Kunlaborantoj:

**D-ro Istvan Szerdahelyi** (Hungario)
**Doc. S. N. Podkaminer** (Sovetunion)
**Mihaly Gergely** (Hungario)
**Rudi Graetz** (GDR)
**Antonie Sindl** (Aŭstrio)
**Dao Anh Kha** (SRV)

## Kien skribi?

Prezidanto: Nikola Aleksiev, str. Nezabravka 1, vhod II, 1113 Sofia, Bulgario.

Vicprezidantoj: D-ro Magomet Isajev, Prosp. Kalinina 14, Moskva K—9, USSR

Renato Corsetti, Via Strabone 1, 00176 Roma, Italio

Ĉefredaktoro: Violin Oljanov, str. Bojanski Vodopad 241/5, 1680 Sofia, Bulgario.

Ĝenerala sekretario: William Gilbert, 30 rue Croix Montoire 37100 Tours, Francio.

Sekretarioj: Hideo Hùmakĭ, P. O. Box 17, Edogava-Tokio, Japanio.

Drahomir Koĉvara, str. Haliĉska 50, 70500 Ostrava — Hrabuvka, ĈSSR.

Centra kasisto: Pierre Jouvin
14, rue Thiers,
76120, Grand Quevilly
France, Poŝtkonto
CCP Rouen — 102—45 P

Centra administrantino: Vasja Cvetkova, Bulgara MEM-Komitato, bulv. Hristo Botev 97, 1303 Sofia, Bulgario.

Grave:
Abonpagojn el socialismaj landoj sendu al 1303 Sofia, bulv. Hristo Botev 97 (por „Paco"). El nesocialismaj landoj — al la centra kasisto.
Pri eldonitaj landaj numeroj de la revuo turnu vin al: Helmut Fuchs, Hohestr. 1, Pirna, GDR.

**Abonprezo:**

*Por kapitalismaj landoj – 20 fr. fr. aŭ egalvaloro. Por socialismaj landoj – laŭ la subaj indikoj:*

**Aŭstrio:**
S-rino A. Sindl, A-3108-ST-PÖLTEN, Wagram Altmanngasse 22.

**Belgio:**
S-ano Glady Claude, 11, Rue Edmond Tollnaere, 1020 BRUSELO.

**Britio:**
P. Hewitt, „Laycroft" Main Road, Covenham louth Lings, LN 11 OPF

**Bulgario:**
Bulgara MEM-Komitato, bulv. Hristo Botev 97, 1303 SOFIA. 3 levoj.

**Ĉeĥoslovakio:**
Ĉeĥa Esperanto-Asocio, MEM-sekcio, Jilska 10, 110 00 PRAHA I 30 kr.

**Danlando:**
Egon Starup, Brovaenget 26, DK 2700 KOPENHAGO B R H

**Finnlando:**
Erkki Järvinen, Ukonkivenpolku 2-1-68, 00440 HELSINKI-44.

**Francio:**
Fédération Espérantiste du Travail, 179, rue Ordener, 75018 PARIS (p. ĝ. k. Paris n-ro 902-52).

**Germana Demokratia Respubliko:**
Centra Laborrondo Esperanto en Kultur-Ligo de GDR, Charlottenstr. 60, 108 BERLIN, 10 m.

**Okcidenta Berlino:**
S-ano Manfred Kossolobow, 1 BERLIN, Tapiauer-Allee 2.

**Hungario:**
Hungara MEM-Komitato, H-1368 BUDAPEST-5 pf 193 36 f.

**Italio:**
Mauro La Torre, via De Carolis 119, I-00136 ROMA (p. ĝ. k. 1/44162).

**Japanio:**
Ĉe Yasuo Satoo, 777 OOIZUMIGAKUEN-TYO, Nerima-ku, 177 (Japana Pacdefenda Esperantista Asocio)

**Kubo:**
Oscar Otero, Havana Esp.-rondo, Poŝtkesto 314, HABANA 1.

**Norvegio:**
Olav Reiersol, Minister Ditleffs vei 20–OSLO 8

**Pollando:**
RUCH – WARSZAWA.

**Rumanio:**
S-rino Irma Fülop, str. Calan 12, etj. 1, SIBJU.

**Socialisma Respubliko Vjetnamio:**
Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, 68 Ly Thuong kiêt, HANOJ.

**Sovetunio:**
Unuiĝo de sovetaj societoj pri amikeco kaj kulturaj rilatoj kun aliaj landoj, prosp. Kalinina 14, – MOSKVA K-9. 1.80 r.

**Svedio:**
Tomas Jansson, Studentstaden 15:235, S-752 33 UPPSALA.

**Usono:**
Jim Deer, 12946, NE Hancock, PORTLAND, Oregon 97230.

**Aliaj landoj:**
Bv turni vin al unu el la ĉi-supraj adresoj, aŭ al Pierre Jouvin



**Ĉi-tiu numero estas bulteno de la MEM-sekcio de Germana Demokratia Respubliko, DDR - 108 Berlin, Charlottenstr. 60, telefono 2 20 29 91**

## Bulgario

Pentristino, 50j., dez. kor.: Kostadinka Velikova, str. Gurko 9, 7000 Ruse

Pentristino, 58j., dez. kor.: Vera Milde, str. Sâborna 5, 7000 Ruse

Pentristino, 31j., dez. kor.: Aleo „Vâzrajdane" 128 Bx. V/b/ 7000 Ruse

Sofia Sutrova, str. Makariopolski 8, 7000 Ruse, dez. kor.

Diversaj geesperantistoj de Esperanto-Societo „Leono", 4468 Momina Klisura, distr. Pazarĝik, dez. kor.

Oficistino, 36j., dez. kor., kol. pk, Esp. gazetojn: Maria Siderova, Loveĉ, str. „V. Kolarov" 45

Instruistino, 32j., dez. kor., kol. pk, pm, monerojn: Rosina Ivanova Sârkova, Kneja, str. Klokotnica 2

Teknikisto, 35j., dez. kor. p. ĉ. t.: Zivko Todorov Petrov, Sofio, gara Vezila dom 71

Aŭtomobila instruistino, 36j., dez. kor. p. ĉ. t.: Stanmira Ŝiŝkova, Pazarĝik, pk. 1

Instruisto-teknikisto, 37j., dez. kor. p. ĉ. t.: Aleksandôr Stefnov Petkov, Targoviŝte, ul. Paluzov 28

Komencantino, 18j., dez. kor. p. ĉ. t.: Dimka Zlatanova, Dimitrovgrad, str. „Milin kamak" 29

Lernantino, 17j., dez. kor. p. ĉ. t.: Natala Stefanova Serafimova, Bjala, ul. Bojka 26, ap. 4, okr. Rusenski

Agronomino, 31j., dez. kor. p. ĉ. t.: Todorka Dimitrova, Vidin, str. P. Lilov 4

Laboristino, 34j., dez. kor. p. ĉ. t.: Anna Antonova Zarigzadska, Plovdiv, str. Saglasie 6a

Laboristo, 28j., dez. kor. p. ĉ. t.: Elman Ademor, Silistra, str. Maliĉka 22

Kuracistino, 30j., dez. kor. p. ĉ. t.: Genoveva Colova, Loveĉ, ul. „Sofijska" 24

Kontistino, 21j., dez. kor. pri filmoj, muziko, junulara vivo: Gjulŝen Nazifova, 7300 Kubrat, str. Blagoev 7

Elena Kuŝeva, 20j., dez. kor. p. ĉ. t. 5000 Tarnovo, P. C. C.

Lernantino, 17j., dez. kor. p. ĉ. t.: J. Marinova, Bjala/Rusensvo, str. G. Dimitriv 105

Komencantino 24j., dez. kor.: Petranka Georgieva Dimitrova, Aprilovo, okr. Sofijski

## ĈSSR

Bedřich Motalek, 798-45 Suchdol, via Prostějov, dez. kor. kol. pm.

Instruisto, estro de Goethe kaj Gorki-muzeo, dez. kor. p. ĉ. t.: Otto Pavelka, 35321 Mariánské Lázně, PS 39A

Oficistino, 30j., dez. kor., kol. bk: Čadca Viy Lehocka, 02302 Krásno, n/Kysucou, č. 299 okr.

Instruistino, 23j., dez. kor. pri muziko k. Esp.-movado: Margita Andelova, 95605 Radošina, okr. Topolčany

## Germana Demokratia Respubliko

Jurnalisto, veterano de lab. Esp.-movado dez. kor. pri politikaj k. kulturaj temoj tutmonde: Alfred Kraushaar, 112 Berlin-Weissensee, Holzkircher Str. 1d

P. Gerhard Friedel, 1801 Ketzür, Dorfstr. 32, dez. kor.

Sigrid-Irmgard Schieling, 1801 Neuschmerzke, Potsdamer Landstr. 4, dez. kor.

Anita Harms, 14 Oranienburg, Lindenring 12, dez. kor.

Komencantino, 20j., dez. kor.: Ramona Wagner, 9201 Dittersbach 46

Ralf Poele, 1421 Sommerfeld, Hohenbrucher Str. 13, 37j., instruisto, dez. kor. pri literaturo, naturprotektado

Gabriele Brandt, 45 Dessau, Kochstedter Kreisstr. 983, AWH Block A 5/57, dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

Lutz Liesegang, 1614 Zernsdorf, K.-Marx-Str. 5, dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

Brunhilde Stoetzer, 1542 Finkenkrug, Waldstr. 42, dez. kor. tutmonde, kol. pk.

Eva Philipp, 8601 Muschelwitz, 38j., dez. kor. k. samaĝaj esperantistinoj, kol. bk.

Ingrid Fischer, 14 Oranienburg, Lindenring 14, dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

Elektromekanistino, 23j., dez. kor.: Beate Friedrich, 943 Schwarzenberg, Roter Mühlenweg 19

Lernantino, 17j., dez. kor.: Ilona Unger, 943 Schwarzenberg, Bermsgrüner Str. 5

Lernantino, 16j., dez. kor.: Viola Hahn, 943 Schwarzenberg, Platz der Befreiung 9

Lernantino, 18j., dez. kor.: Ilona Müller, 943 Schwarzenberg, Walter-Ulbricht-Str. 34

Lernantinoj, 16 k. 17j., dez. kor.: Babette kaj Gaby Kwaschny, 943 Schwarzenberg, W.-Ulbricht-Str. 36

Lernanto, 17j., dez. kor.: Thomas Weigel, 9442 Pöhla/Erzg., Viehtrifft 11

Lernanto, 17j., dez. kor.: Hartmut Bartsch, 943 Schwarzenberg, Otto-Grotewohl-Str. 35

Lernanto, 15j., dez. kor.: Falko Meinhold, 943 Schwarzenberg, Bermsgrüner Str. 31

Aŭtoseruristo, 27j., dez. kor.: Wulf Dietrich Schiefer, 943 Schwarzenberg, Ernst-Schneller-Str. 18

Mekanisto-aŭtomattornisto, 28j., dez. kor.: Peter Grund, 943 Schwarzenberg, Otto-Grotewohl-Str. 19

Lernanto, 17j., dez. kor.: André Bürgel, 943 Schwarzenberg, Walter-Ulbricht-Str. 4

Lernanto, 15j., dez. kor.: Frank Spiller, 943 Schwarzenberg, W.-Ulbricht-Str. 10

Vendistino, 29j., dez. kor.: 943 Schwarzenberg, Heilig Ackerweg 34

Oficistino, 52j., dez. kor.: Christine Teichmann, 943 Schwarzenberg, Dr. Otto-Nuschke-Str. 2

Inspektorino ĉe fervojo, 54j., dez. kor.: Else Häberlein, 943 Schwarzenberg, Heilig Ackerweg 24

Vendistino, 50j., dez. kor.: Hildegard Schieck, 943 Schwarzenberg, Heilig Ackerweg 28

Muntistino, 28j., dez. kor.: Dorothea Ströer, 943 Schwarzenberg, Walter-Ulbricht-Str. 8

Presistino, 40j., dez. kor.: Helga Boroszinski, 943 Schwarzenberg, Heilig Ackerweg 11

Studentino, 18j., dez. kor.: Deana Irmisch, 96 Glauchau, Robert-Koch-Siedlung 27

Instruisto, 48j., dez. kor.: Heinz Heimann, 9284 Marbach, Lorenzstr. 119f

Instruistino, 49j., dez. kor.: Ursula Stopp, 9373 Ehrenfriedersdorf, Feldstr. 6

Varbografikisto, 33j., dez. kor.: Stefan Weber, 90 Karl-Marx-Stadt, Schlossberg 11

Apotekisto, 42j., dez. kor.: Rolf Wendler, 90 Karl-Marx-Stadt, Parsevalstr. 8

Apotekistino, 49j., dez. kor.: Brigitte Stingl, 90 Karl-Marx-Stadt, Rudolf-Harlass-Str. 19

Fakkuracisto por pediatro, 36j., dez. kor.: d-ro Klaus Schulze, 95 Zwickau, Karl-Keil-Str. 15

Seruristo, 28j., dez. kor.: Siegmund Dürichen, 9443 Raschau, Strasse d. Friedens 19

Seruristo, 17j., dez. kor.: Thomas Gränitz, 90 Karl-Marx-Stadt, Ernst-Schneller-Str. 87

Apotekistino dez. kor.: Ilse Scholz, 97 Auerbach, Breitscheidstr. 13

Instruisto por plenkreskuloj, 38j., dez. kor.: Horst Bräuer, 94 Aue, Alberodaer Str. 102

Instruistino pro plenkreskuloj, 23j., dez. kor.: Regina Klötzer, 9416 Zschorlau, Schneeberger Str. 11

Instruistino, 39j., dez. kor.: Ingrid Huhn, 90 Karl-Marx-Stadt, Andreasstr. 18

Metioinstruisto, 42j., dez. kor.: Dieter Huhn, 90 Karl-Marx-Stadt, Andreasstr. 18

Zooteknikistino-lernantino, 17j., dez. kor.: Elvira Stops, 9157 Oelsnitz, PSF 100

Scienca bibliotekistino, 47j., dez. kor.: d-ro Irmgard Dreßler, 1195 Berlin, Wohlgemuthstr. 11

Desegnistino-lernantino, 17j., dez. kor.: Marina Hofmann, 90 Karl-Marx-Stadt, Kopernikusstr. 60

Inĝeniero, kursestro, 40j., serĉas korespondadon k. spertaj geesperantistoj: Wilfried Hofmann, 90 Karl-Marx-Stadt, Kopernikusstr. 60

Inĝenierino, 35j., dez. kor.: Gisela Klawe, 90 Karl-Marx-Stadt, Walter-Oertel-Str. 68

Fakkuracisto, 42j., dez. kor.: d-ro Friedrich Kunz, 915 Stollberg, Goethestr. 2

Lernantino, 15j., dez. kor.: Catherine Kunz, 915 Stollberg, Goethestr. 2

## Hispanio

Vesto-komercisto, 42j., dez. kor. k. esperantistoj el GDR p. ĉ. t.: José Filera, Latassa 17, Zaragoza – 6

## Hungario

Lernantino, 9j., dez. kor. k. samaĝa knabino: Noémi Danajka, 8500 Pápa, Lenin lkt. 21/a/1/6

Apotekistino, 37j., dez. kor. p. ĉ. t.: Inka Balazs, 5600 Békéscsaba, Bantok 17

Oficistino 22j., dez. kor. p. ĉ. t.: Franciska Balogh, 1011 Budapest, Halász 2

## Japanio

Tecuro Kauoniŝi, 7 Sugiura-Mati, Kanazawa-si, Isikawa-Ken 920, medicinisto, interna medicino, aktivas en MEM, interesoj: prevento de apopleksio de hipertensio, vol. studi medicinajn spertojn en GDR

## Rumanio

**Dez. kor. k. sendi sondiskojn por aboni Esp.-revuojn:**

Studentino, Radu Maria, 0300 Pitesti, str. Craiovei Bloc 5, sc. C., ap. 14

Studentino, Bocsa Luminita, 1900 Timisoara, str. Tr. Grozavescu 2

Inĝ., Doroghi Alexandru, 1900 Timisoara, Bd. Stefan Plavat 2/1, sc. B, ap. 13

Oficistino, Ostoia Elena, 1900 Timisoara, Intrarea Castanilor Bloc B 23, sc. A, ap. 18

Studentino, Mundloch Elvine, 1954 Grabati 242 nr., jud. Timis

Studento, Csapó Ioan, 3700 Oradea, str. Borsecului 10, Bloc X 15, sc. A. ap. 12

Studentino, Sulicean Maria, 2880 Savarsin nr. 285, jud. Arad

Studentino, Oros Rodica, 4800 Baia-Mare, str. Partizan nr. 8

Studentino, Mitu Claudia, 1927 Deta, str. Mihai Viteazul nr. 26

Studentino, Theisz Edith, 1900 Timisoara, B. Stefan Plavat, bl. 2/3, sc. A, ap. 14

Dungistino, Stela Ostoia, 1900 Timisoara, Intrarea Castanilor nr. 2, bl. B 23, sc. A, etaj IV, ap. 18

Licea profesorino, 25j., Pitarca Livia, 1900 Timisoara, Circumvalatiunii IV, bloc 67/B 1

Studentino, Popescu Mariuta, 1346 Novaci, sat Pociovalistea, jud-Gorj.

Studentino, Réthi Enikö, 4050 Tg. Secuiesc, str. Sasausi 38, jud. Covasna

Studentino, Götz Hildegard, 1948 Sacalaz, str. III-a, nr. 227, jud. Timis

Licea profesorino, 27j., Mihailescu, 1900 Timisoara, zona Calea Sagului, str. Mures nr. 2, bloc 15/7, sc. E, et. IV, ap. 9

Pensiulino, Mihailescu Paraschiva (adreso – vidu supren)

Studentino, Preda Elena, 1800 Lugoj, str. 30 Decembrie nr. 12

Medicina asistentino, Arsi Letitia, 1900 Timisoara, Bd. Eroilor 22

Studentino, Lepinzan Ana, 3087 Sîntioana nr. 16, jud. Mures

Studentino, Ortinau, Ilse, 1948 Sacalaz nr. 480, jud. Timis

Lernanto, Curelar Mihai, 1900 Timisoara, Bul. Dîmbovita, bl. 4 A, ap. 11

Licea profesorino, 26j., Bogdan Silvia, 1700 Resita, str. Golului, bloc K, sc. A, et. II, ap. 9

Universitata asistentino, 28j., Cuzma Maria, 1900 Timisoara, Bul. Leontin Salajean nr. 35, ap. 72

Scienca esploristo, 36j., Drincu Sergiu, 1900 Timisoara, Aleea Sportivilor bloc H 8, sc. C, ap. 16

Licea profesorino, 32j., Gulyas Victoria, 1900 Timisoara, str. Romulus nr. 15

Licea profesorino, 25j., Kakerda Angela, 1700 Resita, str. Teilor nr. 28

Licea profesorino, 26j., Ledrer Victoria, 2675 Petrosani, str. Vasile Roaita, bloc 11, ap. 14

Lernantino, 18j., Radnai Erika, 1900 Timisoara, str. 6 Martie nr. 6

Licea profesorino, Staiciu Cornelia, 1900 Timisoara, str. I. Ranghet 31

Studento, Ulmet Dan Eugen, 1900 Timisoara, str. Predeal 6

Aktorino, 26j., Vornicu Narcisa, Teatrul Eminescu, 6800 Botosani

## Sovetunio

Masalkin Vladimir, 700093 Taŝkent, Junusabat B-2 domo 13, kv. 28, (19j.) dez. kor. p. ĉ. t., kol. bk

Komencantino, 28j., dez. kor., kol. bk.: Regina Tutiniene, 235 Klaipeda, str. Debrueno 28–12

Ekonomisto, 40j., dez. kor. p. ĉ. t.; Atanas Damulis, 235 Klaipeda, Konjaunimo 24–18

Konstruisto-brigadestro, 56j., dez. kor. p. ĉ. t.: Raus Eduard, 200021 Tallinn 21

Studento, 20j., dez. kor. pri moderna literaturo, psiĥologio, pentroarto, foto, kino: Sverdlov Jurij, ul. Lenina 82/65, 310103 Ĥarkov-103, Ukr. SSR

Instruisto en mezlernejo, 40j., dez. kor. pri matematiko, lingvistiko: Lebedev Vladimir, 601550 Gusj-Ĥrustalnij, Vladimirski obl. Mikrorayon 45–26

Laboristino, 25j., dez. kor. kol. bk: Leida Prees, 203 Staapsalu Kalda 1-2

Instruistino, 29j., dez. kor. p. ĉ. t.: Bolgarina Lanja, 32290 Nikopol, Dnepropetrovskaja reg. prosp. de Lenin 44/36

Laboristino, 36j., dez. kor. p. ĉ. t.: Mai Soidla, 203600 Pärnu, Vee 4-41

Ruta Latviro, 228602 Valmiras rej. P. n. Murmuiza, Letv. SSR, dez. kor. p. ĉ. t.

Instruisto, 45j., dez. kor. pri Esp.-movado-metodiko k. lernolibroj: Petras Ĉeliauskas, 235745 Svêkŝna, Silutes r., Lit. SSR

Instruistino, 35j., dez. kor. p. ĉ. t.: Antonina Kokaita, K. Pozeios 22, 235420 Kurŝénai, Lit. SSR

Gorena Ljubovj, 153013 Ivanovo, der Dimitrijevo 26, (18j.) dez. kor., kol bk.

Instruistino, 26j., dez. kor. pri matematiko k. fiziko: Brone Aukŝtikalniene, 235250 Pasvalys, j. Janonio 27

Instruisto de teknikumo, 32j., dez. kor. p. ĉ. t.: Vadminas Ad. 233 Kaunas, box 167, Lit. SSR

Junulo dez. kor. tutmonde pri kino, sporto, turismo, muziko, kol. pm (19j.): Kitaev Aleksander, Karla Marksa 34a, ĉam. 83, 644042 Omsk – 42

Aspiranto-matematikisto, 22j., dez. kor. tutmonde, kol. pm: Nikolaj Pleŝĉinskij, 420084 Kazan, pk. 7

Inĝenierino, 30j., dez. kor. tutmonde pri arto, literaturo, modo, muziko, kol bk.: Olga Zaĥarova, 300000 g. Tula-centr. prosp. Lenina, d 31, glavpoŝtamt, ab ja. 21

## Pollando

Al ĉiu samideano, kiu donacos al nia mezlerneja muzeo de Henryk Sienkiewicz nacilingvan verkon de H. Sienkiewicz, eldonitan en sia lando, ni donacos esperantlingvan libron eldonitan en Pollando.

La donacojn alsendu al Stanisław Smigielski, ul. Piramowicza 36 (L. O.) 47-200 Kozle

Junulino, 21j., dez. kor. k. germ. esp. pri sporto, teatro, literaturo, muziko: Halina Szczurek, ul. Głowackiego 17, 37-410 Ulanów

Lernantino, 16j., dez. kor. pri libroj, lingvoj, matematiko, kol. pm., bk.; Anna Sowinska, Jaźwiny, PL-08-440 Pilawa

Tadeusz Kochnowccz, 55-221 Jelcz 3, H. M. R. 28/321, 26j. dez. kor. tutmonde pri turismo, moderna muziko, kol gramofondiskojn, bk.

Lernantino, 17j., dez. kor. pri literaturo, historio, turismo: Eva Sowinska, ul. T. Kosciuszki 1 m 9, 27-600 Sandomierz

Junulino, 18j., dez. kor. k. esp. el GRD pri muziko, filmo: Teresa Koszyk, Biala Nizno 211, 33-330 Grybow woj. Nowy Jacz

Danuta Smolik, Mieszkowice 74-410, ul. Morynska 7, dez. kor. pri muziko, libroj

Czesław Pietrusiak, ul. A. Czecha 3, 41-200 Sosnowiec (26j.) dez. kor. pri turismo, literaturo, muziko, filmo, kol. bk.

Studentino, 20j., dez kor. pri sporto, turismo, kol. turismajn prospektojn, bk.: Zofia Plichta, 80-227 Gdansk-Wrzeszcz, ul. Hibnera 34

Junulino, 16j., dez. kor. pri ĉ. t.: Mariola Romunowska, 77-300 Cztuchdzo, ul. Dabrowskiego 2/6

Junulino, 18j., dez. kor. k. geamikoj naskita 21. 5. pri muziko, filmo, kol. bk. pm.: Hanna Popierz, 64-205 Jablonna, K. N. Tomyśla 140

Junulino, 15j., dez. kor. tutmonde: Teresa Biedrava, 32-410 Dobĉice, ul. Rinek 32, woj. Krakovo

Junulino, 18j., dez. kor. k. esp. el GDR pri muziko kaj filmo: Irena Niepsnj, Biala Nizna 69, 33-330 Grybòw woj. Nowy Jacz

Czesław Stykowski, Zielony Rynek 9/4, 67-400 Wschowa dez. kor. kun esp. el DGR, kol. bk. suvenirojn

30 gekursanoj, 18–40., dez. kor.: Kolo ZMS „Rodlo", Esperanto-Kurso, 41-902 Bytom, Str. Pszczynska 14

Fraŭlino, 24j., dez. kor. pri muziko, kol. bk. pm: Krystyna Milanowska, 85-319 Bydgoszcz, ul. Paura Findera 12/36

Ekonomisto, 50j., dez. kor. tutmonde pri turismo, lingvistiko, filatelio, kol. gvidlibrojn, turistajn mapojn, librojn, pm.: Wacław Slipiko, str. Pracka 7/8, 54-066 Wrocław

Studentino, 19j., dez. kor. pri literaturo, vojaĝoj: Ewa Melcer, ul. Hibnera 10/6, 60-213 Poznan

Fraŭlo, 21j., dez. kor. en Esperanto kaj germane pri Esperanto k. muziko: Janusz Frontczak, 99-440 Zduny, Strugiènice 119, pow. Łowicz

Junulino, 17j., dez. kor. k. germanaj geknaboj, kol. bk. pm.: Halina Rusak, Pl-08-404 Górzno

Fraŭlo, 25j., dez. kor. pri literaturo, kol. pm. bk. monerojn: Stanisław Wolosz, 07-421 Olszewka, woj. Ostvoleka

Ekonomistino, 30j., dez. kor. pri ĉ. t., kol. pm. bk.: Halina Myszakowska, 56-400 Olesnica, M. Curie-Sklodowskiej 5 „b"/4

Teresa Nuvawska, 02-934 Warszawa, ul. Spalska 5 m 24, dez. kor. tutmonde, kol. bk.

Jan Szoltysek, ul. 22, Lipca 49, 42600 Tarnowskie-Góry, dez. kor. pri muziko, literaturo, turismo, filozofio

Junulino, 18j., dez. kor. kun germanaj esp.: Barbara Chybowska, Rozwadów, 08-220 Sarnaki woj. bialskopodlakie

Junulino, 18j. dez. kor. kun germanaj esp.: Agnieszka Klimaszewska, Sorpelice, 08-221 Motowczycze woj. bialskopodlaskie

Zenon Salamonczyk, 11-200 Bartoszyce, ul. Warszawska 25 m 1, woj Olsztyn, dez. kor. pri moderna muziko, sporto, kol. bk.

Junulino, 17j., dez. kor.: pri sporto, pentroarto, kol. pm, bk.: Grazyna Zalewska, PLSP (internat), 16-030 Suprasl.

Knabo, 14j., dez. kor. kun germanaj esp.: Grzegorz Kozid, Wlostowice, par. Koszyce 28-510, woj Kielce

Junulino, 22j., dez. kor. pri turismo, filmo, kol. bk.: Lucyna Babiarz, Wola Mala 83, 37-100 Lancut woj. rzeszowskie

Studento, 20j., dez. kor. kun esp. el GDR: Julian Kowalski, Czernice, 06-106 Opinogóra

Junulino, 15j., dez. kor. pri muziko, sporto, literaturo, modo: Teresa Wegzyn, 39-300 Mielec, ul. M. Reja 10a

Junulino, 17j., dez. kor. kun germanaj esp.: Łucja Koiton, 27-610 Sandomien, ul. Watowa 40


**Eldoninto de tiu ĉi numero:**

GDR-EMM-sekcio Kulturligo de GDR / asocia sekretariejo (Centra Laborrondo Esperanto de GDR). Redakcio: 108 Berlin, Charlottenstrato 60, Telefono: 2 20 29 91. Respondeca redaktoro: D-ro Detlev Blanke. Redakcia komisiono: Otto Bäßler, Ludwig Schödl, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Werner Pfennig. Redakcia fino: 20a de Februaro 1977. Presejo: Grafischer Grossbetrieb Völkerfreundschaft Dresden, Betriebsteil Meissen.

7407 - 36

